XXV-a jaro. N° 344 (4) Monata Aprilo 1929

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.



## La signifo de la Budapeŝta kongreso

Pri la kongresoj mia persona opinio estas ja konata. Estas bedaŭrinde ke ili okazas ĉiujare. Ĉiudujareco estus multrilate pli taŭga kaj oni povus, dum la interjaro, utiligi la vojaĝemon de la kongresemuloj por okazigi tri aŭ kvar publikajn ne-esperantistajn konferencojn, kie nia lingvo ludus la saman rolon kiel en Praha, Hago, k.t.p. kaj komencus vere *ekzisti* en la internacia vivo ekster sia propra rondo. Mil esperantistoj dividitaj po 250 en kvar tiaj konferencoj — aŭ eĉ po 100 en dek tiaj — pli disvastigus nian lingvon ol niaj ĝisnunaj dudek universalaj kongresoj tion faris. Sed tiun opinion *personan* oni ne povas trudi al la Esperantistaro. Oni povas nur proponi al atenta konsidero por la estonteco.

Intertempe ni certe povus utiligi niajn kongresojn ankoraŭ multe pli efike ol ni faris ĝis nun. Tion ni celis kreante la sciencajn somerkursojn en Esperanto en 1925, sed ĝi tute ne sufiĉas kaj ankaŭ ne celis fariĝi absolute ĉiufoja regulaĵo, ĉar la Esperantistaro ŝatas variecon en la programoj. En Antverpeno granda progreso estis la tagordo kun unu aŭ du precizaj temoj de propagando kiel « Esperanto en Universitatoj » kaj « Esperanto en Radio ». Raportoj kaj diskutoj estis interesaj kaj instruplenaj por plia agado.

Sed ankoraŭ progresi ni povus. El ĉiuj lokoj elektitaj por kongreso, Budapeŝto estas unu el la plej bonaj, eĉ bonega laŭ geografia situo. Neniam okazis kongreso en Balkanaj landoj, kie ni posedas tiom da fervoraj samideanoj. Al Budapeŝto multaj el ili veturos. Ĝi kuŝas jam pli proksime.

Por tuta Meza kaj Orienta Eŭropo, Budapeŝto estas mirinda centro. Malmultaj urboj en la mondo estas tiel belaj kiel ĝi, kun sia fea kastelaro super la impresa Danubo. Sed ekzistas io pli: same kiel Helsinki, Budapeŝto estas urbo kun lingvo komplete ne komprenebla de ceteraj Eŭropanoj. Inter slavaj kaj germanaj popoloj elstaras la Hungaroj aparte kaj fiere kun sia propra lingvo el tute alia familio, simile kiel Finnoj, Estonoj kaj Turkoj.

Tiu soleco donis al ilia kulturo grandan memvaloron kaj dignecon. Dum centjaroj ili estis nacio reganta per la povo politika. Nun, post ŝanĝo de cirkonstancoj, ilia forto serĉas aliajn kampojn. Inter la granda familio de popoloj ili ja brilas per sia intelekto kaj literaturo.

Vidu nian Esperantujon, malgrandan specimenon de estonta homaro kun komuna lingvo: en ĝi la verkoj de hungaraj aŭtoroj kiel Baghy, Kaloczay, kaj pluraj aliaj, elstaras admirinde per talento kaj originaleco. Ke ili plej perfekte uzas nian lingvon por esprimi homajn pensojn kaj ĝin riĉigas, ne per kopiado, sed per disvolvo de ĝia propra sango kaj spirito, tio ne estas ia hazardo. Same kiel ĉe Finnoj, la soleco de ilia kulturo en Eŭropo tion akcelas.

Sed ni vidu pli alten ankoraŭ. Ĝis nun kelkaj nacioj — grandaj per la nombro — regas nian mondon kaj regigas siajn lingvojn. En ĉiuj internaciaj kunvenoj la ceteraj devas silenti aŭ balbuti en fremda parolilo. Kontraŭ tiu maljustaĵo D-ro Zamenhof elokvente protestis en sia Bulonja parolado.

Simile, en internacia kulturo, la malpli grandaj nacioj devas ĉiam cedi la lokon al tiuj, kiuj bonŝance naskiĝis verkistoj en unu el la regantaj eŭropaj lingvoj.

Tiu malegalaĵo ne nur humiligas multajn homojn, sed ĝi estas kaŭzo de granda perdo por la homaro, kiu bezonas la urĝan kaj egalan partoprenon de *ĉiuj* valoroj, ne nur de kelkaj. Tiurilate la mondo serioze reiris malantaŭen depost la tempo, kiam latina lingvo perdis sian kunigan rolon.

En Budapeŝto kunvenos esperantistoj, ne nur el Hungarujo, sed el deko da najbaraj nacioj en plena konstrua laboro. Se ili scias forgesi ĉion dividan por kompreni la multe pli grandan valoron de la komunaj bezonoj, ili donos al nia kongreso la signifon de grandioza manifestacio de la malpli nombraj nacioj por egaleco en la internacia vivo, ne kontraŭ iu ajn, sed por plena kaj senĝena partopreno de ĉiuj en la supera tasko de tutmonda konstruado.

Disputante, la malgrandaj nacioj aspektas al potenca Okcidento iom ridindaj kaj regeblaj, sed interkonsentante por komuna postulo, ili aspektas imprese kaj nevenkeble. Ili unuiĝu en Budapeŝto por postuli sian parolrajton en la mondo per la helpa lingvo de l'egaleco!

Edmond PRIVAT.

## EL NATURO KAJ SCIENCOJ

# Relativeco

De Ralf Kornmann

La ideo pri la relativeco, la laŭkondiĉeco de ĉiu okazo, estas unu el la nepre gravaj, ne pereontaj akiraĵoj de la spirito. Kaj se ĝi ĝis nun festis la plej gravajn, malproksime videblajn triumfojn en la fiziko, tamen ĝia graveco necese aperos en ĉiu kampo de la vivo, ju pli ĝi koniĝos kiel ĉionampleksa kaj estiĝos memkomprenebla ĉies posedaĵo.

La vera senco de tiu ideo plej facile ĝuste tie kompreniĝas, kie ĝi ĝis nun trovis la plej puran esprimon, t.e. en la naturscienco, la senintermanka priskribo de la kosma okazantaro.

La plej malnova, kiel teorio science konstruita kaj klarigita al ni, aperanta vidmaniero pri l'aspekto kaj la rilatoj de la mondo fizika — samtempe la mondbildo, kiu estas ankoraŭ por ni nuntempuloj kutimkonata kaj iel nevenkebla — vidas la teron kiel rondan diskon, kies centro estas la centro de la tuta mondo. Ĉirkaŭ ĝi la suno kaj ĉiuj steloj sin turnas, super ĝi la ĉiela volbo en eterna rondkurado volviĝas. Tiu bildo prezentas la laŭverecan priskribon de l'aspekto, kiun la mondo havigas al sida homaro, kiu, ne eliĝante el malvastlima restadejo kaj ne instigata pridubi la memkompreneblan opinion ke ĝi estas la koro de l' mondo, neniam ekpensas ke la homo havas aliajn nepre malsamajn eblojn, sin movi tra la mondo, kiu povus alie aperi al li. Ĉar en la historia fruepoko, en kiu tiu mondbildo estis ĉarpentata, la homo entute ankoraŭ multe pli neatente el si mem pensadis, sian korpan kaj animan memon malpli precize de la cetera mondo distingadis ol ni hodiaŭ kutimas, kaj pro tio povis senpene rilatigi la kosman okazantaron je si mem kiel ĝia sola efektiva senco. Kaj ĝuste tiu mondinterpreto memcela, memrilata kaj el la memo havigata estas prezentata en la fizika mondbildo, kiu estas konata je la nomoj geocentra, termezpunkta, sed laŭsence devus nomiĝi egocentra, mi-mezpunkta, ĉar ĝia ĉefa eco estas la jena, ke la homo ne jam lernis, iun ajn okazon alie prijuĝi ol laŭ siaj plej personaj vivrilatoj.

Ju pli evoluas la penso kaj pligrandiĝas la eblo travojaĝi vastajn terspacojn kaj estigi interrilatojn pli intimajn inter diverskulturaj kaj diversdevenaj popoloj laŭspace disigitaj, des pli klare eklumetas la kompreno, ke el malsamaj terregionoj la mondo malsame vidiĝas. La unua paŝo sur tiu vojo al senlima plivastigo kaj malsamigo de la mondkompreno estas la ekscio, ke la terdisko ne havas certajn limojn, ke ĝia ŝajna limo, la horizonto, ĉiam fugas la migranton. Tiu scio fine transformiĝas je imago prezentanta tute novan penseblon, kiu aperigas la teron kiel korpon sfersimilan. Tial, kvankam nur kiel modesta komenco, naskiĝis la ideo, ke eblas rigardo al la mondo ĉiam kongrua je la ŝanĝa aspekto, kiun havigas la malsamaj terregionoj, kaj ke tiu vidmaniero, ĉar ĝi kunigas ĉiujn ajn unuopajn aspektojn, devas esti pli alta, pli vera. Jen la unua malstreĉo de la ĉenoj ligantaj la homan penson.

Kaj nun estas atingita la firmaĵo, de kie la menso la povas riski la grandegan salton en la tutaĵon. Nun unuafoje eliĝas el la menso la demando, kiu tremigos la mondkonstruaĵon: kiel aspektus la mondo vidata de alia ĉielkorpo? Kaj tiu demando ne plu povas mutiĝi, de kiam la menso sciiĝis pri sia povo, sencplene ĝin respondi. Ĉar la nombro de la eblaj vidpunktoj ne havas limon. Se sukcesis la kuraĝaĵo supreniĝi al la suno kaj de ĝi vidi la hejman teron kiel malgrandega polvereto laŭ subulecaj rondvojoj servĉirkaŭumi la ĉiopatrinon, novaj steloj logos al ĉiam pli senlimaj malproksimaĵoj. Kaj ĉiam pli impona estiĝas la tasko, fandkunigi la neelpenseblan aregon da viditaĵoj je unusola mondbildo, kie al ĉiu trajto, eĉ la plej malgrava, loko certa kaj konvena estas asignata.

Do la ideo pri la relativeco, uzata je la rigardo al la fizika mondo, signifas la ekscion, ke la mondo povas almenaŭ pense esti rigardata de ajnaj vidpunktoj en la spaco, ke ĝi de ĉiu vidigas alian vizaĝon kaj ke la vera bildo devas kunigi ĉiujn entute eblajn unuopajn vizaĝojn je sencplena, senintermanka tutaĵo. La senco de tiu ideo ne estas ŝanceligi nian konvinkon pri la realeco, ununureco, unusenca esto de la mondo, sed male nian pensaron pri ĝi senfine pliriĉigi, subtiligi, certigi. Ĝia senco ne estas detronigi valoraĵojn, sed ilin diferencigi kaj konstati ĝis kie ili valoras. Ankoraŭ nun la suno leviĝas kaj malleviĝas, kaj la ĉiela stelaro hodiaŭ ankoraŭ nokton post nokto forturniĝas super niaj kapoj. Tio estas imago de tiom nedetruebla certeco, ke neniu abstrakta konsidero ĝin iam elradikigos. Tamen se ni konscias, ke tiu imago prezentas la aspekton de l'mondo de ununura punkto de la tero, sed ke ni almenaŭ pense povas havigi al ni ĝian aspekton de iu ajn el tiuj punktoj, ni de tiu kutimkonata aspekto forprenas neniom da ĝiaj vereco kaj valoro por nia vivo. Ni nur forigas la malmodestaĵon, kvazaŭ ĝi estus la sole ebla aspekto de la mondo, kaj tiel senigante ĝin de la dubo, ni donas al ĝi ĝian realan, neatakeblan, nedetrueblan valoron. La geocentra mondbildo estas laŭvereca prezentado de la mondokazaro vidata kaj pripensata el ununura, nemoviĝebla fiksita loko de la tero, kaj kiel tia nerefuteble ĝusta. Sed ĝi estus nepre erara, se ĝi estus komprenata kvazaŭ absoluta, t. e. lasta, sole ebla, ĉionampleksa priskribo de tiu okazantaro.

Se ni do el la relativeca ideo, kiel el tute profunda kompreno de la esenco de l'mondo, senĉese pliampleksigas nian mondbildon, ni neniel neniigas antaŭajn eksciojn, laŭ la mezuro kiom ili estas efektive pravigitaj, sed ni limigas ilin ĉiam pli precize je ilia fakta valoretendo. Nur kiam pli nova ekkono aperas principe malakorda al antaŭa, necesas ke unu el ambaŭ estu erara.

Sed tiu pliampleksiĝo de la makrokosma mondbildo ne estas la sola frukto de la relativeca ideo. Ties valideco ne limiĝas ĉe la aspekto de la mondtutaĵo kaj ĝiaj ŝanĝoj, kiam la vidpunkto aliiĝas de stelo al stelo. Ĝi sin etendas al ĉiu ajn pensobservado de la mondo kaj ĝiaj partoj. De la ekkono, ke eĉ la plej malgrava unuopa okazaĵo rilate sian evoluon dependas de la vidpunkto — ekzemple ke objekto ĵetita al rapidanta vagonaro vidate el la vagonaro moviĝas laŭ alia vojo ol vidata de la firma tero — ĝis eĉ la lastaj mikrokosmaj okazoj: la agado de elektronoj kaj atomkernoj kaj de la radiaroj al ili aliĝantaj — ĉiam rilate ĉiun okazon valoras la relativeca ideo: ke ĝi povas esti vidata de ajnaj vidpunktoj, kaj ke nur tia priskribo, kiu ĉiun penseblan vidpunkton ampleksas, kongruas ĝian esencon. Kaj la relativeca ideo valoras ne nur pri la fizika okazantaro, ĝi tiel same koncernas ĉiun spiritaĵon, ĉion koncepteblan. Ĉar la estigo de homaj konceptoj kaj ideoj, okazante per la kunagado de homo kun homo helpe de la granda organiza sistemo de la lingvo, povas nur fariĝi trans la fizikan mondon: homoj povas sin interkomprenigi nur per la montrado al la videbla tuŝebla korparo, kiu estas alirebla por ĉiuj, kaj tial ĉiuj konceptoj, eĉ la plej abstraktaj, iel korpigas la spacajn vidpunktojn, el kiuj iliaj aŭtoroj pensadis. Ĉiu mensa « star-

punkto » konigas la lokojn, el kiuj ĝi permesis almenaŭ pense vidi la mondon aŭ kiom de la mondo ĝi ampleksas. Ju pli facile la homo kapablas liberigi sin el la malvastaj tempaj kaj spacaj vivkondiĉoj de sia persona memo kaj pensante sin enigi en la vivo — kaj esto — kondiĉojn de aliaj estaĵoj, des pli alta, des pli malproksimen vidiga, des pli valora lia vidpunkto ĝenerala estos: ĉar la esencon de la mondo li despli profunde, des pli vere komprenos, ju pli multflankan aspekton de ĝi li al si havigas kaj ju pli bone li disponas pri la forto, formi tiun aron je unuura kompleta bildo. Ne ekzistas du homoj, por kiuj la mondo povus tute same aspekti, malgraŭ nia konvinko, ke nin ĉiujn okupas la sama mondo. Sed la individua mondbildo de ĉiu homo havas ĝeneralan valoron nur laŭ la mezuro kiom ĝi akordas la individuajn mondbildojn de aliaj homoj. Kontraŭe la ebloj pliampleksigi, pliriĉigi la personan mondbildon estas por ĉiu senlimaj.

El tiu ekkono sekvas la por la homa pensado gravega konkludo, ke ĉiu mondvidmaniero, kia ajn ĝi estas cetere, nur valoras interne de l'horizonto de la mensa vidpunkto, kiu ĝin estigis, kaj ke necesas por ĝin kompreni, lokigi sin en tiun vidpunkton. Same sekvas, ke neniu vidpunkto povas iam esti definitiva.

Tiu penso pri relativeco, pri kondiĉaro influanta ĉiun ekkonon, hodiaŭ jam altgrade regas la sciencan pensadon, kiu pro ĝia fruktiga forto evoluis laŭ mezuro ne antaŭsentita. Jam estiĝis por ni komprenebla kaj decidiga tasko, eltrovi la vidpunktan kondiĉaron de antaŭaj komprenoj kaj prezentoj de l'historio kaj tiel survojigi pli profundan konon de ĉiu homa evoluo. Same la ideo pri justeco, homa societo eĉ kulturo ŝuldas al ĝi fundmovigan reviviĝon.

Tamen ĝia plej alta kaj lasta senco troviĝas en la morala kampo. Ĉar la kapablo, translokigi sin en la menson de kunhomo, rigardi kaj taksi la mondon el lia vidpunkto kiel el la propra, estas unua kondiĉo de ĉiu homa komunumo. Ĝi estas la plej homa el la kapablecoj, ĝi estas tio, kio lastfine estigas la homon, la homajn pensadon kaj vivadon. Ĉar portante la homon pensantan trans la barojn de lia pereonta memo kaj igante lin retrovi sian valoron en tiu sama mondo kaj ĝiaj estaĵoj — liaj kunestaĵoj — kiuj postvivas lin kaj naskigas kaj plijunigas sin laŭ eterna ŝanĝo, ĝi levas lin mem je la ĉefkoncepto de l'tutmondaĵo, konsciigas lin pri la eterneco de lia valoro: altigas lin je dieco. La relativeca ideo estas la viva esprimo de l'krepovo de la homa menso, senerara gvidanto sur la vojo de la homara evoluo, vera simbolo de la kulturo.

*Trad. Ed. Jung, Strasbourg.*

---

## Nova socio, nova eduko

DE W. SMITAL

Ideoj ne sufiĉas. Nur praktikigo valoras. Plaĉas ja karakteroj sur alta bazo etika. Sed veraj kolonoj de la homaro estas nur ili, kiuj sian vivon oferas progresigante. — De malsupre tiaj herooj venas ofte, batalas konstante; des pli meritas admiron. — La spertoj kapabligas tian, eduki aliajn, efiki al la socio.

Dum tiuj tagoj la intelektularo de Aŭstrio ovacias tian eminentulon, D-ron A. Th. Tluchor-Sonnleitner, pro 60 jariĝo. Sed lia agado meritas tutmondan atenton pro liaj kontribuoj al edukada reformo.

Lian personan energion pruvas lia viva vojo. Deveninte el familio senhava, li pene studadis en gimnazioj, instruistiga faklernejo, universitatoj, lernis sen instruanto ses lingvojn, kaj 55-jara doktoriĝis. Ke li posedas nun propran domon ekzemple, li nur dankas al senlaca laborado kaj severa memedukado laŭ la devizo de l' skoto Robert Burns « Malgraŭ ĉio! »

En la lernejo trudiĝis al li pedagogiaj problemoj, kies kaŭzoj troviĝas en sociaj cirkonstancoj, ekster la lernejo. Arda amo al infanoj igis lin fervore ekbatali kontraŭ familipereiganta alkoholo, fiaj filmoj kaj literaturo, kaj kontraŭ seksmalsanoj. Aŭstrio dankas al li kinematografan reformon, la fondon de komisiono por kontrolado de infanlegaĵoj, de kelkaj infanprotektaj unuiĝoj, kaj la kreon de eĉ premiitaj verkoj sekspedagogiaj. Krome li verkis porlernejan infanlegaĵon, fondis



D-RO TLUCHOR-SONNLEITNER

gepatrajn konferencojn, prelegadis, konstruis lernilojn k.t.p. senlace, dum tri jardekoj. Rekonante lian eminentecon speciale sur la spirithigiena kampo la registaro ofte lin delegis reprezentanto de Aŭstrio en internaciaj kongresoj por lerneja higieno, ekz. Nürnberg 1904, London 1907, Paris 1910.

Sed pli ĝenerale interesaj, ankaŭ pli gravaj estas du aliaj flankoj de lia vivo: la filozofa kaj la poeta.

Se la vorto filozofa eble vekas ĉe iu la kromimagon pri grumblemulo vivofremda, li grave erarus imagante Sonnleitner tia. Plej vivoproksima estas lia filozofio, vortoj por li estas io neesenca, agoj ĉiom. La volproblemo solviĝas por li tute nature: « ...ĉiu objekto sugestie ekigas en perceptanta individuo funkcion, premise ke en la perceptanto estas plenumita la kondiĉo, ke li havas mediumecon (disponitecon, intereson) precize

por tiu ĉi objekto. Inter la imagoj pri agrableco, kiuj estas kaŭzataj de perceptataj objektoj en perceptanto kiel ' motivoj ', la unuaranga estas la profunkcia agrableco, ripete aludita de W. Jerusalem (univ. prof, en Wien) en ties Psikologio kaj en lia Enkonduko en la Filozofion. « Se » taŭgaj objektoj ekigas en perceptanto la deziron, fari per ili tion por kio ili taŭgas, « kaj tiu agado povas esti korpa laboro, ludo, esploro scienca, kreo artista », la ĉefa problemo pedagogia, la volevoluigo, principe solviĝas tre simple; ĉar el tiu ekkono rezultas « por edukanto amaso da ebloj, en edukato farojn intencitajn kaŭzi aŭ neakcelantajn eviti per forturno (alidirektado) de l'intereso ». — Alia frazo de li klarigas historian fakton, komprenigas socian bataladon kaj esperigas belan estonton samtempe: « Elprenu infanon malzorgitan el ĝia ĉirkaŭo, malbela pro malnobleco, malpureco kaj sengusteco, transportu ĝin en puran hejmon, kies objektoj ĉiam alparolas ĝin pure, orde, bele kaj metu antaŭ ĝiajn okulojn simbolojn de altaj ideoj: tiam en ĝi ekiĝos puriĝprocedo dank' al la favora sugestio de la ĉirkaŭo. »

Por skizi la poetan specialecon de Sonnleitner, laŭ ĉio dirita sufiĉos malmultaj rimarkigoj. La fortanimo kapablas ankaŭ delikate rideti, sindone pentri, ami profunde. Terodoro, floraromo kaj ĉiela bluo naskiĝas el la linioj. Mola man' karesas konsolante, kompato infektas larmige, kiam la slava heredaĵo ekparolas. Tiun efikon kaŭzas du ecoj verkaj, ambaŭ karakterizantaj veran poeton: Suverenado prilingva en la servo de kapticerta rigardo por ĉiuhomaĵoj. Liajn grandajn verkojn legadas homoj ĉiuaĝaj kun egala profito: Maljunulojn ravas la humora prezentado de matura vivpercepto, gejunulojn ĉi tiu kaptas sugestie, vekas agemon, interesojn novajn kaj tiel ĝojon maloftan. Krom la pura poezia efiko noblige edifanta ĉiu verko de Sonnleitner klerigas ankaŭ: Profunda multflanka kono pri la naturo ja estas enplektita, kaj multnombraj vojaĝimpresoj el diversaj landoj. — Aperis la verkaro internacie interesa ĉe « Kosmos » Franckh'sche Verlagshandlung en Stuttgart aranĝitaj, majstre ilustritaj de akademia pentristo prof. Fritz Jäger, la libroj koron ridigas jam post ekrigardo. La ĉefa verko estas kulturevolua romano, « La Kaverninfanoj »; kies valoron kaj ŝatatecon plej trafe pruvas 73 eldonoj en 10 jaroj. Ankaŭ trivoluma estas la aŭtobiografia romano « Koja ». La heroo de « La etulo-direktilisto » estas knabo malriĉa, kiu klerige helpas alian knabon riĉan sed kriplan. Altajn ideojn peras la ĵus aperanta, « D-ro Robin Sohn ».

« Kio el objektoj faras valoraĵojn, estas la laboro. » Kaj « Nur ne malesperu! Neniun diru perdita, kiom longe li ankoraŭ estas varma! »

---

## Pri nobl-gasoj

Sub vorto nobl-gasoj oni komprenas en la kemio tiajn gasojn kies atomoj ne favoras reakcion kaj ankaŭ ne kombiniĝas kun samspecaj gasoj. Tiuj nobl-gasoj estas unu-atomaj. Konataj nobl-gasoj estas heliumo, neono, argono, kriptono, ksenono kaj nitono. La konstato kaj trovo de tiuj gasoj estas de juna dato. Lord Rayleigh kaj Ramsay trovis 1894 la argonon. Ili konsideris ĝin kiel modifaĵon de l'nitrogeno, same kiel ozono prezentas subspecon de l'oksigeno de l'aero. Ili konstatis nekonitan ĝis nun parton de l'aero per la sintezo. Nome: Sinteza nitrogeno gajnita laŭ kemia procedo estis pli malpeza ol aer-nitrogeno senigita je oksigeno. Sekvis la trovo de kvar pliaj gasoj atmosferaj. Sed ili troviĝas je kvanto malpli granda ol la argono. *Heliumo* jam konstatiĝis spektroskope 1868 en la suno, 1895 ankaŭ maloftaj mineraloj de la terkrusto. Heliumo formas nur 0.0005 volumen-procenton de l'aero. La volumen-procentoj de la aliaj nobl-gasoj estas: Neono 0.0018, kriptono 0.0001, Ksenono 0.000009. Indikojn pri tiuj elementoj oni konstatas en vulkanvaporo, fontoj kaj mineraloj enhavantaj uranon.

Konata estas la uzo de heliumo en Ameriko kie ĝi, ĉar trovata je sufiĉa kvanto servas por plenigo de la aerŝipoj. La perdo kontraŭ plenigo per hidrogeno estas ĉ. 7 %. Oni preferas la heliumon pro ĝia inercio (malvoviĝemo) ol la facile ekbruligebla hidrogeno. Kontraŭe la perdo de l'heliumo pro la difuzo el la balono ne estas grava. La prezo de l'heliumo estis en la jaro 1928 ĉ. 200.000 Fr. por kubikmetro. Tiam oni produktis el ĉiuj heliumfontoj de la tuta mondo ne pli ol tri kubikmetrojn, uzitajn por sciencaj eksperimentoj. La scienca intereso por heliumo koncentriĝis por ĝin likvigi kaj rigidigi. De ĉiuj substancoj ĝi ja havas la plej malaltan bolpunkton per — 269 Centigradoj. Kiom kostas la produktado de l'heliumo en Ameriko ne estas konata.

Antaŭ kelkaj jaroj oni trovis novan uzmanieron de l'heliumo kiu fariĝos tre valora. Subakviĝisto en sia kostumo ricevos la necesan aeron por spiri sub altigita premo kiu plialtiĝas por dek metroj da akvoprofundo je unu atmosfero. Aero solviĝas en la sango proporcie al la premo portata. Subite forigante la plipremon, la sango transformiĝas en veziketoj pro la liberiĝinta aero. La sekvo estos doloriga malsano. Por eviti tion oni levis la premon sinsekve, ne subite, daŭrigante tion ĝis du horoj. Perdiĝas valora tempo pro tio kaj se okaze de tia subakva laboro venus malbona vetero, uragano, ekzemple, la malrapida suprenlevo estus ebla nur kun sufiĉa danĝero. La Usona Min-Oficejo (United States Bureau of Mines) aranĝis provojn kiuj evidentigis, ke miksaĵo de oksigeno kaj heliumo, ĉ. 20 % da oksigeno kaj 80 % da heliumo servas por spiri tiom bone kiom ordinara atmosfera aero. Sekve oni povus uzi tiun miksaĵon. Heliumo tute ne solviĝas en la sango kaj tiel oni povas limigi la periodon de malstreĉiĝo de l' spira gaso ĝis 75 %.

*Argono* jam estis produktita 1914 laŭ teknika maniero kaj estis uzita por elektraj lampoj inkandeskaj. La nun uzata argono akiriĝas el frakcia distilado de likva aero kaj estas subproduktaĵo de l'oksigeno. La inkandeska ampolo plenigita je nitrogeno anstataŭiĝis iom post iom per la lampo, kiu estas saturita per miksaĵo de nitrogeno kun argono. Proksimume la duono de la nuntempe uzataj ampoloj estas plenigitaj je nobl-gaso. Pro tio malebliĝas la formado de volframnitridoj kaj la uzdaŭro de la lampo estas grave plilongigata. Lampo plenigita je gaso estas pli ŝparema en la konsumo de l'elektra energio, aŭ pli precize je la lumforto. Oni povas ardigi la volframfadenon multe pli forte, ne timante disblovon aŭ vaporiĝon, kio laste bruligus la fadenon.

*Neono* estas akirita el likvigo de l'aero, ordinare kiel miksaĵo de helium-neono. Tiuj du gasoj finrestas sekve de la malalta bolpunkto. La bolpunkto de la aera nitrogeno estas ĉe — 196, tiu de l'oksigeno ĉe — 243. Tiu-ĉi miksaĵo — heliumo-neono — estas ricevebla de la oksigenfabrikoj en fermitaj vitroretortoj po unu litro. Tiu-ĉi gasmiksaĵo, en diluita stato disradias ruĝetan lumon, sub influo de elektra malŝarĝo. Pro tio ĝi pli kaj pli trovas uzadon en la reklam-lumigado. La necesa tensio por instigi la lum-disradion estas relative malalta. Ĝi estas eĉ sub la kutima tensio de 110 volto. Oni fabrikis ankaŭ ampolon kun neono en la noktlampoj, ekzemple en hospitaloj kaj en lokoj bezonataj nefortan lumon dum la nokto. Alia uzo de l'neono estas la tekniko de transformo de l'alterna al kontinua fluo. Ĉe tiu-ĉi procedo uziĝas ankaŭ la argono.

Laŭ D-ro MANNHEIMER.

# Fenicio

Nia scio pri la fenicianoj limiĝis je tio, kion la Malnova Testamento kaj la grek-romaj verkistoj depost la Homera epoko, rakontis al ni. Laŭ greka tradicio, la fenicianoj konigintaj al ili teknikon, orientan sciencon kaj vendintaj al ili produktojn de pli progresinta civilizo, ankaŭ estis la kreintoj. Tiu-ĉi opinio restis ĝis nia tempo. Oni taksis ĝenerale tro alte la fenician influon, sur la grekan kulturon. Nomojn de lokoj iom fremde sonantajn oni konsideris semid-devenaj kaj opiniis esti trovinta iaman fenician kolonion. Ne nur sur Malta-Insulo kaj Salamo sed ankaŭ en Monako. Sed ekster Norda Afriko kaj Iberio nur malmultaj difinoj povis resti kaj la supozitaj kolonioj estis fakte nur komercaj faktorioj. Ankaŭ la esploro de l'Antikva Oriento ne rajtigis konsideri tro granda la fenician partoprenon. Ekzemple la vitro, kiu longtempe estis konsiderata senkonteste kiel fenicia eltrovaĵo, estis konata en antikva Egipto multe pli frue. Evidentiĝis do, ke ili ne estis la kreintoj de la orienta kulturo sed nur ties perantoj al okcidento. Dum la elfosado en Babilono kaj en Egipto donis nesupereblajn rezultojn, la gajno de tiaj reserĉoj en Fenicio estis eta. La trovitaĵoj devenas grandparte el la epoko de la persa regado, do relative juna.

Tiuj feniciaj urboj ja estis havenurboj aŭ insuloj kun tre malgranda amplekso. De jarmiloj al jarmiloj unu civilizo sekvis la alian kaj pro tio la trovo de feniciaj restaĵoj malfaciligita. La trovitaj enskriboj estis de juna deveno kaj la enhavo sensignifa. Kiel lasta gloro restis al la fenicianoj, la persiste aljuĝita invento de la litera skribo, kiu transiris al la grekoj kaj romanoj kaj fine al ni. Sed la enskriboj de la Sinai-Montaro, konsiderataj kiel praŝtupo de tiu-ĉi literskribo forigis tiun gloron. Post kiam la Francoj eluzis la Sirian protektoraton por serioze kaj funde esplori la landon, okazis granda ŝanĝo en nia scio pri Fenicio. Hazardaj trovaĵoj kaj sistema fosado, ĉefe en la regiono de Saida, la iama Sidono kaj en Ĝebail la iama Byblos, kondukis ĝis la 2a kaj 3a antaŭkrista jarcento, ja eĉ en prahistorian epokon. Pro tio, problemoj jam enterigitaj revenis al la diskuto.

La historio de la feniciaj urboj — Fenicio neniam estis homogena ŝtato aŭ regno, se foje ankaŭ unu el la du gravaj urboj Sidono aŭ Tiro regis la aliajn — nun povas esti sekvata ĝis tre malproksime. Krom la enlandaj monumentoj, oni devas atenti ankaŭ tiujn de egipta kaj babilon-asiria deveno. Ni renkontas unue *Byblos* kiu jam dum la piramido-konstruado tre vigle rilatis kun la Nil-regno. Tio estis ĉe la fino de la kvara jarmilo ankaŭ Kristo. La nilloĝantoj ricevis de la fenicianoj la lignon por la ŝipkonstruado, kion la propra lando ja ne povis liveri. Kontraŭe ĝi mem liveris la papiruson kiel materialo por la skribado. De Byblos ĝi venis al la grekoj. La greka vorto por libro « Biblos » eniris en niajn lingvojn kaj devenas de tiu-ĉi urbo. La historio de la tria jarmilo estas konata nur malmulte. Je la 16a jarcento la lando venis sub la regado egipta. Estis la periodo de la egipta imperialismo post la forpelo de la Hiksoj. El la famaj « Amarna-leteroj », valora korespondado el la arkivoj de du faraonoj ni konas la politikajn cirkonstancojn de tiu-ĉi tempo; la feniciaj urboj tiam nur estis laŭnome sub la egipta regado kaj fakte troviĝis solaj kontraŭ la minaco de la amoritoj kaj ĥetitoj.

Al la egipta regado sekvis la ĥetita, kiu siavice pereis kontraŭ la ondego de la « Marpopoloj » dum la 13a jarcento. Tiu-ĉi ondego disfalis ĉe la egiptaj limoj. Sekvis nun kelkcentjara periodo de absoluta sendependeco, de la jaroj 1100 ĝis 800. Ĝi signis la kulminacian punkton de la fenicia historio. Dum la sama epoko, stariĝis en najbara Israelo forta reĝlando sub Saŭlo, Davido kaj Salomono kaj formiĝis en la nordo la arameaj ŝtatoj de Damasko kaj Hamato. Tiu evoluo estis favorigita per la fakto ke ĉiuj najbaraj regnoj ne povis ion entrepreni. La ĥetita regno disfalis, Egipto kaj Babilono estis haltigitaj en ekstera agado pro internaj malpacoj, Asirio ne estis sufiĉe forta. De tiu-ĉi tempo datas la mara hegemonio fenicia. La egea kulturo, reginta la insulojn kaj bordojn de l'orienta Mediteraneo same pereis en la migrado de la « Marpopoloj ». La fino de tiu-ĉi periodo komencis per la ripetiĝintaj atakoj de la asiria imperio, kiu sukcesis venki la feniciajn urbojn post malespera defendo. Al la asiria regado sekvis la ĥaldea, la persa kaj fine tiu de Aleksandro la Granda. Sub ties posteuloj la urboj apartenis jen al Egipto, jen al Sirio ĝis fine giganta Romo okupis la sirian bordon.

alef bet gimel dalet he vav zain het tet jod kaf

lamed mim noun samek ain fe cade kof reŝ sin tau

La fenicia alfabeto

Jen la fenicia historio, kiu montras okulvideble la geografian dependecon: Ĉe longa marbordo, serio de havenurboj, kiuj eĉ ne havis teran kontakton inter si kaj al kiuj mankis malantaŭa teritorio pro la montaroj. Rezultis do grava riĉeco el la perado kaj komerco, sed nenia politika potenco. La grava geografia situo, ponto inter Afriko kaj Azio, igis tiun landon la ĉiama celo de konkero kaj batalobjekto de najbaraj regnoj. Kaj tio estis ĉiam la sorto de Sirio.

Sed se la feniciaj urboj ne ampleksis pli ol kelkcent domojn en moderna metropolo, ili tamen rezistis al la militemaj asirianoj kaj babilonanoj. Eĉ Aleksandro konkeris Tiron nur post kelkjara sieĝado ensabliginte la tutan markolon, kiu disigis la insulurbon de la firma tero. La feniciaj havenoj, malgrandaj kaj mallarĝaj kaj facile sabliĝintaj, tamen konservis la famajn ŝiparojn kiuj jam de la Homera tempo estris la Mediteraneon kaj estis nemankeblaj al la tiamaj regnoj. Egipto ilin bezonis por la grandaj veturoj al sudo. Asirio kaj Irano servis sin de la militŝipoj. La kuraĝaj vojaĝoj kondukis la fenicianojn ĝis la « Kolonoj de Herkuleso » t.e. la markanalo de Gibraltaro. De la britaj insuloj ili serĉis la stanon kaj el la nordo la sukcenon. Eĉ la sudan pinton de Afriko ili atingis. Kion la fremdaj landoj donis je produktoj, ili alportis hejmen kaj komercis. Tiel ili komercis pri fruktoj, vinoj, teksaĵoj, purpuro, juveloj, vitraĵoj, sklavoj. La profeto Jeĥezkiel prikantis la falon de Tiro sub la bildo de granda komerca ŝipo, ŝarĝita de valoraĵoj ĉiulandaj kaj pereanta.

Kaj en tio karakteriziĝis la fenicia kulturo. Ĝi estas entute dependa de la importo, ĉar mankas la propra fantazio kaj originaleco. La restaĵoj de la arkitekturo, de la metalprilaborado, de la orforĝado — ĉio montras la saman miksaĵon fremdan el elementoj egiptaj, babilonaj, asiriaj, egeaj, ĥetitaj, elamitaj eĉ kaŭkazaj. Rondsabro el Byblos, enlanda fabrikaĵo laŭ modelo babilona ornamita kun la egipta Ureo-serpento. Sigelcilindro surhavas egiptan desegnaĵon kaj kojnoforman priskribon. Kiom mekanika estas ofte la imitado, indikas plej videble la nekorekta pozicio de la hieroglifoj. Nur iom post iom oni eklernis, doni al tiaj imitaĵoj propran karakteron. Entute la arto kaj tekniko estas dependantaj de pure komerca vidpunkto, kiu kombinas tion kio promesigas bonan vendon. Tamen ni ne rajtas malrespekti la gravecon de la fenicia kulturo. Jam pro Israelo. Por la israelitoj, koloniigintaj Palestinon, la feniciaj

urboj prezentis ĉiam la pli altan civilizon. Kaj ili profitis tion. Davido kaj Salomono, ne estus povintaj efektivigi la grandiozajn konstruaĵojn sen la helpo de la reĝo de Tiro. Du obeliskoj staras antaŭ la templo de Salomono, tute same kiel ĉe fenicia sanktaĵo. Se la templo de Salomono montras egiptan stilon, tiam certe la fenicia kulturo estis la peranto. Pli malfrue okazis eĉ pli intima interligo. Tira princino edziniĝis kun reĝo israela. Kvankam la israelitoj tion ne aprobis kaj klopodis forigi la fremdan elementon oni tamen ne povis senigi la influon de la pli alta civilizo. Se ne estus malaperinta la fenicia literaturo — krom kelkaj malmultaj citoj ĉe grekaj verkistoj — ni povus konstati ĝian influon spiritan en la poezio, en legendoj kaj mitoj.

La alia rolo de Fenicio estis la ligilo inter oriento kaj okcidento, peranto de orienta kulturo al la okcidento. Ĝi ja ne ludis tiun rolon sola. La unuaj plej gravaj kolonioj grekaj en Malgrand-Azio estis certe malpli sub la influo de la fenicia kulturo ol sub la ĥetita, kiu de longtempe peradis orientan civilizon al okcidento laŭ la grandaj armeaj kaj komercaj stratoj. Restas la rolo de la fenicianoj, kiuj dum iliaj heroaj marveturoj, ne nur transportis luksobjektojn. Ke ili konigis al la grekoj la skribon, pri tio estas nenia dubo. Tio sola — egale ĉu ili estis la inventintoj aŭ ne — estis ago grandsignifa kaj supozigas viglan rilaton kulturan.

Tiel la eta popolo fenicia prezentas multon da interesaj studoj. Espereble la estonto solvos ankoraŭ pliajn enigmojn kaj donos novajn klarigojn. Pri la nuna stato de la esplorado informas riĉa verko [1], ilustrita, verkita de G. Contenau kiu mem partoprenis la fosadon.

*Prilaboris G. Agricola.*

---

## Kelkaj maloftaj metaloj kaj ilia signifo por la tekniko

La moderna tekniko serĉas pli kaj pli anstataŭigi pezajn metalojn per la malpezaj, ĉefe en la konstruado de aŭtomobiloj kaj aviadiloj. La malpliigo de la mortpezo ebligas unuflanke atingi maksimuman rapidecon dum malpli longa tempo, kiel evidentigis provoj. Aliflanke ĝi signifas ĉe aviadiloj eksternorman ŝparon de energio por venki la gravitacion de la tero. Ĉe ĉiuj tiuj konstruaĵoj oni komencis uzi la malpezan aluminion, aŭ en la konstruado de aviadiloj ties alojojn kun magnezio, la magnalio, k.t.p.

La elektroliza ekstraktado de aluminmetalo ne plu prezentas malfacilaĵojn. Depost la jaro 1880 ĝis kiam aluminio ekstrakiĝis ekskluzive el aluminbikloridoj per metala natrio, la kemia procedo grade pliboniĝis kaj ankaŭ serĉis novajn vojojn. La grandegan evoluon de la aluminio-ekstraktado ilustras la jenaj ciferoj : 1889 la tutmonda produktado de aluminio sumis 92 tunojn, 1891: 1.491 tunojn, 1900: 11.000 tunojn, 1910: 44.000 kaj 1913 eĉ 70.000 tunojn. La prezo malaltiĝis de 3.000 Fr. por la kilogramo ĝis 2 Fr. antaŭ la milito. Simila evoluo montriĝas ankaŭ ĉe la magnezio, kiu estas apud la alkalimetaloj kaj la teralkalimetaloj, la plej malpeza metalo. Ĝi pro tio akiris altan signifon en la tekniko kaj estas ekstratata facile per elektroliza procedo.

Krom tiuj ĉefaj el la teknikaj malpezaj metaloj ekzistas ankoraŭ aro da malfortaj materioj kiuj ĝis nun pro granda kosto ne estis izoligitaj kaj restis praktike ankoraŭ ne utiligataj. De kiam pliboniĝis la rimedoj por akceli la izoligadon, ni citu nur la aplikon de la galvana elektro por disigo de kemiaj kombinaĵoj en likvaĵoj aŭ fajrofluaj fandaĵoj, kaj la atingo de tre altaj temperaturoj kaj la kono de materialoj tolerantaj plej altan temperaturon, tiuj elementoj estas pli speciale atentataj pro iliaj interesaj ecoj. Ni atentigu ekzemple nur la alojojn el pirofora (t.e. fajrodonanta) CER-fero, kies valora konsisto estas akirata per teknika elektrolizo de fandita ceriokloro.

Alia elemento trovita antaŭ cent jaroj, la berilio, havas tiurilate specialan intereson. Laŭ la orda nombro en la perioda sistemo de la kemiaj elementoj ĝi venas tuj apud la litio kiu estas nerezistanta al aero. Kontraŭe la berilio rezistas al influoj kemiaj kaj mekanikaj, tiel ke ĝi havos certan gravecon. Berilio estas nur 1,8 foje pli peza ol akvo, proksimume tiom peza kiel magnezio kaj sekve unu triono pli malpeza ol aluminio. Ĝi estas pli malmola ol vitro, dume magnezio estas tiel mola, ke oni ne povas ĝin bone fajli. Ĝi fandiĝas ĉe 1.285 gradoj, preskaŭ tiom kiom necesas por gis-fero. Berilio estas sufiĉe disvastigita en la naturo, speciale en granitoj kaj aliaj praŝtonoj. Ĝi tamen ne ofte troviĝas en abunda kvanto en unu loko. Nur en Ameriko oni trovis unuopajn kristalojn de la berilio pezantajn ĝis 7.000 kg., kombinaĵo de Berili-oksido kaj alumin-oksido kun silikacido. Aliaj trovlokoj estas en Norvegujo, Hispanujo, Kanado kaj en Tirolo. La sperto montris, ke tuj kiam materialo estas demandata en la komerco, novaj fontoj malkovriĝas. Antaŭ kelkaj jaroj la prezo de unu gramo de kompakta metala berilio estis 200 orfrankoj. Hodiaŭ ĝi estas nur 7 fr. kaj tiu-ĉi prezo ne restos se la procedo fariĝos ankoraŭ pli racia kaj la ekstrakto de la pura metalo estos pli grandkvanta.

Oni uzas berilion por la elektro-akustiko, ĉar ĝi povas esti lamenata je tre maldikaj membranoj. Ĝi havas la plej grandan d'afanecon por la radioj de Röntgen (X radioj). La diafaneco estas 17 foje pli pova ol tiu de aluminio. Tiu-ĉi kvalito de l' berilio kun la alta fandpunkto certigas al ĝi gravan estonton en multaj branĉoj. Alojo de aluminio-berilio kun 1-5 % da berilio kaŭzas konsiderindan altiĝon de la fandpunkto kaj malaltiĝon de la denseco de 5-30 %. Pliaj utiligoj venos tuj, kiam la produktado fariĝos pli ampleksa kaj kiam la metalo kaj ĝiaj alojoj estos pli konataj.

Usonaj kemiistoj provis enkonduki en la optikan teknikon la tre maloftan germaniumon sub la formo de ĝiaj alkaliaj saloj. Germanium-dioksido tre proksimiĝas kemie al kvarco kaj pro tio ankaŭ al la vitroj. Vitraĵoj kiuj entenas germaniumon posedas aron da avantaĝoj kontraŭ la ordinaraj, ekzemple pli grandan disperson ĉe pli granda refrakto, tamen iom pli malfortaj kemie ol la silikatvitroj. Novaj trovoj de la mineralo ekz. de germanito en Sudokcidenta Afriko igis la elementon multe pli facile akirebla.

Materio eĉ de kemiistoj ne multe konata, estas la Galiumo, trovita de *Lecocq de Boisbeaudran* per spektroskopo. Estas metalo arĝentgriza kun fandpunkto de 30 gradoj, do tre facile fandebla. Usonaj kemiistoj ĝin proponas kiel likvon por la termometro, ĉar fandita ĝi restas ĉiam likva eĉ ĉe tre granda malvarmo, kaj dum jaroj. Ĝi ankaŭ vaporiĝas nur post 1.000 gradoj da varmigo, tiel ke ĝi ege superas la hidrargon en la uzado. Ĝi ankaŭ etendiĝas multe pli regule. La plej riĉa devenfonto de tiu en la komerco ne ricevebla elemento estas la zinkblendo, kiu entenas maksimume 0,002 %. Por akiri 50 gramojn da tiu multekosta elemento necesas 4.000 kg da minaĵo. La germanito enhavas 0,5 % da galiumo, tiel ke izoliĝo de tiu-ĉi interesa metalo estas profitiga.

Ĝenerale oni tro malmulte atentas por tiuj tielnomataj maloftaj elementoj pro la alta kosto de ilia apartigo kaj prezento en pura stato. Kaŝiĝas ankoraŭ en tiuj elementoj tre valoraj kvalitoj neuzitaj kaj malatentitaj, kies studo estas tasko de la estonta kemio.

*Prilaboris G. Agricola.*

---

[1] G. Contenau, *La Civilisation phénicienne*, 396 p. Payot, Paris.

 SOCIA VIVO 

## Libereco de maroj

de LIANG ĈU-VAJ

Al miaj usonaj amikoj mi promesis verki artikolon pri libereco de maroj. Venis la horo plenumi tion. Unue kion signifas la esprimo?

Voĉdonante por konstruo de militŝipoj post akcepto de milit-rezigna kontrakto, senatanoj en Vaŝingtono intencis certigi « la liberecon de l'Oceano ». Ĝi estas malnova tezo.

Kiam Prezidanto Wilson eldiris siajn famajn dekkvar punktojn, unu estis ĝuste tiu « libereco de la maroj », kiun Brita Imperio malakceptis ankaŭ per siaj kunligitoj. Nu, je kio ĝi fine konsistas?

Prezidanto Wilson proponis, ke la maroj, ekster teritoriaj akvoj, estu liberaj ambaŭ dum paco kaj milito, escepte se ili estus fermitaj pro internacia decido por devigi al respekto de internacia kontrakto. Ĝi signifis ke neŭtralaj ŝipoj povu libere navigadi sen ia ajn haltigo aŭ vizito, escepte se la Ligo de Nacioj estus sankcie bojkotanta ŝtaton kulpan je subita almilito kontraŭ alia.

Kiam Kolonelo House, la sendito de Wilson, pledis por ke Eŭropaj potencoj konsentu je tiu punkto, S-ro Lloyd George, tiam brita ĉefministro, klarigis al li, ke la afero ne estas ebla kaj ke li ne povas ĝin perforte akceptigi al angla publika opinio. Tiam la Usonano antaŭdiris, ke iam liaj samlandanoj konstruos grandegan ŝiparon por devigi, ke tiu libereco estu ĉiuokaze certigata al amerika komerco sur maro. Nun la profetaĵo ekrealiĝas.

Intertempe la dogmo pri libereco de la maroj iom ŝanĝiĝis. Demandite en la Senato kiel li ĝin difinas, Senatano Borah, la prezidanto de la Komisiono pri eksteraj aferoj, respondis, ke ĝi signifas la rajton de l'neŭtraluloj komercadi per ŝipoj eĉ kun militantoj (escepte je municioj kaj kontrabando). Do eĉ armilojn la neŭtraluloj rajtus enporti al ambaŭ batalantoj. Ĉiu mencio pri « internacia bojkoto » estas for el tiu nova difino.

Kompreneble troviĝas Usonanoj por argumenti tute alie, ekzemple Senatano Capper, kiu proponas reveni al Wilson'a ideo. Estus strange, ili diras, ke ni solene kondamnis militon per la Kellogg-kontrakto kaj samtempe vendus armilojn al batalantaj ŝtatoj, do almenaŭ al unu, kiu rompis la kontrakton. Sekve Senatano Capper proponis rezolucion, laŭ kiu lia lando malpermesus vendon de armiloj al ŝtato, kiun Usono deklaras kulpa je rompo de la Paca Kontrakto. Tamen multaj ne ŝatas tiun rezolucion ĉar ili diras, ke ĝi estas rimedo por entiri Usonon en la Ligon de Nacioj kaj en Eŭropajn disputojn.

Ĉe l'alia flanko de l'Atlantiko la vidpunktoj estas ankaŭ atentindaj. Multaj Britoj kredas ke la tuta potenco de sia lando regas en tiu fakto, ke ĝia multnombra militŝiparo povas haltigi alies komercadon kun iu ajn kaj ke tiu minaco mem estas taŭga defendo por insula ŝtato. Aliaj Britoj rimarkigas, ke tiu spado havas du tranĉecojn. Jam dum la lasta milito, la submaraj ŝipoj de l'kontraŭbatalanto treege endanĝerigis la vivon de l'angla popolo, dum ĝi endanĝerigis per bojkoto alies vivon. Morgaŭ la bilanco povus esti ankoraŭ pli malfavora pro la progresoj de tekniko.

Hodiaŭ la lastaj submaraj ŝipoj estas multe pli efikaj ol la dum-militaj, jam malnovmodaj. Plie aerflugado progresis grandskale kaj el ĉielo kaj submaro la ŝipoj alportantaj nutradon al insula lando riskos multoble pli ol ili riskis antaŭ dek jaroj. Multaj Angloj sekve opinias, ke estus neeble por sia lando vivi — en kriza tempo — se la trafiko kun Usono estus endanĝerigita. Pro tio estus avantaĝo — kaj ne malavantaĝo — por Angloj se ekzistus libereco de maro protektata de Usono.

Tiel iras kaj reiras ideoj. Antaŭ kelkaj semajnoj aperis en *Manchester Guardian* tre grava letero, kie estas proponita bazo por ĉesigo de bedaŭrindaj malkomprenoj kaj arm-konkurado inter Usono kaj Britujo. Ĝi asertas ke la tuta konflikto povas solviĝi pace kun ambaŭflankaj cedoj, se oni revenus al la Wilsona ideo.

Unuflanke Britujo rezignus pretendon je ĉiuokaza kaj senkontrola regado de la maroj. Ĝi konsentus je la ĝenerala libereco de la maroj escepte en okazoj de komuna sankcio decidita de la konsilantaro de la nacioj.

Siaflanke Usono rezignus agi perforte kontraŭ tia komuna decido kaj konsentus mem limigi tiun liberecon de la maroj, se iu rompas la pacon, por ke ĝi ne troviĝu en konflikto kun anglaj ŝipoj, kiam tiuj aplikos internacian decidon.

La aŭtoro opinias, ke la tuta anglo-usona malfacilaĵo malaperus — almenaŭ la konkurado inter militŝipoj — se ambaŭ potencoj interkonsente farus tiujn cedojn. Por Anglujo, tio signifus, ke ĝia ŝiparo fakte ne plu rajtus agi laŭ propra plaĉo, sed nur kiel internacia polico sub kontrolo de Ligo de Nacioj. Por Usono ĝi signifus, ke ĝi gajnus liberiĝon el ĉiuj memdecidaj anglaj ŝipvizitoj ie ajn sur maro, sed estus devigata respekti — senproteste — la maran policon de la Ligo en okazo de rompo de la paco aŭ ĝin mem partopreni.

Nu, multaj Usonanoj kompreneble diras, ke tio estas tute la sama. Kion Eŭropa potenco ne plu rajtas fari mem, ĝi klopodos tamen sukcesigi per la Ligo, kie ĝi havas grandan povon. Aliaj respondas, ke neniu Eŭropa potenco sidas sola en la Ligo kaj ke neniu tia decido de ĝia konsilantaro estas ebla sen *unuanima* voĉdono de la kvin grandaj membroj — inkluzive Germanujo — kaj de la naŭ pli malgrandaj, inter kiuj nun sidas Kanado, Ĉilo, Venezuelo, Kubo, krom Persujo, Finnlando, Rumanujo, Hispanujo kaj Polujo. Cetere neniu malpermesas, ke Usono ankaŭ aliĝu kaj sidu. Tiam ĝi povus haltigi ĉiun decidon laŭvole. Sed tion la plejmulto en Usono ne favoras pro la konata malŝato enmiksiĝi en fremdaj disputoj.

Restas la demando pri Soveta Unio, alia grandpotenco ankaŭ ne ema aliĝi al la Ligo. Ĝi ankaŭ favoras la liberecon de la maro kaj subtenas la Usonan tezon kompreneble, kvankam ĝis nun ekzistas neniuj diplomataj rilatoj inter ambaŭ landoj. Estos tre interese vidi, ĉu ĝi estos baldaŭ menciata en la usonaj diskutoj pri la tuta afero. Ĉar tiu vasta regno subskribis kaj konfirmis la Kelloggan kontrakton, ĝia pozicio estas multrilate simila al tiu de Usono koncerne ĉiuj problemoj tuŝantaj la Ligon de Nacioj.

Estas memkompreneble, ke la ĉefa malfacilaĵo kuŝas tie: la eksteruloj malfidas decidojn fareblajn sen ili, kio estas tute natura, kaj ĉiu sistemo antaŭvidanta « sankciojn » malsukcesis pro tio ĝis nun.




## Vizito al Ĉokolad-fabriko " Klaus "

Antaŭ ol kune viziti tiun grandegan fabrikon, ni permesas al ni memorigi ke ĝi estas unu el la unuaj ĉokoladfabrikejoj kaj ke ĝi okupiĝas ne nur pri la fabrikado de ĉokoladoj, sed ankaŭ pri multaj specialaĵoj kaj sukeraĵoj alte ŝatataj.

Ni tuj diras ke ne estas malgranda afero fabriki plateton de ĉokolado. Kiel vi divenas oni devas unue ricevi kakaograjnon, kiun oni venigas de l'bordoj de Afriko, Haitio, Brazilo, k.t.p.

La grajno estas ŝutita en funelon kaj de tie-ĉi en alian maŝinon kie ĝi estas kribrita, senpolvigita, ventolita rostita kaj fine disigita en pecetoj kiuj falas unuflanke dume la malbona parto falas aliflanke.

Post la unua pistado, la kakao fariĝas dika kaj gluanta pasto kiun oni tuj rafinas. Sub hidraŭlika premilo metita, tiu maso produktas buteron kiu eniras la fabrikadon de la delikataj ĉokoladoj, dume la restaĵo de la kunpremita maso donas, post diversaj fazoj, la kakaon en solvebla pudro. Grandega knedtrogo senhalte miksigas la mason de ĉokolado pistita kun sukero, du substancoj kiuj de nun estos nedisigeblaj. La ĉokolodo poste eniras diversajn maŝinojn, malsamajn muelilojn, t.e. en variaj pistiloj kun cilindroj el granito aŭ ŝtalo, de kie ĝi eliras sub formo de fluida aŭ pasta ĉokolado, karameligita, kompletigita laŭvole per pastoj de aveloj aŭ aldono de lakto, laŭ la gustoj kaj koloroj.

Necesus multaj paĝoj por priskribi la laborejon de la maŝinoj, kie fariĝas ĉiuj tiuj operacioj, sed ni ne volas perdi el la okuloj nian plateton de ĉokolado. Jen, iom pli malproksime, ĝi jam foriras el la maŝino por homogenigi la pastojn, trapasante la kolosajn brogejojn, por poste eniri la laborejon kie ĝi estos metita en muldiloj, ĉu per la novaj, ĉu ankoraŭ per malnovaj sistemoj, t.e. mekanike aŭ mane.

Rulantaj trotuaroj sur la tabloj apud kiuj laboras senhalte kaj per ekipo daŭre ŝanĝanta la personaro, ĉiam kaj ĉiam alportas platojn de ĉokolado. Laboristino elprenas la platojn el muelŝtonoj; alia forviŝas la malpuraĵojn; alia, fine, ilin kolonigas kaj kunmetas sur rimenon kiu ilin aŭtomate transportos en alian laborejon. Kaj jen ni povas vidi nian plateton tute freŝan kaj brilan, nur atendante ĝian belan vestaĵon el stano kaj multkolora paperkoverto.

La plateto de ĉokolado estas envolvita en ĝia belega kovrilo nur post kiam ĝi estas kontrolita. Estas mirinda afero ĉeesti tiun rapidan transformadon per la lertaj tiradoj kaj delikataj zorgoj de la faldilo, envolvilo, kiuj funkcias mekanike per rimenoj venantaj al maŝino kie laboristino senlace atentas. Ĉiuj maŝinoj por envolvi la platoju, la molajn bombonojn, la karamelojn, la pastelojn, la fruktbombonojn, k.t.p. estas aŭtomatikaj maŝinoj kun precizeco kaj rapideco eksterordinara.

Post kiam ĝi estas envolvita kaj zorge markita pri la deveno kaj enhavo, kion oni indikas kun oraj literoj sur bela strekita papero, la plateto povas foriri al la ekspedloko. Oni ĝin metas en kestojn per lertaj laboristinoj, la kestoj estas fermitaj, kunmetitaj sur vagonoj kaj fine transportitaj ĝis la stacidomo, de kie ili estos senditaj ĉiudirekten, por la plezuro de multaj kiuj ŝatas frandaĵojn kaj ankaŭ agrablan nutraĵon. La infanoj, la junuloj, la gepatroj, ĉiuj ŝategas ĉokoladon ĝenerale, sed speciale ĉokoladon *Klaus*, rekonita senegala frandaĵo.

### *Kelkaj specialaĵoj.*

La ĉokoladplato, kvankam ĝi estas unu el la plej konsiderindaj produktaĵoj de la ĉokoladfabrikejo, kaj speciale de la fabrikejo *Klaus*, tamen ne postulas la tutan tempon de la personaro kaj maŝinaro.

Ĉiu entrepreno havas specialaĵojn fame konatajn. Tiuj de la firmo Klaus, jam de multaj jaroj tre konataj, konsistas el certa nombro de ĉefaj markoj kaj multnombra kvanto da akcesoroj.

Inter la ĉefaj, ni povas citi la molajn kremkaramelojn, tiom ŝatatajn de ĉiuj, la pastelojn por oratoroj, la « Cafards » Klaus (tre efikas kontraŭ afekcioj de spiraj organoj) la molajn bombonojn, ĉiujn diversajn avelĉokoladojn, fine ankaŭ la multnombrajn statuetojn kaj fantaziaĵojn kiuj plenigas la vitroŝrankojn de la magazenoj okaze de la festoj. Tiom da specialaĵoj, tiom da sukcesoj. Ĉiu el tiuj produktoj trovis aprobon pro speciala gusto. Nia artikolo certe ekscitos la deziron de multaj kiuj konservas fidelan memoron al la famekonataj ĉokoladoj, karameloj aŭ aliaj bombonoj *Klaus*.

Trad. J. D. PICHAT.



## NOTOJ



*La longeco de la usona fervojaro.* — La raporto pri la jaro 1926 de la usona fervojaro informas tre detale pri la plej gravaj trafikentreprenoj en Usono. En ĝi oni raportas pri ne malpli ol 1996 fervojentreprenoj, kompreneble de varia graveco. Al la unua kategorio apartenas 177 entreprenoj, apartenas al ili la kompanioj kun pli ol unu miliono da dolaroj de jara enspezo, kategorio 2 kaj 3 estas la kompanioj super aŭ sub 100.000 dolaroj da enspezo jara. La fervojaro usona ampleksas 401.112 km, el kiuj 284.812 apartenas al kategorio 1, 22.548 al kategorio 2, kaj 8.943 km al kategorio 3. La restantaj 84.809 km rilatas al kompanioj, kiuj mem ne ekspluatas la entreprenojn. Al tio oni devas kalkuli la fervojon en Alasko kun 1.272 km, apartenanta al la ŝtato kaj 413 km sur Havajo. En tiu-ĉi raporto, Usono estas dividata laŭ fervojgeografia vidpunkto, en tri gigantaj regionoj: la orienton, la sudon kaj la okcidenton. La oriento kondukas de Chicago al Peoria, Ill. East St. Louis kaj laŭlonge la Mississippi ĝis la enfluo de l'Ohio, kiu pli malproksime formas la sudan limon ĝis Parkersburg, West Virginia. Tiam ĝi sekvas rektan linion al la sudokcidenta parto en ŝtato Maryland. La sudo estas tiu parto de Usono, kiu troviĝas sude de la nun nomitaj lokoj kaj okcidente de l' Mississippi post la enfluo de l'Ohio. Ĉio kio estas okcidente de tiuj regionoj, escepte Alasko, formas la okcidenton. La sudoriento de Usono havas la plej densan fervojan reton, dume en la vastega okcidento la reto fervoja estas multe pli maldensa.

*Statistiko de la supraĵeco.* — Interesan ciferaron prezentis la Frankfurta Ĉefa poŝtoficejo. Tiu ĉi oficejo ricevas ĉiutage por ekspedi duonmilionon da korespondaĵoj. El ĝi la kvarono estas vera akuzo kontraŭ la publiko sin servanta de la poŝto. Nesufiĉaj, nekorektaj aŭ malnovaj adresoj malebligas entute alvenigi tiun altan nombron da sendaĵoj. Ĉirkaŭ 300-400 korespondaĵoj estas ĉiutage redonataj al la forsendinto pro videble nesufiĉa adreso. Ĉiutage alvenas 3-4.000 sendaĵoj kun malnoviĝintaj adresoj, ĉu pro foriro ĉu pro morto. Speciala oficejo — Revenaĵoj — okupiĝas pri la reserĉo. Ĝis dek oficistoj foliumas adresarojn telefone esploras ĉe la Urba oficejo pri loĝantaro, ĉe aŭtoritatoj ĉe konsulejoj, por trovi adresaton kaj kiam tiu fine ricevas korespondaĵon tiu-ĉi reserĉo kostis dekfoje pli ol pagis la sendinto por la afranka. Malgraŭ la modela organizo, ,oni ne povas trovi la adresojn de ĉirkaŭ 2.000 sendaĵoj potage. Centoj de tiaj poŝtaĵoj estas detruataj, ĉar ankaŭ la sendinto ne estas indikita.

# LITERATURO

## Radio-Koncerto

Originalo de Hrima.

Iun februaran matenon, la anoj de l'urbeto P*** legis sur la stratoj grandajn afiŝojn anoncantajn:

« Nur unu vesperon! Hodiaŭ vespere, en teatro Odeon, la ĉefurba inĝeniero Pokalovski demonstracios per sia radio-aparato « Forto ». Koncertoj aŭdotaj el Londono, Ĝenevo, Romo, Parizo, Istambulo kaj aliaj malproksimaj sendstacioj. Urbanoj! vizitu tiun ĉi unikan mirindaĵon de l' nuntempa tekniko! Komenco la okan horon. Nur unu vesperon! »

Tiuj ĉi alloge aranĝitaj vortoj ekscitis la kapojn de la urbetanoj. Tutan tagon ĉiuj priparolis la surprizaĵon; ĉiuj senpacience atendis la alvenon de l' nokto.

En la teatro, en kies scenejo oni instalis la ricevilon, jam de la mateno svarmis scivolema publiko. Iuj langklakis, ke tio estas majstre konstruita gramofono, aliuj asertis, ke tiu kesteto vere povas kapti kantojn kaj parolojn el la aero.

La vespero, kvankam vintra, estas varma. Sur la ĉielo vagas nenia nubo. Nur hele brilantaj steloj observas la mondon dormantan.

La inĝeniero Pokalovski estas bonhumora; ĝojigas lin la sennuba ĉielo. Klare li aŭskultos la alflugantajn ondojn; lerte lia seslampa ricevilo kaptos sonojn el la etero.

En la ĉirkaŭaĵo de l' teatro regas surdiga bruo. Ĉiuj urbanoj estas venintaj por vidi ĉi nekredeblaĵon. Jam delonge enirbiletoj forvendiĝis. Multaj dekoj da scivoluloj aĉetis enirbiletojn senseĝajn. Ĉiu, kiu sukcesis iel — kredeble favorato de la sorto — havigi al si bileton, estis netere feliĉigita.

La pordoj krakas — homamasoj premegas ilin. La inĝeniero Pokalovski ne scias kiel kvietigi la popolon. Li miregas sian grandan ŝancon. Ses policanoj kun eligitaj sabroj baras la vojon en la teatron.

En la salono regas senpacienco. Oftegaj manplaŭdoj invitas senceremonie al komenco. Fine, jen li, la feliĉa inĝeniero suriris la scenejon.

— Sinjoroj, li ekdiris frotante la manojn, ankoraŭ estas tre frue por komenci la oficialan programon. Duonan horon mi volas, ke vi ĝuu paroladojn de famaj personoj.

Li metis la kondensatoron de la radioaparato al ia grado por aŭskulti ian ajn paroladon.

« Estimindaj aŭskultantoj... » eksonis gramofonsimila voĉo en Esperanto.

— Ĉu inter vi, estimataj sinjoroj, estas iu Esperantisto? li demandis.

— Jes! Jes! sonis deko da voĉoj.

— Mi petas, unu el vi venu ĉi tien por interpreti.

Tuj antaŭ la publikon stariĝis malgrasa junulo kun timema mieno. Murmuro de nekontento trakuris la publikon, sidantan sur la unuaj vicoj.

« ...En Sovetio estas proksimume dudek mil Esperantistoj... » komunikas la aparato.

— Tio ĉi diras, li komencis rigardante la laŭtparolilon kun nekonfido, ke en Rusland estas unu miliono da Esperantistoj... « se mi diros, li pensis, tiom kiom diris la ricevilo, oni primokos kaj fajfforsendos min sur mian seĝon; bone ke diris tion... »

La ricevilo: « Venontan semajnon, Radio-Ĝenevo disaŭdigos Esperanto-paroladon de... »

La interpretisto. — La plej granda Esperantisto en la mondo faros Esperanto-paroladon venontan mardon, okan horon...

— Muziko! Ni ne volas aŭskulti la babiladojn de tiu ebria leporo! For la friponon! — kolere siblis kelkaj voĉoj.

— Sinjoroj! grave komencis la inĝeniero, la radio ne servas nur por amuzi nin. Ĝi estas...

— ...trompaĵo!... iu elhurlis.

— ...grava kultura faktoro. Ĝi servas por rapidege informi la mondon. Lastatempe oni certiĝis, ke...

— ...la radio estas gramofono!... denove mokvoĉo.

La vizaĝo de la inĝeniero ruĝiĝis pro la aroganteco de la publiko, sed la prudento superregis kaj li daŭrigis:

— ...la radio ludas gravegan rolon en la internacia vivo. Sinjoroj! mi petas, estu prudentaj. Por certigi vin, ke tio estas vera radioaparato,, — kaj alio ĝi ne povas esti — mi klarigos per kelkaj vortoj la misterojn de....

— gramofono!...

— ...mia radioaparato. Tio ĉi estas nomata, plikolere li daŭrigis, anteno. Ĝi kaptas la ondojn kaj kondukas ilin en la ricevilon. Antaŭe oni devas scii, ke la ondo dum unu sekundo ĉirkaŭkuras sesfoje la teron...

— He! Azena mensogo! He, sinjoro, ni ne paŝtas ŝafojn!..

— ...Nun aŭdante la sonojn eligantajn de la kesteto' — li montras la laŭtparolilon — vi devas scii, ke vi aŭdis la voĉon de l' kantistino de Pariza operteatro, antaŭ ol ĝin aŭdis la aŭskultantoj en la galerio de l' sama teatro. Sinjoroj, tiom potencaj estas....

.... la gramofonoj !

— Dio, Dio, preĝis la konsternita inĝeniero, helpu min forsaviĝi...

— Amiko! flustris el post la kuliso voĉo de konato. La vokito repaŝis postscenejon. Apenaŭ ne plorante li indignis:

— Malbenita estu via invito por koncerti en via urbo! Ĉu, kiel teatrestro, vi povas fari nenion?

— Kion mi povas, mia kara. Dum tia svarmado ekstere, nur la pasiuloj sukcesis havigi al si enirbiletojn kaj la prudentuloj restis ekstere!

— Fine la polico?

— La polico? Kion ĝi povas fari en tia tumulto?

— Mil diabloj! dolorĝemis la radiisto kaj reiris al sia aparato, kiu kvazaŭ instigis la publikon al batalo.

La publiko silentas antaŭ li. Strange. Li vidas lin rigardi milojn da okuloj. Inter tiuj miloj da flametoj, li vidas steletojn de mildaj cervoj, sed la aliaj — de leonoj kaj leopardoj — estas dekfoje plimultnombraj. Kantas la laŭtparolilo kaj li sentas obtuzan baton fortan de io, kion li unuamomente ne ekkonas. Li miras de k i e tia sono? Nun li komprenas — lia koro batas... Jes, lia koro batas. La laŭtparolilo kriegas. Ie, milojn da kilometroj for, mondkonata belulino kantas per voĉo raviga, dolĉa, kaj la sonoj de ŝia voĉo disverŝiĝas dormigante la malsatajn sovaĝajn bestojn — la publikon... Sed... ekmutis subite ŝia fleksema voĉo kaj la hipnotitaj korpoj de la sovaĝaj bestoj ekmoviĝis. Kun hirtaj haroj ili rigardas lin, la senpovan zebron.

Li metis la kondensatoron en alian gradon por trovi ion similan, sed... nenie... el nenie venis tia savilo... malesperiĝis li... » perdita jam mi estas » li diris al si. Subite:

« ...Super la tuta tero ekflirtos la Ruĝa standardo de l' Libero! » en lingvo konata de ĉiu, arde parolis « la gramofono ».

La inĝeniero plikonfuziĝis. Nun la gvidanto de la Nacidefenda Societo leviĝis, sin ŝovis inter la sidantojn, apogis la manon je la parapeto de la balkono kaj sin pretigis por paroli. Ĉiuj direktis la okulojn al li. Li diris kolerege:

— Tie ĉi ni ne aŭskultos la paroladojn de fanatika Soveta propagandisto!

— Sinjoroj, ekvibris la voĉo de l'kompatinda inĝeniero, mi tute nevole allasis ĉi frazon. Mi ofendiĝas pro tio, ke vi nomas min Soveta propagandisto. Mi mem estas ano de l' Naciula Asocio. Kaj mi pruvos al vi, ke mi estas...

— ...Sentaŭga azeno!

— prava kaj mi venĝos min!...

— Ha! Ha! kaj skatolo cigareda flugis sur la scenejon kaj trafis la frunton de la radiisto.

Li eksplodis en sia koro. Kia kolerego lin atakis! Li enmetis la manon en la poŝon por elpreni la revolveron kaj pafi, sed prudento — kiu ne mankis al li — subpremis tiun deziron.

— Ni punu la trompulon!

— Sinjoroj! Kiu ne volas aŭskulti mian muzikon, li forlasu la teatron!

— La monon redonu al ni!

— Mi kraĉas je via mono! Morgaŭ reprenu ĝin ĉe la giĉeto!

Pezaj objektoj ekflugis tra la aero. La muziko ekmutis. Hejtligno trafis laŭtparolilon kaj dispecigis ĝin. Bastonoj ekludis sur la dorson de la rigide staranta radiisto. En la salono estiĝis premeganta interpuŝiĝado. La amikoj de la radiisto komencis defendi lin. Seĝoj eksvingiĝis en la aero. Sur la scenejo aŭdiĝis la disrompado de la radiaĵoj. Sonis la insultanta voĉo de la inĝeniero. Batoj bastonaj senpolvigis lian dorson. Subite, la elektra lumo estingiĝis. Ekregis korva mallumo. Kvazaŭ reflektoroj de ŝipoj vagnaĝantaj dumnokte en ribelanta maro, ekludis en la mallumo teatra radioj de poŝlumigiloj. La inĝenieron forlasis toleremo kaj prudento. Kiel pilkojn li ekĵetis siajn kontraŭulojn sur la parteron. Sed ĉiam, ĉiam novaj fortoj enscenejiĝis el ĉiuj flankoj, kaj li ne povis sin defendi bone.

— Rompu la kapon de tiu korvo kun kravato! ordona voĉo hurlis.

— Eksteren! Eksteren! puŝis la policanoj la interluktantan amason.

Rompiĝado de fenestroj aŭdiĝis. Homoj surgrimpis ilin kaj rapide saltis sur la straton.

— Panjo! ĝemis piedpremata infano.

— Oni mortigis min! ĝemis en angulo virino ia.

— Ole! oni frakasis min!... sanganta buŝo bestkriis.

Ne sufiĉis tio; la polico-esperante ke pafoj fortimigos la ribelantojn ekpafis. Kaj jen tio havis efikon. Post ne pli ol dek minuta plua interbatado, la salono senhomiĝis. Sur la partero ĝemis, kovritaj de seĝpecoj, virinoj kaj infanoj vunditaj.

La saman nokton, forlasinte la dispecigitan radioaparaton, la kompatinda radiisto, kun membroj kaj kapo doloreganta provundoj, forlasis la urbon per aŭtomobilo.

Tiel oni akceptis la unuan Radio-koncerton en nia urbo.



**La nuna numero estas 32 paĝa.**
**Kun ĝi estas sendataj :**
**Prospekto pri « Plena Vortaro de Esperanto »**
**Gvidfolio de urbo Brighton.**
**Pro striko en la presejo la presado de la nuna numero prokrastiĝis.**

## Majstro kaj Disĉiplo

### Komparo de tradukoj.

Estas instruplena la komparo inter la samtekstaj tradukoj de nia majstro kaj de liaj disĉiploj. Sube ni donas partojn de la du tekstoj: Liga Kanto, tradukita de Zamenhof (Fund. Krest. 1903) kaj de L. E. Meier (Esp.-ista Kantaro 1907), kaj la Libro Ruth, tradukita de E. Neumark (1893) kaj de Zamenhof (1916).

*Fratoj, manon donu ĥore*
*Kaj senzorge, sendolore*
*Belan horon festu ni!*
*Ĉion teran forĵetante,*
*Daŭru forte ĥaj ĥonstante*
*Nia bela harmoni'!*

*Al la Dio ĥantu gloron:*
*La spiriton ĥaj la ĥoron*
*Kial donis la ĉiel'?*
*Serĉi lumon per vereco*
*Serĉi virton per justeco*
*Estu nia sanĥta cel'!*

*Homoj en la oriento,*
*Homoj en la oĥcidento,*
*En la sud' ĥaj en la nord'!*
*Alte teni homan nomon,*
*Kore ami ĉiun homon*
*Estu nia liga vort'!*

(Zamenhof)

*Fratoj de la sama ĥoro,*
*Jena amiĥeca horo*
*Gvidu al ĉielo nin!*
*Flugu for teraĵa io,*
*La amiĥa harmonio*
*Estu daŭra laŭ destin'!*

*Laŭdu la Neĥompreniton,*
*Kiu ĥoron ĥaj spiriton*
*Kreis por eterna bel'!*
*Per de l' vero armilaro*
*Estu nia sanĥta faro*
*Por la rajta virta cel'!*

*Homoj de la tuta tero,*
*Batalantoj por la vero,*
*Justo ĥontraŭ iu sort':*
*Kun, homama disrevado,*
*Agi virton dum vivado,*
*Estu nia signalvort'!*

(Trad. M.) (Meier)

### RUTH

En la tempo, kiam regis la juĝistoj, iam malsato okazis en la lando; kaj foriris viro en Bet-Leĥem en Judujo, por pasloĝi en la lando de Moab; li kaj lia edzino kaj liaj du filoj. La nomo de la viro estis Elimeleĥ, kaj la nomo de lia edzino estis Naomi, kaj la nomoj de liaj du filoj estis Maĥlon kaj Kiljon, Efratanoj el Bet-Leĥem en Judujo. Kaj ili venis sur la kampojn de Moab kaj restis tie. Elimeleĥ, la edzo de Naomi, mortis: kaj restis ŝi kun siaj du filoj. Ambaŭ edziĝis kun Moabidinoj ; la nomo de unu estis Orpa, kaj la nomo de la dua estis Rut: kaj ili loĝis tie ĉirkaŭ dek jaroj. ...Sed de la antikva tempo ekzistis kutimo en Izrael, pri elaĉetado kaj ŝanĝado, por firmigi ĉion: oni detiras sian ŝuon kaj donas ĝin al sia proksimulo: kaj tio estas la atesto en Izrael.

(Zamenhof)

### RUTH

En la tagoj, kiam juĝis la juĝistoj, estis malsato en la lando, kaj el Betleĥem Jehuda foriris homo, por loĝi en kampoj de Moab, li, la edzino kaj liaj du filoj. La nomo de l'homo Elimeleĥ — de lia edzino, Naomi, kaj la nomoj de liaj du filoj — Maĥh lon kaj Kiljon, Efrashanoj de Betleĥem Jehuda, kaj ili venis kampojn Moabajn kaj estis tie. Kaj Elimeleĥ, edzo de Naomi, mortis, kaj restis ŝi kaj ŝiaj du fi loj. Kaj ili edziĝis kun virinoj moabinoj, la nomo de l'unu Arpa, kaj de l'dua Ruth, kaj ili loĝis tie ĉirkaŭ dek jarojn... En antikveco tiu ĉi moro ekzistis ĉe Israel: ĉe l'aĉetado kaj ŝanĝado, por konfirmi ĉiun aferon, demetis homo sian ŝuon kaj ĝin donis al la dua, kaj tio estis la atesteco ĉe Israel.

(Neumark)

# Tra la Libraro

*« Osnovy jazykoznanija, teorii i istorii mezhdunarodnogo jazyka »* de E. Drezen estas skizo de ĝenerala kaj mondlingva lingvistiko, destinita por esperantaj rondetoj en Ruslando. La verketo resumas pli vastajn verkojn de la aŭtoro: « V poiskax vseobŝcego jazyka » kaj « Za vseobŝcim jazykom » (recenzita Marto 1928). Per tiuj eldonoj la rusa aŭtoro inaŭguras serion kiu alportas ion tute novan en nian movadon. Antaŭ la milito fiksiĝis la tradicio nutri nian publikon per unuformaj entuziasmaj broŝuroj, kiuj laŭdegas kvalitojn de nia perfekta lingvo, flamigas fervoron de la adeptoj, ripetante belajn frazojn pri la verda stelo, nia standardo, fideleco al la majstro, netuŝebleco. Post la milito, la naciaj mondlingvaj verkoj, destinitaj al esperantistoj, sekvis la malnovan tradicion. Iufoje aldoniĝis respondoj al kritiko, atakoj kontraŭ idistoj kaj aliaj « malamikoj ». Nu, tiu polva kaj multfoje ŝima spirita nutraĵo ŝajnas nesufiĉa al la aŭtoro por nutri niajn samideanojn. Li do rompas kun la tradicio, kaj verŝas freŝan materialon, pli dignan ol la dolĉetaj ripetaĵoj verdstelulaj. Almenaŭ la leganto trovas multajn resumojn de filologiaj kaj lingvistaj studoj, sendependaj de nia movado. Tiel restariĝas kontakto inter la vivo kaj nia movado, tro longe kulturita sub vitrokloŝo, kiel ekzotika planto. En la sama eldonejo aperis resumo de la *« jafetida lingvoteorio » de Marr*, prezentita de A.P. Andreev. Kaŭkazano Marr, ano de Sovetia Akademio, jam antaŭ 40 jaroj komencis siajn lingvajn studojn, unue pri la kartvela, kiun la tiama lingvistiko ne povis klasigi. Fiasko de la oficiala lingvistiko antaŭ la kartvela lingvo pensigis junan studenton ke eble ĝenerale la lingvistiko sekvas eraran vojon, malgraŭ sia dogma aŭtoritata aspekto. Tio liberigis la spiriton de Marr de iu ajn tradicia respekto kaj sklaveco rilate la oficialan sciencon. Iom post iom li amasigis novan materialon, regrupigis malnovajn faktojn, formetis absolutismon de la lingvistiko, ĝian skolastan tradicion, enkondukis la spiriton de precizaj sciencoj, kiuj evoluas per utilaj laborhipotezoj kaj objektivaj fakt-komparoj. Fine, sub la manoj de Marr kristaliĝas tuta scienco, nova lingvistiko, kiun li nomis « jafetida », laŭ la legenda filo de Noah, lasta el tri: Ŝem, Ĥam, Jafet. Tiu nomo venis de la « jafetida » lingvogrupo kiu permesis al li fari gravajn eltrovojn pri la deveno kaj evoluo de praa lingvo. En la jafetida grupo estas: armena, baska, kartvela, gruzena, pamira, ĉuvaŝa, etruska, ibera, svana, mingrela, k.t.p. Ni do povas envii ruslingvajn esperantistojn kiuj nun posedas freŝajn lingvostudojn, kiuj ĝuste mankas en nia okcidenta mondo kaj en esperanto. *« Lerna Esperanta Krestomatio »* de Ŝabarin estos plezure akceptita ĉe sovetaj esperantistoj, tro longe nutritaj nur per komunista legmaterialo. En tiu legolibreto, kun ruslingvaj klarigaj notoj, oni trovas variajn artikolojn, nur parte spegulantajn la sovetan tendencon. Popularaj sciencaj tekstoj en la legolibreto estos novaĵo, kiun ankoraŭ ne kuraĝas enkonduki niaj tradiciuloj en Okcidento.

*V. N. Engelhardt* en sia verko « Kak Prepodavatj Esperanto » prezentas unuan provon de instrua metodiko de nia lingvo. La libreto traktas aparte infanan kurson, elementan kurson kaj superan kurson. La aŭtoro bazas sur la natura (rekta) metodo de la lingva instruo, citante naciajn verkojn de Sweet, Godart, Walter, Gouin, Mertner, Ganŝina, Spendiarov, Berlitz. *V. Varankin* donas al ni gravan studon « Teorio de Esperanto » (helpilo por superaj kursoj). Tiu verko tiom diferencas de la samcelaj verkoj de Dreher kaj Stamatiadis, ke ni rajtas konsideri la tri librojn kiel tri diversajn provojn de « supera kurso ». Oni ankoraŭ vagas ĉirkaŭ la vera gramatiko de Esperanto. Post De Beaufront, Couturat, Antido (De Saussure), Panel, Ĉefeĉ, Fruictier venis Wüster, Minor, Lippmann, Christaller, Behrendt, Aymonier, Stojan, k.a. kiuj alportis ĉiu sian vidjunkton, sian manieron trakti la gramatikon de Esperanto. Post ili nun aperas la verko de Varankin, kiu ne pretendas doni ion novan, originalan, sed nur resumi, kunigi la studojn antaŭe faritajn. Bonega intenco, bedaŭrinde ne tute plenumita, ni ne scias kial: pro la idea izoleco de nuna Ruslando, aŭ pro la intenca ignorado, kiun montras la verkinto rilate kelkajn lingvostudintojn. La aŭtoro profitis kaj citis la verkojn de Zamenhof, De Saussure, de Meazzini, Mair, Krjukov, Austerlitz,... sed li tute ne mencias la lingvajn studojn de Wüster, Lippmann, Minor, Aymonier, Behrendt, Christaller, Stojan, kiuj tamen aperis en la gazetoj bone konataj al la aŭtoro. Kaj oni ne povas nun serioze paroli pri la teorio de Esperanto, ne konsiderante la principojn de nia lingvo, kiujn starigis (vere, ĉiu laŭ sia maniero) la suprenomitaj aŭtoroj. Oni povas akcepti aŭ rifuzi tiun principojn, sed oni ne povas ilin prisilenti, kiel faras S-ro Varankin, kiu cetere tre atentas malpli gravajn lingvostudintojn, kiaj ja estas : Meazzini, Maraury, Austerlitz, Krjukov, kiuj tuŝis nur kelkajn detalojn de nia gramatiko, neniel konsiderante Esperanton en ĝia tuteco, neniam serĉinte la ĝeneralajn principojn de nia lingvo. Malgraŭ tiu grava manko la verko de Varankin estas tamen paŝo antaŭen, kompare kun la similaj verkoj de Dreher kaj Stamatiadis, kaj ĉiu lingvostudanto certe akiros la libreton, verkitan nur en Esperanto, klare dividitan, ne tro ŝarĝitan je frazaj ekzemploj. En la paragrafo pri la hind-eŭropa familio la aŭtoro permesas al si la riskan aserton ke la frigia kaj la trakia (ni preferas: friga kaj traka) lingvoj apartenas al la armena branĉo. Ni ne scias el kiu fonto la aŭtoro prenis tiun aserton, sed ĝia erareco saltas en okulojn jam pro tio ke li klasigas antikvajn lingvojn kiel subdividojn de la nunaj. Oni kutimas fari male, ĉar nunaj lingvoj ne povas esti konsiderataj kiel prapatroj de la antikvaj. Cetere, la scienco preskaŭ nenion certan scias pri la friga kaj traka lingvoj, krom maloftaj ŝtonaj surskriboj. En la paragrafo 46 la aŭtoro asertas ke Esperanto estas « ideala sintetika lingvo ». El postaj frazoj klariĝas ke la vorton « sintetika » la aŭtoro uzis en la senco « sintaksa ». Efektive, sintetikaj (sintezaj) lingvoj estas ĝuste tiuj kiuj ne similas al la nia per sia strukturo, ekz. la slava kiu per unu vorto « berete » diras tion kion Esperanto esprimas analitike (analize) : vi prenas, « lesom » tra arbaro, « tebe » al ci, k.t.p. Do, nia lingvo estas analitika (analiza) lingvo, ne sintetika. En la paragrafo 51 la aŭtoro limigas la sufikson — ul — nur al personoj (homoj), ignorante ĝian uzon pri bestoj (mamulo, kvarpieduloj), plantoj kaj objektoj (trimastulo = trimasta ŝipo). En la paragrafo 66 ni legas pri « ogmentativa » kaj « diminutiva » sufiksoj — eg —, — et —, kvazaŭ nia lingvo ne kapablas esprimi la samajn ideojn per simplaj: grandiga, malgrandiga.

P. St.

*Poŝtkartoj de D-ro Zamenhof kaj S-ro. Ĉe.*

Du belajn poŝtkartojn kun la portretoj de nia Majstro D-ro Zamenhof kaj nia senlaca propagandisto S-ro Andreo Ĉe estas eldonitaj en Svedujo de Eldona Societo Esperanto, adreso Poŝta fako 698, Stockholm, 1. La kartojn certe ŝatos la esperantistaro tutmonda. En Svedujo granda kvanto jam vendiĝis. La prezo estas po 1,5 svisaj frankoj aŭ egalvaloro por dek pecoj. La profito estas uzota por la propagando de S-ro Ĉe en Svedujo.

*Novaj ŝlosiloj svedaj.*

La sepa eldono de la Ŝlosilo de Esperanto aperis ĉe Eldona Societo Esperanto, Stockholm (adreso Poŝta fako 698) Ĝi estas eldonita sub la aŭspicioj de ICK. Kun tiu eldono estas presitaj entute 80,000 ŝlosiloj en la sveda lingvo, granda

kvanto por ne pli granda lando. La prezo estas 0,10 sved. kr. Kontraŭ ensendo de 30 centima UEA-kupono estas sendotaj afranke 2 ekz. de la ŝlosilo.

*Jarlibro de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista* 1928. — 15 × 11 cm. 114 + 14 p. Ricevebla ĉe P.A. Schendeler, Prins Hendrikstraat 30e, Eindhoven, Nederlando.

La katolika esp. movado iom post iom regajnas la saman staton kiun ĝi havis antaŭ la milito. Apud la regule aperanta *Espero Katolika*, kun variaj artikoloj legindaj ankaŭ por nekatolika esperantisto pro bona elekto kaj lingvo estas la Jarlibro kiu entenas konkretajn indikojn pri la esp. movado inter katolikoj. El la antaŭparolo ni vidas ke IKUE havis en 1924, 542 anojn ĉe fino de 1927 1.231 anojn. Historia rerigardo pri la fondo de la katolika revuo, kaj plena adresaro de la membraro ordigita laŭ landoj kompletigas tiun utilan libron.

---

## Novaj Libroj

*Andreev A.P.* — Revolucija Jazykoznanija, jafetiĉeskaja teorija akademika N. Marra. 1929. Moskva. Izdanie CK-SESR. Cena 20 kop. IV-40 p. 17 × 12.

*Drezen E.* — Osnovy Jazykoznanija, teorii i istorii mezhdunarodnogo jazyka. 1929. Izdanie CK-SESR. Cena 70 kop. 136 p. (sama verketo broŝurita en 3 partoj) po 40, 42 kaj 49 p. Prezoj: 20,20,25 kop. (sama eldonejo), 17 × 12.

*Rublev S.* — Kruzhok Esperanto, praktiĉeskoe posobie dla gruppovyx zaniatij. 3-e eld. 1929. Moskva. Izdanie CK-SESR. Cena 50 kop. 60 p. 26 × 17.

*Ŝabarin S.* — Lerna Esperanta Krestomatio. 1928. Moskva. Eldono de CK-SEU. 72 p. 17 × 13.

*Stalin J.* — Pri Lenin. Trad. Tilin. 1929. Moskva. Eldono de CK-SEU. 24 p. 15 × 11.
*Esperanto-Kalendaro* de SEU 1929. Moskva. 26 × 22.

*Svistunov V.* — Elementy Esperanto. 3-a eldono. 1929. Moskva. Izdanie CK-SESR. 96 p. 18 × 13.

15 *mur-afiŝoj* por instruo de Esperanto. afiksoj, korelativaj vortoj, prepozicioj, kun bildoj. Propagandaj tekstoj por kursanoncado.

*V. N. Engelhardt.* — Kak Prepodavatj Esperanto. 1929. Moskva. Izdanie CK-SESR. 90 p. 17 × 13. Prezo: 50 kop.

*V. Varankin.* — Teorio de Esperanto, helpilo por superaj kursoj. 1929. Moskva. Eldono de CK-SEU. 72 p. 23 × 15. Prezo: 1 r. 25 k.

---

## Limoj de l'homaro

DE GOETHE.

*Se la praega*
*Sankta la patro*
*El nuboj rulsonaj*
*Sendas fulmbenojn*
*Super la teron,*
*Mi de l'vestaĵo*
*Lia la randon*
*Kisas timeme*
*Fidon en brusto.*

*Se li kun ostoj,*
*Firmaj, fortikaj*
*Staras sur tero*
*Daŭre fondita,*
*Li ne kapablas*
*Eĉ sin kompari*
*Nek kun la kverko*
*Nek kun la vito.*

*Ĉar kun dioj*
*Sin ne komparu*
*Homa estaĵ!*
*Supren iĝante.*
*Se lia verto*
*Tuŝas la stelojn*
*Tiam nenie*
*Plandoj malcertaj*
*Povas sin kroĉi*
*Kaj kun li ludas*
*Nuboj kaj ventoj.*

*Kio distingas*
*Diojn de l'homoj?*
*Ke antaŭ tiuj*
*Migras ondaro*
*Eterna torent':*
*Ondo nin levas*
*Ond' nin englutas*
*Ni alfundiĝas.*

*Rondo malvasta*
*Vivon limigas*
*Nian kaj multaj*
*Generacioj*
*Daŭre viciĝas*
*Al ĉeno senfina*
*De la ekzisto.*

(Esp. A. Taussig, Vieno.)

---

## Majo

DE RAYMOND SCHWARTZ

*Man' en mano ili iras*
*Tra l' dimanĉo plu kaj plu,*
*Ili miras kaj admiras...*
*Kion?... Kiun?... Nur sin du!*
*Majo, majo, majmonato:*
*Amatino kun amato!*

*Kial feste sin ornamas*
*La natur' kaj vokas nin?*
*Homoj, kiuj ĵus ekamas*
*Tute ne rimarkas ĝin.*
*Mond' pereu, — Estu venko,*
*... Ili sidas sur la benko!*

*Ili flustras kaj susuras*
*Kvazaŭ temus pri mister',*
*Ili ĵuras kiel ĵuras*
*Nur herooj dum danĝer':*
*« Tie ĉi... aŭ aliloke...*
*Ni nin amos reciproke! »*

*Frua amo estas trompa,*
*Trompa estis la knabin',*
*Post paŭzeto interrompa*
*Li tutsola trovas sin*
*Kaj konkludas: « For malgajo!*
*Tru-la-la!... Nun estas majo! »*

---

## Ĉe rando de vojo

De H. HEINE.

*Ĉe rando de vojo troviĝas*
*Tombejo de sinmortigintoj;*
*Surkreskas ĝin blua floreto,*
*La flor' de l' mizeraj pekintoj.*
*Ĉe rando de vojo mi staris*
*Kun ĝemo en nokta silento —*
*En brilo de luno moviĝis*
*La flor' de l' pekintoj en vento.*

Trad. F. Döring.

# LINGVAJ STUDOJ

## La forto de l' kutimo

Tiu temo meritas senpartian traktadon. Ne ĉio estis malbona en la tendenco de tiuj samideanoj, kiuj konstante insistis pri lingva disciplino kun vera pasio. Se ni malkonsentas pri la metodo, ni ŝatas la celon, kiu estas lingva unueco kaj sekureco.

Estas konata fakto, ke nia lingvo progresis dum ĉiu periodo, kiam la esperantistoj forlasis teoriajn lingvajn diskutojn kaj uzis sian energion por ĝin disvastigi anstataŭ serĉi « plibonigojn » aŭ « reformojn ».

En 1893 dum la fama epoko de la « Ligo », en 1907 kiam aperis Ido, oni perdis tempon, monon, klopodojn tute vane. Ĉu rekomenci nun ĉar Ido malaperas kaj estas anstataŭata de du aŭ tri novaj sistemoj? Koran dankon. Kontraŭe Esperanto havas bonan okazon forte antaŭenpuŝi sian movadon sur la liberan kampon de l' praktiko. Ni kredas, ke la esperantistaro tion klare komprenas hodiaŭ kaj tial la popolo malsukcesigas mem la provojn de teoriuloj.

Sed pli frue, kiam la lingvo estis malpli forta, la danĝero estis pli granda kaj pro tio stariĝis memvolaj paŝtistoj por gardi la ŝafaron kaj organizi severan avertadon kaj bojkotadon kontraŭ ĉiu devojiĝo.

Tiu lingva « Teruro » certe havis sian efikon en antaŭaj periodoj de la historio de Esperanto. Ĉar la lingvo estis ankoraŭ nova, eble ĝi anstataŭis tiun konservativan fortecon de la kutimo, kiu garantias al aliaj lingvoj la necesan daŭrecon. Ĉiuokaze la severa zorgado de komuna baze netuŝebla, la *Fundamento* estis bona kaj utila afero.

Sed, kiel ĉiu rimedo iom artefarita, tiu lingva « Teruro » ankaŭ havis siajn malavantaĝojn. Se ne ĉio estis malbona en tiu defenda pasio, ankaŭ ne ĉio estis bona. Tion opiniis Hector Hodler, kiam li fondis UEA por akceli la uzon de la lingvo. Laŭ li, plej certaj defendiloj estas la naturaj. Ĉe lingvo la potenco de l'uzo kaj kutimo valoras pli ol ĉiuj malpermesoj. Tion opiniis ankaŭ D-ro Zamenhof, kiu konsentis je definitiva fikso de la *Fundamento* nur kondiĉe, ke ĝi neniel baru la vojon al la vivo kaj evoluo de la lingvo, kuranta sur solidaj reloj.

La lingva « Teruro » estas ilo negativa, kiel falĉilo. Ĝi utilas kiam ĝi tranĉas la kapon al eraroj, fantaziaĵoj aŭ troaĵoj. Ĝi utilas kontraŭ eksteraj intervenoj. Sed ĝi malutilas, kiam ĝi haltigas la vivon aŭ enmetas kvazaŭ politikan pasion en pure lingvajn fenomenojn. Ĝi estas dutranĉa instrumento. La plej bona, kio povas okazi estas, ke la vivo kaj kutimo atingas tian gradon de forteco, ke oni tute ne plu bezonas tian spadon por gardi la enkorpigitan *Fundamenton*, jam absolute ne-elradikigeblan.

Lingvoj ne evoluas pro teorio aŭ fantazio, sed pro esprimaj bezonoj. Tute same okazas nun ĉe Esperanto. Facile estus trovi ekzemplojn. Ĉu ni prenos la landnomojn? Nepre ne. Mi estas ja tro kontenta ke UEA cedis pro pacemo en flanka afero, kiu komplikiĝis ĉefe ĉar, jam antaŭ la milito, D-ro Zamenhof kaj Akademio ŝanĝis plurfoje siajn vidpunktojn pri la plej taŭgaj formoj.

Ni prenu prefere uzon de la prepozicio per anstataŭ de. Ĝi estas eraro, deklaras ni severe. Bone, sed, anstataŭ koleri, ni esploru la bezonon de la lingvo kaj ne indignu antaŭ ol ni ĝin komprenos ĉe la uzo. Jen Urbestro malfermas kongreson. La kongreso estas do malfermata de la Urbestro. Kiel presigi la aferon sur la programon? « Malfermo de la kongreso de la Urbestro ». Ĉu vi proponas tiun frazaĉon ? Ne ! La urĝigita loka komitato enpresis « Malfermo de la kongreso per la Urbestro. Oficiale malkorekta estas la frazo, sed fakte pli klara ol la korekta. Volonte mi skribus tie deper, simile kiel depost, sed se neniu imitos, tiu formo estos mortnaskita laŭ la konata lingva leĝo.

Kio okazas se vi kondamnas kaj persekutas naturan respondon al efektiva bezono? Tiam la homoj rigardas eksteren kaj unu belan tagon proponas al vi iun freŝe pentritan novan prepozicion di, kiun neniu kapablos uzi korekte kaj kiu sanĝus la tutan fizionomion de la lingvo. Estu trankvila, ĝi estus tuj forvomita. Sed ĉar la bezono restas, la nekorekta uzo de per havas multajn ŝancojn daŭradi, plimultiĝadi kaj klasikiĝi spite persekutoj kaj malaproboj. La bezono regas plej aŭtoritate.

La malfacilo dilemo estas pri la Akademio. Unuflanke ĝi rajtas nenion oficialigi ĝis la uzo jam fakte faris tion per ĝeneraligo. Se oni kondamnus aliflanke ĉion, kion ĝi ne jam oficialigis, tiam oni senigus ĝin je ĉiu ajn oficialigebla materialo. Rezultate la lingvo ŝtoniĝus aŭ pliverŝajne ĝi evoluus tute trankvile ekster akademia influo.

Rigardu la postmilitan lingvon. Svarmas en la verda arbaro ĉiuspecaj fungoj kiel sufikso *enda*, uzo de *ĉi* kiel artikolo montra, vortkombinoj kiel *scipovi* kaj cent pliaj kreskaĵoj, kiuj baraktas por ekzisti. La bezono jam decidos, ĉu ili vivos aŭ formortos eĉ sen la martira krono.

Nia lingvo havas sanan instinkton kaj kutime vomas mem ĉion ne taŭgan. La plej solida disciplino bazas sur la natura kutimo. Pro tio Hodler tiom insistis pri uzado de la lingvo por gardi kaj pliigi ĝian unuecon.

Edm. PRIVAT.

---

## Pri kelkaj juraj esprimoj

de Alf. HAGELER, Drammen, Norv.

Kiel la nacilingvaj vortaroj, ankaŭ la ordinaraj esperantaj vortaroj malenhavas sciencan terminaron, kio lasiĝis al la koncernaj specialaj verkoj. Tamen kelkaj esprimoj de scienca valoro ankaŭ troviĝas en la nomitaj vortaroj kiel bezonaj ankaŭ en la ĉiutaga vivo. Kio koncernas la juran fakon, mi konstatis ke multaj esprimoj de mi trovitaj en germanaj kaj francaj vortaroj esp. estas parte tute eraraj aŭ ili almenaŭ mankas la necesan koncizecon, kaj pri tio mi iom parolas en la sekvantaj linioj, kaptante samtempe la okazon proponi la novajn radikojn propri-, gaĝ-, pign-, kaj re-, kiujn mi sube klarigos.

Laŭjure *Besitz* (latine possessio, france kaj angle possession) estas ia *fakta* rilato al reo, al kiu rilato la juro donas certan juran protektadon. La koncerna esperanta esprimo estas *posedo*, kiu signifas la juran instituton (percepton). De tiu-ĉi termino deveniĝas posedaĵo (t.e. la posedita reo), la verboj posedi kaj elposedigi kaj la substantivo posedanto. Tiu-ĉi posedo ne devas esti intermiksita kun *Eigentum* (propriété, property, latine proprietas), kiu estas jura rilato inter persono (societo, institucio) kaj reo. Por tiu-ĉi percepto ne ekzistas taŭga esprimo en Esperanto. La vortaroj tradukas ĝin per posedo, posedaĵo kaj propraĵo, sed tio estas tute erare. Posed (aĵ) o signifas, kiel mi jam klarigis Besitz, kaj propraĵo (konkreta) kaj propreco (abstrakta) signifas Eigentümlichkeit — particularité, t.e. aparta karaktera trajto. Estas do necese krei novan radikon, kaj la elekto ne estas malfacila. Ĝi devas esti *propri-* devenigita el *proprietas*. Tiel oni havas la jenajn novajn vortojn : proprio, propriaĵo proprii, elpropriigi kaj proprianto. La regula rilato kompreneble estas, ke la proprianto ankaŭ estas posedanto de la reo, sed li klare ne perdis sian proprian rajton per tio, ke li perdis la posedon de la koncerna reo. Aliflanke la ŝtelisto per sia

ekkapto de la reo ne fariĝis ties proprianto, kvankam li sendube almenaŭ provizore posedas la reon. Ankaŭ la luanto de la reo estas ĝia posedanto, sed la reo nature ne apartenas al li.

La jura esprimo res (Sache, chose, thing) tradukiĝas per *objekto*, sed tio estas erara. La germanaj juristoj ekzemple demandas: Welche Sachen können Gegenstände des Eigentumsrechts sein? (Quelles choses peuvent-elles être considérées comme objets acquis de droit à la propriété?) kaj en Esperanto ni devas traduki tiun-ĉi frazon tiel: Kiuj objektoj povas esti objektoj de proprio? Ni do bezonas novan terminon kun sama signifo kiel res (Sache), kaj ni elektos inter la formoj *reo, reso* kaj *rero* (res, rem, re, rerum). Mi preferus la unuan, kaj opinias, ke oni ne devas timi konfuzigan intermiksadon kun alia vorto latina, kiu signifas akuzito, kulpigito, sed kiu estas nek uzata nek uzinda en Esperanto.

Por esprimi en Esperanto la rilatojn, kiu koncernas Pfand, gage mort, dead pledge, Hypothek, nantissement, k.t.p., bezoniĝas tri esprimoj, nome unu neŭtrala ĉefvorto *gaĝo* kaj du aliaj — unu por Pfand kun posedo (Faustpfand), *pigno* (pignus kiu devenas de pugno, Faust) kaj alia por Pfand sen posedo (enregistrita hipoteko). Hipoteko estas jam en la vortaroj, sed la du aliaj gaĝo kaj pigno mankas[2], same kiel iliaj devenitaĵoj, gaĝaĵo, pignaĵo, gaĝanto = gaĝdonanto, pignanto (= pigno donanto), gaĝi = g. doni, pigni = p. doni, gaĝpreni, pignopreni, gaĝaj kaj pignaj kreditoroj kaj debitoroj. La korespondaj devenitaĵoj de hipoteko ekzistas jam.

Unurilate la esperanta terminologio jam nun estas pli riĉa ol la nacilingvaj, ĉar ĝi havas du vortojn *juro* kaj *rajto* por la dusencaj ius, droit, right, Recht, k.t.p. Juro havas objektivan sencon kaj signas la laŭleĝajn kaj laŭkutimajn normojn, kiuj celas reguligi la socian vivon kaj la interrilatojn de la nacioj, dum rajto signifas la laŭjuran kompententecon de l'izoluloj agi mem kaj malpermesi alies agon iarilate je la reo. Ekzemple la proprianto havas laŭ la propria juro proprian rajton al la reo, kaj la propria juro pritaktas en ĉapitro superskribita « Proprio » la amplekson de la propriaj rajtoj.

Mi esperas, ke mi per tiu-ĉi artikolo iniciatos diskuton de kompententuloj pri la nomitaj juraj fakterminoj.

*Respondo.* — Afable dankante al S-ro Hageler ke li metis al diskutado kelkajn esprimojn same necesajn por la scienco kiel por la ĉiutaga vivo de la aferistoj, ni permesas al ni tuj diri nian opinion. Estas nia konvinko ke, antaŭ proponi novan radikon, oni traesploru « sepdekoble sep fojojn » la Fundamenton ĉu el ĝiaj riĉaĵoj neniu esprimo taŭgas por la nova celo. Tion ni ne konsilas pro fideleco, kiu estas propra sento, sed pro la absoluta kaŭzo ke vivo aŭ morto de nia lingvo dependas de ĝia simpleco. Certe la scienco havas proprajn bezonojn, sed en multaj okazoj ĝi ĉerpas radikojn el la klasikaj lingvoj kiam lerta valorigo de la parolata lingvo sufiĉus, tiel kreante abismon inter si kaj la simplaj mortuloj. Al tiu tendenco, konata kaj bedaŭrata en la evoluo de la naciaj lingvoj, ni kontraŭstaru firme, alie ni fosos nian propran tombon sur kiu triumfos Nova Latino aŭ similaĵo. El tiu vidpunkto « proprio » ne ŝajnas al ni necesa. La Fundamento tradukas sian radikon « propr »: own, eigen, sekve la owner, Eigentümer, propriétaire estas la proprulo aŭ propranto. Laŭ nia propra opinio — our own opinion — notre propre opinion — Esperanto povas kontentiĝi same kiel tiuj naciaj lingvoj per unu radiko, kiu en la adjektiva formo havas sencon personan, kaj en la substantiva difinitan sencon juristan. Du vortoj: propro kaj proprio nur kaŭzus penon al la lernantoj kaj konfuzon al la uzantoj de nia lingvo. La tre valoran iniciaton de S-ro Hageler ni do utiligas por la peto al la verkistoj de vortaroj, ke ili akceptu la fundamentajn formojn la propro, propraĵo, propranto en la nomita senco.

Por « res » Esperanto jam havas du esprimojn: la latina « objekto » kaj la simpla « aĵo », esprimo mallonga, kaj tiom popola, natura, ke povis ĝin krei « arte » nur geniulo. Ĉie kie « reo » estas proponata « aĵo » servas sambone. Ekz. « Kiuj aĵoj povas esti objektoj de propro ? » La esprimon « gaĝo » ni subtenas, kiel absolute necesa kaj bone adaptata al nia lingvo. « Pigno » (itala formo: pegno) estas forlasebla. Kunmeto de du radikoj simpligas, kutime ankaŭ pliklarigas lingvon. Esperanto ne estas latino, ni kopiu do la procedon de la tri nacilingvaj ekzemploj: gage mort, dead pledge, Faustpfand. La « morto » (mort, dead) havas historian kaŭzon, dum la Faust (pugno, mano) bone indikas la efektivan posedon. Tial taŭgaj kaj sufiĉaj esprimoj ŝajnas esti al ni: man-gaĝo, gaĝo en posedo aŭ simila kunmetitaĵo.

Ed. St.

---

## Akademio-akademianoj

Ĉu estas permesate insiste peti niajn legantojn eviti la uzon de la vorto « akademiano » anstataŭ « universitatano »? Ni scias ke ĝi estas traduko de la germana vorto *Akademiker*, sed ĝi estas kaŭzo de konfuzo kaj ridindeco en aliaj landoj.

Jen ekzemplo de la danĝero de tiel nomitaj « internaciaj » radikoj. Nenia pli granda iluzio ekzistis iam! Se la Francoj komencus uzi la vorton *akademio* por signifigi desegnaĵon de nuda korpo, kiel en sia lingvo, aŭ la Usonanoj por nomi elementan muzikan lernejon, aŭ la Ĉeĥoj por diri koncerton, tiam plej bone estus enterigi la vorton entute.

D-ro Zamenhof uzis *akademio* nur laŭ la senco de ia supera korporacio de scienculoj (Reĝa Akademio de Sciencoj, Franca Akademio, Brita Akademio). Ĉe li *akademiano* signifas do membron de tia alta scienca, belarta aŭ literatura korporacio. Estus plej saĝe limigi nian uzon al tiu senco.

« Akademiker » estas *studento, universitatano*, aŭ persono kun universitata diplomo. « Universitatano » entenas sub sia signifo ambaŭ studentojn kaj profesorojn. Nur kelkaj el ili, post multjara laborado kaj famo en sia fako fariĝas *akademianoj* per ia oficiala elekto kaj kandidatiĝas al unu el la Nobel-premioj.

### *Ambasadoro*

Ankaŭ tie la esperantistoj ne uzu hazarde la vortojn. Estas rimarkebla tendenco ilin miksi. Nur malmultaj landoj — la plej grandaj — posedas *ambasadoron* (germane: Botschafter) en grava ĉefurbo. Ĉiuj aliaj sendas nur rezidenton, kiu estas ordinara sendito (germane: Gesandter, france: ministre, angle: minister) kaj vivas ne en *ambasadorejo*, sed en *legacio*. En aliaj urboj de la fremda lando ekzistas nur *konsuloj* kies oficejoj estas nomataj konsulejoj.

Ne estas la demando, ĉu ni ŝatas aŭ aprobas la diversajn gradojn de tiu diplomatia hierarkio, sed ĉu ni bezonas havi kaj uzi la ĝustajn teknikajn terminojn por ilin nomi ĝuste, kiel ili ekzistas en la nuna internacia societo. Estas jam granda avantaĝo, ke nia oportuna ĝeneralvorto « Moŝto » sufiĉas por ĉiuj necesaĵoj de oficiala ĝentileco kun la taŭga titola adjektivo: ambasadora, konsula, episkopa, reĝina aŭ sinjorina laŭ la okazo. D-ro Zamenhof vere ŝparis al ni multan tempon evitante al ni la lernon de pliaj komplimentaĵoj aliepokaj: Ekselenco, Grandeco, Majesto, Gracio k.t.p. Li evidente antaŭvidis pli simpligan epokon kaj ŝpareme provizis praktikan ŝtopilon por la transira periodo.

E. P.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Deklaracio pri neŭtraleco

« De kelka tempo malamikoj de Esperanto klopodas por identigi la ĝeneralan propagandon por la internacia helplingvo Esperanto kun la agado de partianoj, kiuj praktike uzas Espedanton por certaj sociaj celadoj.

La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Ĝenevo, elektita de 36 naciaj societoj por la propagando de Esperanto kaj kiu reprezentas proksimume 100.000 Esperantistojn en la tuta mondo, deklaras formale kaj firme, ke ĝia programo, celanta nur la enkondukon de Esperanto, estas absolute neŭtrala rilate aferojn de politiko, religio, raso aŭ socio.

Ĝi insiste kontraŭstaras al tiuj malveraj asertoj, kies efiko signifas nur malhelpi la grandan progreson, rezultantan el la ĝenerala adopto de facile lernebla neŭtrala helplingvo apud la koncerna gepatra lingvo.

INTERNACIA CENTRA KOMITATO DE LA ESPERANTO-MOVADO
Sidejo : ĜENEVO (Svislando). »

## Esperanto en la polica servo



Kelkaj el la fremdulaj policanoj kaj anoj de la Dresdena polico kun la novaj insignoj pri la lingvoj parolataj. Grandaj urboj kun notinda fremdula movado pli kaj pli favoras la konon de fremdaj lingvoj ĉe la polico por helpi kaj konsili al fremdulo. En Dresdeno kie Esperanto ja estas forte enradikigita ankaŭ ekzistas ne nur grupo de policanoj esperantistaj sed policanoj *parolantaj* la lingvon kaj uzantaj ĝin. Unu el la samideanoj (ladua policano de maldekstre portas la rubandon — *Esperanto* —. (Laŭ revuo — Polizei im Bild).

# BUDAPEST

# La hungara ĉefurbo, la reĝino de la Danubo

Kiel bela sonĝo aperas por fremduloj Budapest, la ĉefurbo de Hungarujo. Ĝi havas multe da naturbelecoj, nobeligitaj per kulturo. La majesta situo, la impona akvovojo kiu meze tratranĉas la urbon, la tre romantika pejzaĝo, la multnombraj fieraj palacoj kaj la belega ĉirkaŭaĵo donas al Budapest poezian ĉarmon. Krom la viroj el la fiera homraso, kiu estis translokigita el la trankvileco de la Pusto (stepo) en la internacian agadon de metropolo, vivas tie kune kun la mondkonataj plej belaj inoj, kiuj korpigas la harmonion el natura ĉarmo kaj okcidenta



VIDAJO DE SUR LA FIŜISTA BASTIONO

eleganteco. Se ni aldonas, ke tiu vivoplena urbo estas trapenetrata perla spirito de tradicia gastemeco, per sennombraj originaj specialecoj, emoj, koloroj, por ĉefurbo de Hungarujo estas indo por la plej vigla intereso de ĉiuj fremduloj. Ili ekrigardos kun ĝoja surprizo la belecon de Budapest. En la panoramo de l'urbo kompletigas sin reciproke intimeco kaj nobeleco. Ĉi tie akceptas la orienta Balkano saluton kaj sciigon, la guston kaj spiritan enfluon de l'okcidento. Budapest estas la mastruma kaj kultura peranto. Budapest kaj Vieno povas esti rigardataj kiel du pilastroj de unu ponto inter oriento kaj okcidento. Ĉiuj akiraĵoj kaj sukcesoj de la okcidenta kulturo trapenetras ĝin kaj vojiĝas orienten. La lumo de du sunoj de l'oriento kaj de l'okcidento radias de la ĉielo al Budapest. Lumon de la progreso kaj de la evoluo donas la unua, romantikon kaj legendon la alia.

Ankaŭ la urboj havas sian aĝon. Sed kiel ni enmetu la aĝon de Budapest? La urbo estis roma kolonio antaŭ unu kaj duon jarmiloj, ĝian flankon de Buda popoligis romaj legioj kaj koloniistoj. Ĝiaj trajtoj ne mankhavas la belecon de la maljuneco. Kontraŭe la urboflanko de Pest apud la maldekstra Danubbordo, povas nur rerigardi kelkajn centjarojn. Ĝia evoluo al milion-loĝanta urbo estas la urbo de la juneco kaj progreso. Foje krucigis sin ĉi tie militstratoj de Romo kaj unuigis la samtempan modernan kulturmondon kun barbareco, kun la landoj de mistika multpopola Orienteŭropo, kiu entendiĝas malantaŭ la montaro ĝis la Nigra-Maro kaj al la grandaj, polaj kaj rusaj ebenaĵoj. Budapest kaj Hungarujo havas hodiaŭ kiel interŝanĝfoiro de multemilionaj tunaj komercaĵoj la geografian kaj historian destinon esti la peranto inter la spirita kaj ekonomia vivo de la okcidento kaj oriento.

Budapest posedas grandnombre ĉiujn organojn kaj institucioјn, kiuj ebligas ne nur spiritan plezuron, sed ankaŭ eminentan instruadon. La literatura kaj arta, la muzika kaj teatra kulturoj havas ĉi tie konstantan centron. Nature la modoj kaj la fluo de la moderneco ne lasas Budapeŝton netuŝata. Sed estas ĝia tasko elekti la valoran kaj akordigi ĝin al la nacia sprito. La okcidenta kulturo estas en la formo, kion ĝi alprenas en Budapest, pli facile komprenabla por la oriento. La civilizacio kaj kulturo de okcidenta Eŭropo estus dum jardekoj malprogresinta sen Budapest.

Kaj ĝuste la sama estas kun la ekonomia vivo. Budapest kaj Hungaroj havis dum la historio la taskon, peri inter okcidento kaj oriento. Eĉ nun ekzistas eblecoj kaj necesecoj de tiu ĉi internacia tasko. Ni povas konstati, ke estas kulturmisio por Hungarujo, akceli la nobligon de la ekonomia produktado por siaj najbarlandoj.

Budapest estas frapanta travivaĵo. Plena de beleco kaj juneco, tamen trankvila kaj serioza forto. La duonkilometron larĝa Danubo, kiu estas premigita inter grandegaj, bordmuroj, fendas la palacarbaron de la hungara ĉefurbo en ĝia mezo. La tuto, urbo kun rivero estas pentrinde majesta. Mola kaj tamen potenca, malsovaĝa kaj tamen perforta estas la riverego. Ĝiaj ondegoj devenas el malproksima okcidenta montetlando kaj peligas al malproksima maro.

Al unu bordo de la larĝa riverego alfleksas sin la montoj de Buda kaj la malnova urbo, al la alia la ebenaĵo kaj moderna ĉefurbo, kiu evoluiĝis laŭ amerikana rapideco sed sen la malafabla, ne fantazia rekteco de la amerikana stratsistemo. Du potencaj, larĝaj bulvardoj ĉirkaŭas ĝiajn urbpartojn. Deveninte de la Danubbordo, ili tirigas en vasta cirko reen al la bordo.

La malnova urbo apud la bordo de Buda rampas supren la montdeklivon. La Fortikaĵmonteto kaj la Sankta Gerhardmonto kaj Rozmonteto estas ĝiaj pitoreskaj vojmontriloj. La fortoplena mondurbo malfermas al la rigardanto la plej belegan panoramon. Vicoj de palacoj ekaperas kaj longaj urbpartoj estas detruotaj por ke ili donu lokon por novaj konstruaĵoj. La reĝino de la Danubo volas brili en ankoraŭ pli pompa parado per novaj juveloj. Oni vidas neforgeseblan urbbildon de la Fortikaĵmonto, el mezo de la malnova urbo, aŭ de la Sankta Gerhard-monto. La Budaa flanko kun vilaaj domoj sur la montdeklivoj, la, en malproksimo ne klare videbla dom-maro sur la Pesta flanko, montras panoramon kiu ne trovas ĝiaspecan. Palacoj, larĝaj stratoj, monumentoj, publikaj konstruaĵoj enviciĝas en belaj linioj en la perspektivon de ĉi tiu bildo. Turpintoj de ege honorindaj preĝejturoj superstaras la maron da domoj. Super ĉiuj leviĝas la mondfama, belega parlamento,

kiu estas kronita per 96 metrojn alta, gotika kupolo. La 264 metrojn longa ŝtonkonstruaĵo en gotika stilo kun ĝiaj grandiozaj proporcioj kaj la kvieta harmonio de ĝiaj formoj, estas pompa simbolo de la hungara politika vivo. Tiu ĉi konstruaĵo kaj la potenca Stefandomo kun ĝia kolosa kupolo, kiu estas flankata per du superstarantaj turoj, estas la du urbinsignoj de Budapest.

Longa vico de aŭdace fleksitaj pontoj, majstra verko de tekniko, artaj verkoj de monumenta arkitekturo, gvidas tra la larĝa Danubo. La plej maljuna inter ili, la ĉenponto, konstruita en la jaro 1847 estis iam admirata, kiel mondmiraklo. La Margaret-ponto — verko de la fama inĝeniero Eiffel, havas tri brakojn, kiuj tuŝas la Margaret-insulon. Ĉi tiu granda insulo havas ĝian apartan vivon. Sur la alia parto, transe de la rivero, estas vigla agado, konkuro de la laboro, sed la insulo estas distrejo por la riĉuloj.

Sur la dekstra flanko rigardas nin la fortikaĵ-monto. La kupoloj kaj ŝtonfestonoj de la reĝa palaco pli etendiĝas inter la siluetoj de malgrandaj palacoj. Al la malnovaj domoj aliĝas historiaj memoraĵoj. Preskaŭ ĉiu domo havas memortabulon verkitan de la Scienca Akademio. La Fortikaĵ-monto kaj ĝia konstruo estis dum miljaroj la observejo de la progreso de la nacioj apud la Danuba baseno.

En la sino de ĉi tiu grandioza naturbeleco ekestis ankaŭ hungaraj artaj trezoroj, riĉaj vicoj de delikataj, estetikaj formaĵoj. Verkoj de hungara pentrarto, skulptarto, beletristiko kaj hungara poezio. Grandaj verkistoj kaj poetoj — inter ili kelkaj, kies nomoj estas enradikitaj en la memoron de Eŭropo — iĝis flugpovaj ĉi tie. La arta vivo de Budapest, ĝia esenco kaj esprimo estas tute individuaj.

Aristokrata kaj burĝa mecenateco helpis ĉe la valora ekipo de famaj kolektaĵoj de la muzeo de belaj artoj. Ĝi havas grafikan galerion, kiu konkuras kun la plej riĉaj kolektoj, la kolekto de ĝiaj hispanaj pentraĵoj havas apenaŭ ĝiaspecon. *Greco, Ribera, Murillo, Goya,* estas reprezentataj, el la italoj: *Raffael, Bellini, Coreggio, Piombo, Tiepolo,* el la nederlandanoj: *Rembrandt, van der Neer,* k.t.p. La fremdulojn vive interesos la *Franc Hopp*-muzeo, riĉa galerio de Orientazia arto, kiu estas aligata al la Belarta-muzeo. Sole por la arttrezoraĵoj de la hungara ĉefurbo estus inde ekkoni Budapeston. La produktaĵoj de hungara popolarto en la Artmetia-muzeo, kiu elstaras, kiel trezorejo el la aplikitaj artoj, apartenas al la plej instigantaj artaj verkoj.

La kolektaĵoj de la Nacia-muzeo montras bildon de la kulturproceso, kio ekiĝis en la lastaj jarcentoj sur hungara teritorio. — La rezultoj de elterigoj akcelis la monumentojn de prapopoloj el la Karpat-pelvego de la hunoj, avaroj, latinoj, jazigoj kaj de la landvenkintaj hungaroj, monumentojn de la vivo antaŭ jarmiloj, trezor- kaj osttrovojn, juvelojn el malnova historia kaj prahistoria tempo. La etnografiaj kaj folkloraj kolektaĵoj de la muzeo povas ankaŭ pretendi ĝeneralan intereson, ĉar ili dokumentas en milspecaj eksteraĵoj la grandan subjektivecon, la popolanimon, la artamon kaj la morojn de la popolelementoj, kiuj ĉi tie trovis sin reciproke en la kunvivado.

Inter la sciencaj kolektoj meritas apartan atenton la Agrikultura Muzeo. La hungara nacio evoluis la agrikulturon al arto, kiu devas solvi la problemon, kiel oni povus pli kaj pli bonan produkti el la tero.

Al la plej fortaj esprimoj de la psiko de Budapest kaj Hungarujo apartenas ilia artvivo, la muziko kaj la literaturo. La hungara ĉefurbo havas grandegan, sur alta nivelo starantan gazetaron. Kvankam la hungara lingvo havas apartan vivon kaj povas sin apogi al nenia frata idiomo en Eŭropo, tamen la literaturo, ĵurnalverkado kaj arto havas valoron, eĉ trans tiuj ĉi bariloj. La literatura vivo en Budapest povas esti fiera pri mondfamaj verkistoj. En la pasinta centjaro estis poetoj, dram-aŭtoroj, rakontistoj, kiel: Petöfi, Jókai, Arany, Michaelo Vörösmarty, Emeriko Madách, Kolomano Mikszáth, la mejlomontriloj de la hungara literaturo; nunaj verkistoj kiel: Géza Gárdonyi kaj Francisko Herczeg estas valoroj en la eŭropa novel-literaturo kaj talentoj kiel: Francisko Molnár estas pioniro sur la scenejoj de Vieno, Germanujo, Parizo kaj Nov-Jorko.

Ankaŭ en la muzika vivo de Budapest oni rimarkas grandan progreson. La popol-arto kaj klasika muziko havas eminentajn reprezentantojn. Por la nobla muziko estas dediĉata la majesta muzikpalaco, kie samtempe estas la muzikakademio por la muzikinstruado kaj la oper-domo, belega renesanc-konstruaĵo de Nikolao Ybl. El Budapest ekiris multaj el la plej grandaj muzikistoj, sed ankaŭ aliaj artistoj kiuj trovis la vojon al la historio de l'arto. Ekzemple: *Albrecht Dürer* devenis el hungara provinco. Lia patro, oraĵisto en Nürnberg, origine nomita: Ajtós el Hungarujo. Ankaŭ *Kupeczky* kaj *Mányoki,* eminentaj pentristoj de la barok-epoko estis naskiĝintaj hungaroj. Nuntempe donis Hungarujo al la belarto unuarangajn pentristojn, kiel: *Michaelo Munkácsy, Michaelo Zichy, Paŭlo Szinnyei-Merse, Filipo László,* k.t.p.



DANUBA KAJO

La teatra vivo de la metropolo staras ankaŭ sur alta nivelo. La hungara teatro, kiu rerigardas je jarcenta pasinteco povas montri unuarangajn artistojn.

Sed korpo kaj animo ne bezonas sole nur distron, meditadon kaj instruon, ankaŭ resaniĝon. Budapest estas riĉega je naturaj, ne atingeblaj kuracfortoj. La hungara ĉefurbo estas ban-urbo. Multaj sanigaj kaj termal-fontoj spruĉas el ĝia benita tero. LaRomanojn ne ĝenis la peno de kelkmonata vojaĝo por viziti

ĉi tiun mirindan lokon, por ke ili estu resanigotaj. Ĉi tie estas varmegaj sulfurbanoj, salfontoj, amara kaj litium-fontoj. La romanoj transplantis la banemon de la okcidenta kulturo al ilia fama « Aquincum » sur la flanko de Buda, de la hodiaŭa Budapest. En Aquincum unuiĝis delikata civilizacio, militista forto, klasika sporto, noblaj amuzaĵoj kaj saneca kulto. Post multaj centjaroj venis la turka epoko. La Osmanoj sieĝis dum 15 dekadoj ĉi tiun parton de Hungarujo kaj Budapest, la malnova Buda estis ilia ĉefloko. Iliaj distingitaj anoj koloniiĝis en la arbarpejzaĝo de Buda, konstruis vilaojn, kastelojn, kaj moskeojn. La varmega naĝbaseno en la kupolĉambrego de la Rudaŝbanejo estas plej bela konstruita monumento de la turka epoko. Ankaŭ la Sankta-Gerhard-banejo ekzistis jam en la malnovaj tempoj. Ĝi ricevis sian nomon de la kristana sanktulo, kiu konvertiis la malnovajn hungarojn kaj kiu martir-mortis. Hodiaŭ leviĝas pompa moderna, monumenta banejo super ĝiaj varmegaj sulfurfontoj, al kiu aliĝas grandioza, elegante komforta banejhotelo.

La banejkulturo de Budapest riĉiĝas ĉiutage per novaj faktoroj. La fremduloj trovas ĉi tie krom tio komforton kaj amuzon.

Vicoj de naĝejoj sur la Danubriverego alplenigas tiujn al sporto kaj resaniĝo servantajn, la korpkulturon akcelintajn instituciojn.

La hungara ĉefurbo estas riĉa je moderna banej — kaj hotelpalacoj, kiuj konkuras per ĝiaj belecoj kaj komfortoj.

Kiel resanigejo estas Budapest multflanka. La Margaretinsulo, la *Ŝvabmonto, Zugliget, Hüvösvölgy* (Malvarma valo), la montetoj kaj montoj, arbaroj kaj kampoj de la budaa montegpejzaĝo estas idealaj somerloĝejoj. Se ni ŝatas la solecon en la granda naturo, ĝian trankvilon kaj silenton, aŭ oni serĉas ĝojegon, viglecon, tiam oni povas trovi ĝin en la valoj kaj sur la montdeklivoj, en la arbaroj kaj vilapartoj de la ĉirkaŭaĵo.

Budapest havas ankaŭ meriton en la sporto per valora iniciato. Ĉiuj specoj, ĉiuj fakoj de la individua, de la societa kaj amas-sporto havas ĉi tie siajn instituciojn.

Tute eminente evoluis komerco, industrio, bank-kaj financorganismo. Ĝia komerca agemo, la komerca politiko de la Budapestaj mondinstitutoj serĉas kaj trovas aliĝojn kaj interrilaton trans la landlimoj, en la Balkanŝtatoj kaj en la landoj de l'oriento. La hungara komerco klopodas en plena mezuro estis konforma al la rolo kiun la tendencoj de la industrio kaj de la agrikulturo postulas.

La alte evoluintaj energioj akcelis la prosperon de la fabrik-kaj agrikultura industrioj. Mondfamaj estas la muelejoj, bierfabrikejoj, alkohola — mebla — leda kaj ŝuindustrioj de Budapest. Krom la amerikana Minneapolis estas Budapest la plej laborpova muelejurbo de la mondo.

Oni povus ankoraŭ multon skribi laŭ diversaj vidpunktoj pri la venonta kongresurbo, sed jam la ĝis nun dirita pruvas, ke oni ne estus povinta elekti pli taŭgan urbon por kongreso esperantista. Venu kaj rigardu mem!

*Tradukis* : Irma LEDERRER.






## INFORMA BULTENO N-ro 4

Petante informon aldonu respondkuponon, aŭ resp. poŝt-karton! *Ŝangoj en LKK.* Pro ofica trookupateco eksiĝis s-ro D-ro Julio Lukács. Kiel nova ano eniris s-ro Teodoro Kovács.

*Provizora programo* :

*Fakaj kunvenoj.* Personoj, intencantaj kunvoki fak-kunvenojn, estas petataj kiel eble plej frue informi LKK.-on Vidu la 1an bultenon! Ĉis nun estas anoncitaj kunvenoj de bahaistoj, fervojistoj, kuracistoj, oomotanoj, poŝt-kaj telegrafistoj, studentoj kaj vegetarianoj.

*Pri la kotizoj.* Pri la kotizo ni sciigas, ke la kotizoj publikigataj en la 1-a bulteno estas nur la proksimumaj egalvaloroj de sv. fr. 25.— la oficiala kotizo aŭ Pengo 28.—. La L.K.K. kompreneble akceptas de ĉiuj la precizan egalvaloron sen ia rondigo. Tamen nin plej frue kaj plej facile atingas en pengovaloro *per poŝtmandatoj!*

*Donacoj.* — Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj, la L.K.K. sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon por plibonigo de nia mezeŭropa manifestacio.

*Loĝigo.* — Kiel ni jam anoncis en la 2-a bulteno, la loĝigon aranĝos la Fremdultrafika Oficejo de la Ĉefurbo Budapest, sed interesiĝantoj turnu sin nur al la L.K.K., kiu kolektos la mendojn de loĝejoj precipe per la apartaj mendiloj aperontaj en « Hungara Heroldo ». Urĝa anoncigo estas konsilinda. Oni certigas al ĉiuj, kiuj jam nun ensendas por 2 tagoj la luprezojn, la loĝigon laŭ la prezoj anoncitaj en la 2-a bulteno:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Ia klaso | P | 10 — | 12.— | | prezoj kun matenmanĝo en hoteloj aŭ laŭ deziro en pensionoj ! |
| IIa | » | P | 8 — | 9.— | |
| IIIa | » | P | 6 — | 7.— | |
| IVa | » | P | 4 — | 5.— | |

La L.K.K. transdonas la antaŭpagon al la nomita Fremduloficejo kaj la kongresanoj faros la pluan kalkulon post la alveno tie, kie ili loĝos, pri kio la ĝustatempe sinanoncantoj ricevos apartan sciigon antaŭe.

*Por karavanoj*, se ties partoprenantoj 2,3 aŭ 4 loĝos kune, ni povas havigi pli favorajn prezojn, sed estas ankaŭ por tiuj necese urĝe rezervigi ĉambrojn en hotelo aŭ pensiono.

*Blindulkongresanoj* povos senpage loĝi en la blindulkongresejo ŝtata blindullernejo kaj ricevi manĝojn por propraj kostoj de la lernejo. Informoj en Brajlo-preso en la « Kalendaro de Belhoro ».

*Blindula Kaso.* — Dezirante helpi al la blinduloj la aranĝon de sia Blindula-Kongreso, L.K.K. starigis blindulan kason kaj petas mondonacojn.

*Antaŭkongresoj* okazos en *Praha* kaj *Wien*. Detalojn petu rekte de ties organizantoj.

*Karavanoj.* — Ĝis nun anonciĝis karavanoj:

Universala Esperanto Asocio. 12. Boul. du Théâtre, Genève.

British Esperanto Association, 142 High Holborn, London, W. C. 1.

Bulgara Esperantista Asocio, P. Maglov. 4, Ruse, Bulgarujo.

Rudolf Mosse, Esperanto Fako, Jerusalemer-str. 46-49, Berlin SW. 19.

Ing. M. F. Onnen, Del, de UEA., 7a Hago, Groothertoginnelaan 97.

Pri ĉiuj karavanaj aferoj skribu nur al la koncerna adreso.

Laŭ sciigo de la Bulgara Esperantista Asocio la bulgara ministerio konsentis por la bulgaroj, kiuj iros kun la bulgara karavano, senpasportan vojaĝon al Budapest.

*Konkurso por Kongresa insigno.* — Ĉar al la konkurso de insignoj, anoncita en la dua bulteno, ne venis taŭgaj projektoj, la L.K.K. aranĝas novan konkurson. Kondiĉj: Emajla insigno kun la surskribo: XXIa Kongreso de Esperanto, Budapest 1929. La kvinpinta verda stelo devas superregi en la projekto. La insignon oni ornamos per silka rubando verda por la eksterlandanoj kaj trikolora por la hungaroj, ke eksterlandanoj povu ekkoni kaj laŭ necese peti informojn de la enlandanoj. Premioj: P 40.— P 25.— kaj P 15.—. La projekto restos posedaĵoj de la L.K.K. Projektoj kun nomo aŭ kun devizo estu sendotaj *ĝis la 15a de aprilo* al sro. Paŭlo Tolnai, sekretario de la L.K.K. Budapest, VII. Bethlen-tér 2.

*La Konkurso por la Kongresa Glumarko* bone sukcesis. La premiojn gajnis : I. F-ino I. Horváth, II S-ro L. Héber, III. S-ro M. Hujácz. La presota glumarko montras la parlamentan palacon en Budapest en vespera lumigado. Aliĝante al la kongreso mendu kaj uzu ilin!

Prezo: 100 pecoj: P 1. inkluzive sendkosto.

*Albumetoj* kun 10 artaj fotopoŝtkartoj pri Budapest teksto ankaŭ en Esperanto P 2.50. 10 artaj fotopoŝtkartoj pri Budapest au el la vilaĝa vivo P. 2. inkluzive sendkosto.

La menditaĵojn la L.K.K. ĉiam tuj forsendas post ricevo de la mono.

*Afiŝo pri Budapest.* — La foiro de Budapest eldonis en diversaj lingvoj ankaŭ en Esperanto, grandan afiŝon, montrante lokomotivon direktiĝante al Budapest. La afiŝo do bone taŭgas ankaŭ por la kongresa propagando. Oni povas peti ĝin de la Foiro oficejo Budapesti Vásár, V. Alkotmany-u. 8. La foiro ankaŭ sendas al la petantoj senpagan esperantan prospekton pri Budapest, kalendaretojn kaj glumarkojn. Uzu ĝin por propagando!

 **PILORIO** 

Ni ricevis la jenan komunikon kaj pro la fakto ke ni mem dufoje intervenis en simila afero ni publikigas la plendon de nia membro S-ro Mikko Alava. Posedanto de la firmo Lavu-export estas Sinjoro Hans Willeke en Bonn sin proponinta kiel Delegito kion ni malakceptis. Li ne estas ano de UEA.

S-ro Mikkoa Alava, membro de UEA en Terijoki, Finnlando, sciigas ke « Lavu-Export » en Bonn am Rhein, Germanujo, kiu vendas t.e. fiŝhaŭt- pluvmantelojn, uzante Esperanton, senhonte trompas esperantistojn. La entrepreno uzas nomojn kaj adresojn el la Jarlibro de UEA al kiuj ĝi ofertas tiujn pluvmantelojn. La prezon Fmk. 91.50 aŭ RM. 9.60 ĝi enkasigas per poŝta remburso. Samtempe ĝi sendas letere « esperantajn salutojn » kun pecetoj de kaŭĉuko. Ĝi asertas ke el tiu materialo la pluvmantelo estas farita. Tamen la objekto ricevita estas el papero kun truoj, neniel uzebla kaj ne koresponda al la reklamo. Plendante oni informis min ke oni bonskribos la monon, resendante la mantelon. Tion mi faris. Nenia respondo plu. Mi petas la samideanojn je ilia atento pri tiu firmo. (Kopiita)

## Esperanta  Programo



de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

*Mallongigoj:* K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. = Novajoj.

DIMANĈO

12.00. — *Minsk*, 949,6 m. — K. — 30 min.

LUNDO

17.30. — *Kiev*, 775 m. — K. — 30 min.
19.00. — *Bern*, 406 m.; — K. — 30 min.
19.50. — *Kaunas-Kovno*, 2.000 m. — P. — 10 min.
20.20. — *Lille*, P.T.T., Nord. — 247,5 m. — NK. — 5 min.

MARDO

19.15. — *Minsk*, 949,6 m. — P. — 30 min. — Dim. Snejko.

MERKREDO

16.00 — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — 30 min.
18.45. — *Wien*, 519,9 m., Graz Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — P.: S-ro Smital. — 10 min.
19.30. — *Oslo*, 496,7 m. — Hamar, Fredrikstad, Rjukan, Porsgrund, Notodden. — 30 min. — K.

JAŬDO

19.15. — *Kaunas-Kovno*, 2.000 m. — Informoj. — 5 min.
21.00. — *Paris*, P.T.T., 449,8 m. — K. — 15 min.

VENDREDO

16.00. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — 30 min.
18.00. — *Stuttgart*, 374,1 m.; Freiburg. — P. — 10 min.
18.05. — *Leipzig*, 361,9 m. — Dresden. — P. — Prof. D-ro Dietterle. Laboro kaj ideoj de D-ro Zamenhof. — 15 min. — Ĉiun 2an V.
19.15. — *Stuttgart*, 374,1 m.; Freiburg. — K. ĉiuna duan vendredon.
19.50. — *Zürich*, 489,4 m. — P. — Ĉiun 2an vendredon. 10 min.
20.00. — *Tallinn-Reval*, 408 m. — 5 min. — Nov. pri Estonio.
20.35. — *Genève*, 760 m. — P.: S-ro Bouvier. — KN. — 10 min.
23.45. — *Leningrad*. — P. — Tra U.S.S.R. — Semajna revuo.

SABATO

18.25. — *Breslau*, 321,2 m. *Gleiwitz*, 324,6 m. — P. — 10 min. J. H. Plehn. — Plantoj en Silezio.
18.55. — *Königsberg*, 280,4 m.; *Danzig*, 455,9 m. — P. — 5 min.
21.15. — *Bruselo*, 508.5 m. — 5 min.
23.50. — *Leningrad*. — Programo de l'venonta semajno.

SENREGULAJ DISSENDOJ

*Frankfurt*, 421,3 m. : Kassel. — K laŭ la lernlibro de Degen kaj K laŭ Unua Legolibro de Kabe. — 30 min.

*Nürnberg*, 240,9 m. München, Augsburg, Kaiserslautern. — Kp. — Par: pri diversaj temoj ĉiun dekan tagon, plej ofte lunde aŭ jaŭde, 19.00 h. — Par: A. Starke. — 30 min.

ESPERANTO KAJ MALLONGAJ ONDOJ

Laŭ informoj el Ameriko la stacio Schenectady nun ankaŭ dissendas en Esperanto. S-ro Parrish parolas lunde kaj jaŭde 7.15 h. (01.15 h. M.E.T.) en

Schenectady W2XAF 31.54 m.
Schenectady W2XAD 19.05 m.

Certe ĉi tiuj dissendoj estas aŭskulteblaj en Eŭropo per radioaparatoj, kiuj ricevas Ĉi tiujn ondojn. Auskultantoj bonvolu sendi informon al s-ro J. Jungfer. (Adreso vidu supre.)

---

*Radio-amikoj*, kiuj aŭskultas per lampo-aparatoj, estas petataj sendi sian adreson al la redaktoro de ĉi tiu rubriko.

# Universala Esperanto - Asocio




Centra Oficejo:

12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 6. Aprilo 1929

**Pri internacia organizo**

« La Deksesa Kongreso en Vieno deklaras, ke pro la definitiva ekfunkciado de la oficialaj institucioj laŭ la kontrakto de Helsinki, la decidpovo kaj la solvo de la organizaj demandoj apartenas de nun al la rajtigitaj organizaĵoj de la esperantistaro UEA kaj Konstanta Reprezentaro de Naciaj Societop (K.R.), kiuj havas la devon ilin prizorgi, kaj tial la kongreso rekomendas, ke oni ne plu ŝarĝu per ili la tagordon de la universalaj kongresoj. »

Per tiu deklaro la Esperantistoj esprimis la konvinkon ke taŭga egalpezo inter la konstruaj fortoj estas nun kreita, kaj la deziron ke oni uzu la tempon de la kongresoj por temoj pli utilaj ol la internaj disputoj. La saman ideon esprimis parolinto dum la Ĝeneva kongreso, dirinte : « La ovo de Kolombo estas trovita, sekve oni ne difektu pliajn ovojn por refari la eksperimenton ». Kompreneble oni ne kredis, esti jam atinginta la perfektecon en la detaloj, kaj por studi ilin estis elektita dum la kongreso de Antverpeno tripersona komisiono kiu raportu al la I.C.K. Temas pri simpligo de la rilatoj inter la Naciaj Societoj kaj UEA, sed neniel pri fundamenta ŝanĝo de tiuj grandaj kolonoj, sur kiuj ĉefe bazas nia movado.

Malbona kompreno de la situacio aŭ fantazia kreemo denove maltrankviligas la movadon per projektoj de organizado, kies prikonsidero denove fortirus niajn fortojn de la vera celo esperantista: la propagando kaj uzo de la lingvo. Kun bedaŭro pro la perdita tempo ni tamen devas okupiĝi ĉi-tie pri unu projekto, ĉar ĝi estas publikigita en konata esperanta gazeto, kaj ŝajne trovis la oficialan aprobon de komitato de unu nacia societo. Tiu plano kreas komplikan konstruon super la Naciaj Societoj, donas al ĝi la ĉefan taskon fari la servojn, per plumstreko plene forigas nian tutan Asocion, sed plezure konservas nian favore konatan signon: « U E A » por sia nova firmo: « Universala Esperanto-Asociar*o*. »

En la nuna UEA la personoj dezirantaj partopreni la internacian movadon aliĝas sen komplikaĵoj sendante sian kotizon En la nova « UEA » havas membrecon ĉefe nur la membroj de la Naciaj Societoj, dum persono kiu pro iu kaŭzo ne apartenas al la rekonita nacia organizaĵo devas adresi specialan aliĝpeton al certa Supera Konsilantaro, kiu decidos pri la indeco de tiu malfeliĉulo. En nuna UEA la membroj elektas mem siajn Delegitojn, en la estonta elektus ilin la grupoj tiel ke la nuna grava Delegiteco fariĝus flanka ofico de loka societo. La nuna UEA vivas el kotizoj rekte enkasigitaj de la interesuloj, en la estonto estas la Naciaj Societoj devantaj kunmeti la monon por la servoj, la Jarlibro, k.t.p. Kiu scias, kiom da peno la Naciaj Societoj havas jam nun pagi sian modestan parton por la ICK kun unu sekretario, tiu antaŭvidas la monmizerojn de la estonta Fakestro por la Delegitoj kaj servoj. Nuna UEA, demokrate organizata regas sin mem per la Delegitoj, per Komitato de 25 membroj, kaj per Komisiono de 5-7 personoj. La venonta organizo konas nur la reprezentantan sistemon, do la kunvenojn de la Naciaj Societoj, poste Reprezentantan Konsilantaron kun po unu reprezentanto kaj du asistantoj, (por 30 nacioj do 90 personoj) plie Superan Konsilantaron, Fakestrojn, k.t.p.

Jen la proponata simpligo! La celo de tiu plano estas klara: la Naciaj Societoj restu same kiel nun, sole oni altrudas al ili ankoraŭ ĉiujn taskojn internaciajn, por ke malaperu nia UEA, kiu ŝajne ne plaĉas al iuj sinjoroj.

Ili estu certaj ke ne sukcesos ilia afabla intenco. En la Naciaj Societoj kiel en UEA troviĝas grandparte la samaj personoj, sed aparta organizo pro la diverseco de la celoj kaj metodoj estas tiom necesa ke, se hodiaŭ UEA malaperus, ekstarus jam morgaŭ nova, samspeca societo, kiu eĉ rajtus repreni la havaĵon de ĝia antaŭulo. Cetere nia Asocio havas neniun emon al memmortigo, ĝi kredas kontraŭe ke post 20 jaroj da funkciado sukcesplena ĝi povos ankoraŭ fari multe da bono por la esperantista movado. Ni do serioze petas, ke, respektante la kongresan decidon, la projektemuloj uzu siajn kapablojn por pli utilaj aferoj kaj ne incitu interesperantistan malpacon. UEA, ĉiam alcelinta amikajn rilatojn kun la esperantistaj organizaĵoj, ne ĝin timas, sed treege ĝin bedaŭrus.

*Enkasigo de la kotizo 1929.* — En landoj kie la poŝta enkasigo ekzistas ni enkasigas la kotizon de MA aldonante la poŝtan kromkoston, ĝenerale 10 % de la ŝuldata sumo. En landoj kun teritoria organizo la ĉefdelegito okupiĝas pri tio, dume la kotizoj el jenaj landoj estas enkasigataj rekte de la Centra Oficejo: Danlando, Francujo, Litovujo, Nederlando, Norvegujo kaj Svislando. Ni afable petas bonvole akcepti la poŝtrepagon kaj konservi al nia Asocio la membrecon.

Al ĉiuj landoj kie poŝta enkasigo ne estas ebla, ni sendas specialan admonon komence de Aprilo. La sendon de la gazeto *Esperanto* ni interrompas depost la Marta numero. Tio rilatas al jenaj landoj (aŭ terpartoj) : Tuta Ameriko, Afriko, Azio (escepte Nederlanda Hindujo), Britlando, Hispanujo, Portugalujo, Greklando, Turkujo.

*Berlina teritorio de UEA.* — Ni informas pri ŝanĝo en la teritoria organizo de Berlino. La nuna ĉefdelegito estas S-ro Adolf Münz, komercisto, Leipzigerstrasse 58 Berlin S.W. 19. La dokumentoj pri la elekto nun estas ekzamenataj kaj la elekto de la nova ĉefdelegito submetata al aprobo de la prezidanto de UEA, konforme al Art. 25 de la statuto. Informo aperos en la Oficiala Informilo de la monato Majo 1929. La listo de la Delegitoj en Berlino, inter ili kelkaj novaj, aperos en la Jarlibro 1929, nun kompostata.

*Adreso de UEA.* — Ni insiste petas, sendi korespondaĵojn ne al nomo de oficanta persono (Prezidanto, Direktoro, Redaktoro, Oficistoj, k.t.p.) sed senescepte al Universala Esperanto-Asocio. Ĉekoj kaj pagavizoj neniam estu adresataj al persono sed nur al

Universala Esperanto-Asocio,
12, Boulevard du Théâtre, Genève

sub kio estas registrataj ĉiuj niaj kontoj ĉe banko kaj poŝtĉekoj. La indiko de nomo de persono nur kaŭzas senutilan korespondadon.

*Kongreso de UEA.* — Kvankam la ĉiujara kongreso de UEA (Art. 38 de la statuto) okazas kune kun la Universala Kongreso ni informas, ke dum la 21a en Budapesto okazos speciala kunveno de UEA. Tagordon ni konigos en la junia aŭ julia numeroj de *Esperanto*. Estas diskutotaj proponoj pri servoj, opinioj pri la Jarlibro, Gazeto, novaj teritorioj. Proponojn oni bonvolu sendi al ni je deca tempo.

*Kontrolo de la Bilanco 1928.* — La komisiono aprobis la proponon de S-ro Bouvier, Komitatano de UEA, ke kontrolu la bilancon kaj financan agadon de 1928:

S-ro Camille Rogister, banka ĉeflibrotenisto.

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio la Dumvivan Membrecon al UEA:

Atesto: Dua Serio

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo | 9.000.— |
| 31. S-ro Hans Iffländer, Breslau | 300.— |
| Sumo | 9.300.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas tricent Frankojn svisajn, pageblajn poparte dum daŭro de tri jaroj. La atesto de Garantia Kapitalo de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva ricevo de la gazeto Esperanto kaj de la jarlibro ankaŭ de eblaj aliaj oficialaj eldonaĵoj de la Asocio.

**Novaj Delegitoj.**

(En lokoj kie ne estis *D*)

*Alvesta* (Sved.) D: Fr. Johansson, Hjälmaryd, Blädinge.
*Arnsdorf-Haida* (Č. S. R.) D: F-ino Herta Spatny, oficistino.
*Békéscsaba* (Hung.) D: D. Sztaniszláv, I. Horthy Miklos-utca 14.
*Benešov u Prahy* (Č. S. R.) D: J. Hrebícek, Stará Prazská 149.
*Blansko* (Č. S. R.) D: Jar. Utíkal, 779 u Sokolovny.
*Bököny* (Hung.) D: D-ro G. Demeter Kálmán, kuracisto.
VD: Sino Dro G. Demeter Kálmán.
*Boksa-Stropkov* (Č. S. R.) D: D. Volossynovich, z. kosicka.
*Boras* (Sved.) D: Henrik Molin, Halleberg, 5
VD: E. Helander, Druvefors 15.
*Brétigny-sur-Orge* (Franc.) D: R. Munet, 9, rue de Cossigny.
*Chrudim* (Č. S. R.) D: Vilém Gallat, 354/II.
*Esquimalt* (Kanado) D: R. Redhead, 994 Wordsley Street.
*Haguenau* (Franc.) D: Alb. Lienhardt, Bâtiment de la gare.
*Hallsberg* (Sved.) D: Bertil Elander, Kullen, 1-2.
*Hartford* (U. S. A. Conn.) D: St. E. Kittredge, Life Department Travelers Ins. Co.
*Hateg* Rum.) D: A. Hirsch, « Banca Centrala ».
VD: L. Samuel, Str. I. Bratianu, 3.
*Hódmezövásárhely* (Hung.) D: L. Sostarics, Arpád-ucca, 6.
VD: Ferencz Schlesinger, Rothermere-utca, 2.
*Jablanica* (Jugosl.) D: Leo Seŝelij, fervoja oficisto.
*Jezov* (Č. S. R.) D: Pavel Krupicka, Instruisto, p. Zeravice,
*Kriesdorf* (C. S. R.) D: Rud. Nemetz, No 244, b/Reichenberg,
*Lafayette West* (U. S. A. Ind.) D: Br. Beckman, 119 Russell Street.
*Malín u Kutné Hory* (Č. S. R.) D: F-ino R. Vancurová, postoficistino.
*Malko Tirnovo* (Bulg.) D: Kiril Profilov, oficisto.
*Mistrín* (Č. S. R.) D: Josef Kynera, instruisto, p. Svatoborice.
*Nagykanizsa* (Hung.) D: György Tóth, Szmere-utca 4. c.
*Nagylónya* (Hung.) D: Andor Hagymásy, kuracisto.
*Pochmühl* (Č. S. R.) D: J. Teichmann, instruisto, Post Breitenau.
*Reghin* (Rum.) VD: F-ino E. Birthler, str. T. Vladimirescu, 7.
*Reky* (Č. S. R.) D: W. Bartosch, Prádelna.
VD: Peter Kouble, Prádelna-tiskárna.
*Rijsenburg* (Nederl.) D: C. W. Klomp, Van Oosthuijselaan, 2.
*Solca* (Rum.) D: E. Hasenöhrl.
*Sonov* (Č. S. R.) D: V. Zikmund, No 42, u Nov. Mesta nad Met.
*Staszów* (Pol.) D: Józef Zolnierek, direktoro de gimnazio.
*Schaiba* ap. Haida (Č. S. R.) D: Richard John, No 49.
*Tiba* (Japan.) D: Masao Suzuki, Fiziologja Inst. Medicina Kolegio de Tiba.
VD: Jûiĉi Nijomura, Patologia Inst. Medicina Kolegio de Tiba.
*Velky Berezny* (Č. S. R.) D: Arnold Deutsch.
*Veselí nad Luznicí* (Č. S. R.) D: Fr. Kolár, Masarykova 70.
*Viljandi* (Eston.) D: Aug. Pung, Ilmarise, 31.
*Vlasské Mezirící* (Č. S. R.) D: J. Lachman, Husova 9.
VD: J. Macek, Husova, 9.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD, agas provizore.*

***

**Ŝanĝoj.**

*Arad* (Rum.) Kom. VD.: Joh. Martin, Saguna, 130.
*Bucureŝti* (Rum.) D: Kom. Max Wurmbrand, c/o firmo Max Fismann, Str. Dituz, 10.
*Cluj* (Rum.) VD: E. Hirsch, Str. Regina Maria, 42.
*Darkov* (Č. S. R.) D. Leon Lipka, No 128.
*Deva* (Rum.) D: L. Kugel, Str. Creanga, 6.
*Elberfeld* (Germ.) D: P. Trarbach, Sachsenhausen, 18.
*Funchal* (Ins. Madeira) D: H. T. Gomes de Freitas, Rua 31 de Janeiro, 141.
*Gyöngyös* (Hung.) VD: F. Klein, Akácka utca, 1.
*Halden* (Norveg.) VD: A. Pihlström, Oskarsgate, 16.
*Kullaa* (Finnl.) D: Taisto Aurela, Satakunta.
*Leiden* (Nederl.) D: P. Joh. Hoope, Hooigracht 74.
*Marseille* (Franc.) IIa VD: H. Bourdelon, Avenue Pupat, 15.
*Medias* (Rum.) D: D-ro Rud. Pospisil, Str. Sibiului, 5.
*Montevideo* (Urugv.) VD: A. Di Landro. Str. Santiago de Chile, 1320.
*Novy Bydzov* (Č.S.R.) D: Alois Fink. lesní.
*Olomouc* (Č.S.R.) VD: F-ino Ant. Mrázková, Nābrezi Premyslovcu, 12. — Kom. D: J. Mastny, Riegrova ul. 17.
*Olten* (Svisl.) D: Wilhelm Haase, Starrkirch b. Olten.
*Opava-Troppau* (Č.S.R.) D: Josef Kunert, Geflügelmarkt, 6.
*Oradea* (Rum.) VD: A- Ivascu, Str. Dorobantilor, 12.
*Ozone Park* (U.S.A.N.Y.) D: N. Sadagursky, 9439-76 th Street.
*Papendrecht* (Nederl.) D: F-ino A. M. Gobiet, Middenstraat, 6.
*Písek* (Č.S.R.) D: F-ino F. Krivancová-Uhrová, Trida Nārodní Svobody, 23.
*Puletschnei* ap. Gablonz (Č. S. R.) D: B. Lucke, No 71.
*Reinsdorf* (Germ.) D: Alfred Möckel, Fried. Ebertstrasse, 179 b.
*Riesa-Gröba* (Germ.) D: K. Kröber, West Strasse, 4. II.
*Saaraŭ* (Germ.) D: Fritz Schiller, Luisenstrasse, 5.
*Saarbrücken* (Saar) VD: F-ino Grete Kraft, Passagestr. 5.
*Siemianowice-Slaskie* (Pol.) D: St. Reichman, ul. Sienkiewicza, 17.
*Swieciany-Wilenskie* (Pol.) D: A. Juchniewicz, ul. 11-go Listopada 26.
*Santa Clara* (Kubo) D: Antonio Balaéz, Centro Telegrafico.
VD: D-ro Rafael G. Crespo, Escuela Normal.
*San-Francisco* (U. S. A. Calif.) ĈD: A.S. Vinzent, 1410 Claus Spreckels Building.
VD: H. Edwards, 1454 California Street.
D: Brewster F. Ames, 690 Market Str. 309-10-11 De Young Building.
*Saint Petersburg* (U. S. A. Flo.) D: S-ino E.E. Owen-Flint, 821 Highland Str.
*Teius* (Rum.) D: Paulo Stamatian, II.
*Topeka* (U. S. A. Kansas) D: John H. Fazel, 1122 W. 8th Street.
*Ujezd* u Sokolnic (Č. S. R.) D: Zdenek Hadas.
*Warnsdorf* (Č. S. R.) D: Wilhelm Ludwig, 2074/V.

En la jenaj lokoj ne plu estas delegitoj:

*Cambridge*, U. S. A. — *Choisy-le-Roi*, Franc. — *Cleveland*, U. S. A. — *Dubí* Č. S. R. — *Duchcov*, Č. S. R. — *Hernösand*, Sved. — *Meierhöfen*, Č. S. R. — *Opatów Kielecki*, Č. S. R. — *Predmerice nad Labem*, Č. S. R. — *Rothaŭ*, Č. S. R. — *Saignelégier*, Svisl. — *Tornalá*, Č. S. R. — *Tanwald-Sumburk* n. D., Č. S. R. — *Upice*, Č. S. R.

*Statistiko de la delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 25 Februaro | 1.702 Lokoj |
| Lokoj forstrekitaj inter 25. II. — ĝis 25. III. 1929. | — 14 » |
| | 1.688 » |
| Novaj lokoj | 38 » |
| Je la 25 Marto, UEA kalkulis Delegitojn en | 1.726 Lokoj |

Genève, 25a de Marto. 1929.

HANS JAKOB, *Direktoro de UEA.*

# Universala Esperanto-Asocio

Ĝis 31a de Marto 1929 pagis la kotizon por la kuranta jaro 6500 personoj. El ili 5350 estas malnovaj anoj kaj 1150 novaj. Ne pagis ankoraŭ 3721. (Oficiala komuniko de la Centra Oficejo).

## Realiĝu !

DE RAYMOND SCHWARTZ.

*Kial time vin forkaŝi*
*En la ombro de ŝparem'?*
*Jes, — aliaj povas paŝi*
*Al batalo,... sed vi mem?*
*Jam aŭroro venkpromesa*
*Levas sin ĉe l'horizont ;*
*Ni triumfos! — sed necesa*
*Estos unuec' de l' front';*
*UEA — jen frontlini',*
*Kiun teni devas ni!*

*Antaŭ ni, la pioniroj*
*Pruvis sin per ag' kaj far',*
*Ĉu hodiaŭ per sopiroj*
*Kontentiĝus la idar'?*
*Molajn revojn, trompfabelon*
*Lasu ni al apostat',*
*Volu age vian celon*
*Kaj reestu nun soldat'*
*De l' unua frontlini',*
*Kiun teni devas ni!*

**LA PROGRESO DE UEA DE 1919 ĜIS 1928.**




## Alvoko je varbado

Varbinto rajtas elekti el la jenaj premioj:

Por Nova Membro : 1 ekzempleron de Internacia Mondliteraturo (vidu la liston) aŭ 2 ekzemplerojn de Biblioteko Tutmonda (vidu la liston).

Por Nova Membro Abonanto : Unu ekzempleron de la Humora romano « Tri Angloj alilande » originala aj esperantista verkaĵo aŭ du n-rojn de Internacia Mondliteraturo aŭ 4 de Biblioteko Tutmonda listo I aŭ 2 de B.T. listo II.

Por Nova Subtenanto : Unu ekzempleron « Vortoj » de Profesoro Cart aŭ unu ekz. H. Hodler, Vivo kaj Verko.

# Premio al varbinto :




## UNU VOLUMO EL LA KOLEKTO

## INTERNACIA MONDLITERATURO




Vol. 1. GŒTHE, I. W. VON, HERMANO KAJ DOROTEO. Eposo idilia. El la germana originalo tradukis *Benno Küster*. Dua eldono kun antaŭparolo de Prof. D-ro *Dietterle*. 1922. 77 paĝoj.

Vol. 2. NIEMOJEWSKI, A., LEGENDOJ. El la pola originalo tradukis *Bronislaw Kuhl*. Kun antaŭparolo de *Antoni Grabowski*. Dua eldono. 1923. 74 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Tentistoj. Majlah. Admono. Du disciploj.

Vol. 3. TURGENEV, I. S., ELEKTITAJ NOVELOJ. El la rusa tradukis *Bronislaw Kuhl*. Kun antaŭparolo.
Enhavo : Antaŭparolo. Mumu. Bejin-Herbejo. Poemetoj en prozo.

Vol. 4. RAABE, WILHELM, LA NIGRA GALERO. El la germana originalo tradukis Prof. D-ro *Fritz Kicke*. Dua eldono. 1922. 64 paĝoj.

Vol. 5. HILDEBRAND, EL LA « CAMERA OBSCURA ». EL la holanda originalo tradukis *H. C. Mees*. 1923. 64 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Anĉjo la ĉasisto. La maljunulejanò rakontas sian historion. Malnova konato.

Vol. 6. IRVING, WASHINGTON, EL LA SKIZLIBRO. El la angla originalo tradukis *H. L. Elvin*. 1924. 64 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Rip van Winkle. La fierajo de la vilaĝo. La fantoma fianĉo. La kampara preĝejo.

Vol. 7. CHAMISSO, ADALBERTO DE, LA MIRINDA HISTORIO DE PETRO SCHLEMIHL. El la germana originalo tradukis *Eugen Wüster*. 1922. 84 paĝoj.

Vol. 8. STAMATOV, G. P., NUNTEMPAJ RAKONTOJ. El la bulgara originalo tradukis *Ivan H. Krestanoff*. 1922. 80 paĝoj.
Enhavo : Vilao apud la maro. En la tombejo. La estinteco. Pri unu anguleto de l'animo. Du talentoj.

Vol. 9. ŜALOM-ALEĤEM, PEREC, HEBREAJ RAKONTOJ. El la hebreaj originaloj tradukis *Is. Muĉnik*. 1923. 78 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. ŜALOM-ALEĤEM : La miraklo de « Hoŝano rabo ». Ne estas feliĉo. Rabĉik. La trezoro. Legendo pri la kreado de l'virino. Aforismoj. PEREC : Kio estas (Historio de mia juneco). Fratinoj. Pidjon ŝebuim (el la hebrea vivo en Polujo). Oni ree ekuzis la pendigilon. Hormuz kaj Ahrimon.

Vol. 10. PUŜKIN, A. S., TRI NOVELOJ. El la rusa originalo tradukis D-ro *Andreo Fiŝer*. 1923. 67 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Pikreĝino. Neĝblovado. La pafo.

Vol. 13. POE, EDGAR ALLEN, SES NOVELOJ el « Rakontoj de Mistero kaj Imago ». El la angla originalo tradukis *A. Frank Milward*. 1924. 80 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. Liĝeja. La ovala portreto. La barelo da Amontilado. Kelkaj vortoj kun mumio. La homo, kiu troviĝis eluzita. La silento — Fabelo.

Vol. 14. BALZAC, HONORE DE, LA FIRMAO DE LA KATO, KIU PILKLUDAS. El la franca originalo tradukis *Paul Benoit*.

Vol. 15. DOROŜEVIĈ, VLAS, ORIENTAJ FABELOJ. El la rusa originalo tradukis *Nikolao Hohlov*. 1924. 64 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. La fabelo pri fabelo. La kalifo kaj la krimulo. Kiel de Hasan falis la pantolono. La malĝuste trafitaj kalkanoj. Historio de porko.

Vol. 16. SIENKIEWICZ, HENRYK, NOVELOJ. El la pola originalo tradukis *Lidja Zamenhof*. 1925. 64 paĝoj.
Enhavo : Henryk Sienkiewicz. Lux in tenebris lucet. La maljuna servisto. Dioklo. Estu benita (Hinda legendo). La anĝelo.

Vol. 17. STRINDBERG, AUGUST, INSULO DE FELIĈULOJ. El la sveda originalo tradukis *Oskar Frode*. 1926. 69 paĝoj.

Vol. 18. BERTRANA, PRUDENCI, BARBARAJ PROZAĴOJ. El la katalunа originalo tradukis *Jaume Grau Casas*. 1926. 64 paĝoj.
Enhavo : Antaŭparolo. La forlasita vojo. La kabanoj de la karbfaristoj. La kamenoj de la gastejoj. Josafat.

Vol. 19. ŜIMUNOVIĈ, DINKO, ANO de l' RINGLUDO. El la kroata originalo tradukis *Fran Janjić*. 1926. 86 paĝoj.

Vol. 20. ECKHOUD, GEORGES, SERVOKAPABLA! MARCUS TYBOUT. El la flandra (franclingva) originalo tradukis *Léon Bergiers*. 1927. 71 paĝoj.

*Ĉiu volumo estas kartonita en arta kovrilo*

*Formato 15 × 19 cm.*

---

**Du numeroj el kolekto**

# Biblioteko Tutmonda

*Oni rajtas elekti du el listo I aŭ unu ekzempleron el listo II :*

LISTO I :

*Prosper Mérimée* : Mateo Falcone. Kaj aliaj rakontoj.
*V. Korolenko* : La sonĝo de Makaro.
*I. Al. Bratescu-Voinesti* : Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj.
*J. Korczak* : Bonhumoraj Rakontoj.

LISTO II :

*Baudoin* : La arto de memdisciplino
*Karinthy* : Norda Vento. Noveloj.
*Penndorf* : Grekaj Papirusoj.
Barono Münchhausen Vojaĝoj kaj aventuroj.
*Collinson* : La Homa lingvo.
*Isbrücker* : Evoluo de Telefonio.

## La biblioteko de UEA

*Depost la pasinta jaro la biblioteko de nia Asocio okupas unuan lokon, laŭ la kompleteco, inter la diversaj privataj kaj oficialaj libraroj kiuj koncernas Esperanton kaj ĝenerale helplingvon. Jam antaŭ* 1928 *nia biblioteko povis esti konsiderata kiel tre riĉa tiurilate, komparebla kun la du aliaj gravaj libraroj — de* Davidov *en Saratov kaj de* Esperantista Centra Oficejo en Parizo. *Sed, en* 1928, *ni estis feliĉaj akiri mankantajn eldonaĵojn, iomete per aĉeto, sed precipe pro donacoj de noblanimaj samideanoj, kies nomojn ni citos en la aperonta Bibliografio. Entute, en* 1928, *krom centoj da verkoj senditaj al ni por recenzo (po du ekzempleroj el kiuj unu por la biblioteko) kaj krom cento da donacitaj broŝuroj malnovaj, maloftaj kaj treege valoraj, ni ricevis el du lokoj* 6 *kestojn, pezaj kune* 200 *kg, kiuj enhavis antaŭmilitajn librotrezorojn: pli ol* 1000 *libroj, broŝuroj, jarkolektoj. Hodiaŭ nia inventara katalogo haltas je la numero* 7141; *post klasigo de la elkestitaj materialoj tiu numero transpasos* 7500, *(duoblaĵojn ni ne numerigas).*

*Unua ĝermo de la biblioteko estis kreita per la aĉeto de la libraro apartenita al la Svisa Esp. Societo, kies stampo ĉiam ekzistas sur kelkcent numeroj de tiu epoko, kiuj nun staras en nia libraro. Tiam ĝin prizorgis S-ro* E. Stettler, *la bibliotekisto de la* S. E. S. *Tui societo tiom zorgis pri sia libraro, ke ĝi starigis por tio specialan Bibliotekan Komitaton el kvar personoj: Dr. F. Uhlmann, René de Saussure,* S-ino *M. Milsom-Ramo* kaj *Ed. Stettler. S-ro Stettler organizis tiun unuan bibliotekon, kaj la sistemo de li enkondukita, restas la sama ĝis nun, en siaj ĉefaj linioj. El la Biblioteka Komitato multe riĉigis la libraron S-ino Milsom, per malavaraj donacoj de granda kvanto da libroj, kaj S-ro* De Saussure *kiu donacis al UEA multajn klasilojn, librojn, gazetojn, slipojn.*

*En* 1912 *la S. E. S. vendis sian libraron al* Hector Hodler. *De* 1913 *prizorgis la bibliotekon* Hans Jakob, *ekster la oficeja labortempo. Intertempe la libraro grandiĝis pro la senĉesaj novaĵoj, sendataj kiel recenz-ekzempleroj por la gazeto. Grava plibonigo estis la unuformaj skatoloj, enkondukitaj de S-ro Jakob, por konservi broŝurojn, gazetojn, aperantajn — kiel oni scias — en mult-specaj formatoj, seriaj kaj kaprice variaj. Tiu sistemo de skatoloj estas uzata en la Federala Svisa Biblioteko de Bern. Nia biblioteko posedas nun trispecajn skatolojn; malgrandajn en la formato* 18 × 13 × 6, *mezajn* 26 × 20 × 9 *kaj grandajn* 35 × 26 × 9. *Tiamaniere — sen grava perdo de neokupita spaco — la broŝuroj estas konservataj, kaj nur tre malofte ni bezonas ilin faldi aŭ mallongigi per tranĉo. S-ro Jakob komencis kun* 25 *skatoloj. Nun, dekkvin jarojn poste, ni posedas* 730 *skatolojn plenajn je la broŝuroj kaj gazetoj,* 800 *binditajn librojn kaj jarkolektojn, kaj pli ol* 2000 *eldonaĵojn, por kiuj mankas la loko. Grandan kvanton da duoblaĵoj la biblioteko de UEA donacis al la biblioteko de la Ligo de Nacioj, al la Universitata biblioteko, kaj okaze al samideanoj por utilaj servoj.*

*De* 1917 *ĝis* 1920 *la biblioteko de UEA, kiu jure kaj fakte apartenis ankoraŭ al* Hodler, *restis sen prizorgo. La mortinto testamentis ĝin al sia amata Asocio, kaj S-ino* Hodler *per oficiala dokumeno transdonis la libraron al UEA. En* 1921 *UEA akiris la bibliotekon de Clarence Bicknell en Bordighera. Tiuĉi akiraĵo konsistis en binditaj jarkolektoj de malnovaj gazetoj kaj tre valoraj libroj. La publiko ne imagas al si kiom da tempo postulas eĉ iometa ordo en la biblioteko, kies inventaro transpasis* 7000 *numerojn. Nur unu ekzemplo. Preparante jarkolektojn por bindado, ofte oni konstatas ke mankas unu-du kajeroj, aŭ kelkaj el ili estas difektitaj. La jarkolekto do formetiĝas por atendi kelkajn semajnojn aŭ monatojn, ĝis oni rehaviĝos mankaĵojn. Iufoje pasas unu jaro en tia atendado, korespondado, eĉ anoncado pri mankantaj numeroj. Do, estas grava okazintaĵo kiam revenas el bindejo iu granda volumo, bindita, kun pluraj kunigitaj jarkolektoj, en perfekta ordo, kio reprezentas du aŭ tri mil paĝojn. Ofte, la tempo bezonita por tion atingi preskaŭ egalas la materian valoron de la presita papero. En* 1927 *ni bindigis tri jarkolektojn, kiuj restis nebinditaj depost* 1910,*pro mankaj kajeroj kiuj hazarde retroviĝis inter manuskriptoj neklasitaj. Granda malamiko de la bibliotekisto estas la kutimo eltranĉi artikolojn por la represo, aŭ fordoni gazetkajerojn por ekspozicio. Tio okazigas malagrablajn serĉadojn, ofte vanajn, al la ordema librarestro. Ni posedas kompletajn kolektojn (duoble, — binditajn kaj en kajeroj) de ĉiuj gravaj gazetoj: La Revuo, Lingvo Internacia depost* 1900, *Oficiala Gazeto, Scienca Revuo, ...sed mankas al ni unuaj du jaroj de « Esperanto », kvankam ni ja estas en ĝia lulilo. Tio estas ofta historio, ke la homoj malatentas pri gravaj objektoj kiuj ilin ĉirkaŭas, pro ilia komuneco, kaj poste la heredintoj ne povas retrovi plej elementajn aferojn, por ĉiam perditajn, ĝuste pro tio ke siatempe ili estis tro konataj.*

*Pri la plimulto da libroj, kiuj estas en nia biblioteko, ne valoras paroli, ĉar konataj ili estas laŭ la katalogoj, recenzoj, ktp. Sed malpli konataj estas alispecaj eldonaĵoj. Unue ni posedas helplingvan sekcion, kun* 200 *artefaritaj lingvoj kaj projektoj:: Volapük, Ido, Bolak, Interlingua, ktp. Laŭ nia scio tiu sekcio estas unika en la mondo, laŭ la nombro kaj kvanto da eldonaĵoj, malnovaj kaj novaj, en diversaj eldonoj, tradukoj, eĉ manuskriptoj, aŭtografoj. Poste atentinda estas la materialo pri la Unua Kongreso* 1905, *kun ĉiuj raportoj, afiŝoj, fatoj, eĉ kun la provizo de memor-plumoj fabrikitaj por tiu kongreso. En la sekcio de Scienco ni posedas plurajn nacilingvajn verkojn de lingvistiko, poliglotismo, ekz. eldonojn de la Brita Biblia Societo en* 700 *lingvoj, vortarojn de ĉina ideografio, multekostan luksan volumegon de la Kodo Lugagne en sep lingvoj (kun Esperanto). Unika ankaŭ estas la sliparo pri* 2500 *naturaj lingvoj kaj dialektoj, kiun verkis speciale por UEA fakulo-samideano. Tre interesa estas alia sliparo, ĉiutage kompletigata: kompleta nomaro de ĉiuj esperantistoj — aŭtoroj, tradukintoj, konataj propagandistoj, komitatanoj, ktp. Tiu sliparo komencita en* 1925 *nun konsistas el* 2500 *kartetoj. Dank' al ĝi ni povas respondi — en unu minuto — kie kiam kion faris por Esperanto tiu aŭ alia samideano, kiam kaj kie li naskiĝis, kiaj estas liaj titoloj, verkoj, ktp. Se iam estos finance eble eldoni historian « Oran libron » de nia movado, la materialo por ĝi jam estas preta. Tiu biografia katalogo fariĝis iom-post-iom, dum la atenta trarigardado de ĉiuj esperantaj gazetoj, kiuj servis por la Bibliografio. Relative malmultaj estis sciigoj kiujn bonvolis sendi al ni senpere la aŭtoroj. Grandega, ankoraŭ ne ordita, estas kolekto da fotoj, portretoj de esperantistoj, grupoj, kursoj, ekspozicioj kaj kongresoj de Esperanto. Poŝtkartoj kun esperanta teksto aŭ bildo, sigelmarkoj, glumarkoj, folioj, afiŝoj, prospektoj, estas zorge konservataj, sed ili restas neklasitaj kaj ne enkatalogitaj, pro la negranda valoro de tiaspeca kolekto.*

*« Unuan Libron » donacis al la biblioteko S-ro Nikolai Krassovski el Ufa (Tatario), Ĝia bibliografia valoro estas netaksebla. Ampleksa estas ankaŭ la aŭtografa kolekto kun la propramanaj skriboj de Zamenhof, Bourlet, Boirac, Hodler, Grabowski, Mudie, k.a., ĉar la aferoj de UEA kaj la personaj rilatoj de Hodler alportis al Genève leterojn de ĉiuj eminentuloj de nia movado. Ni havas en aparta skatolo ĉirkaŭ* 150 *diversajn portretojn de Zamenhof kaj fotojn de lia tombo, monumento, naskurbo, fotojn de grupoj kun kiuj li estis fotografita, dum siaj vojaĝoj, vizitoj al la kongresoj. Granda estas ankaŭ la kolekto de neeldonitaj manuskriptoj, jen valoraj, verkitaj de eminentuloj, jen kuriozaj strangaj, preskaŭ teratologiaj.*

*Fine, estas tute nature ke la centro, kiu seninterrompe funkcias por kaj per Esperanto dum 26 jaroj, de 1903 ĝis 1929, ke tiu internacia helplingva fokuso estas natura deponejo, unika en la mondo, de la koncerna materialo. Kaj tio fariĝis malgraŭ ĉiuj malfavoraj cirkonstancoj: la milito, la morto de gvidantoj, la manko de mono por tiu-ĉi scienca, sekve senenspeziga afero.*

*Ĉiuj trezoroj de la biblioteko de UEA restis kvazaŭ enterigitaj ĝis 1925, kiam la Kongreso donis novan puŝon al la afero. Depost tiam komencis sinteza laboro, kiu jam havigis ion freŝan, novan pri la malnova periodo de Esperanto kaj pri la nuna stato. Tion parte respegulas niaj jarlibroj, en kiuj tiaspecaj materialoj, mallongaj, kundensitaj, prezentas unikajn provojn de dokumenta studado de la Esperanto-movado. Nenio simila ekzistis ĝis nun en nia literaturo, kiu ordinare kontentiĝis je proksimumaj sciigoj, malprecizaj datoj, nekompletaj nomoj. Se nia kono tiurilate faris la paŝon antaŭen, tion ni ŝuldas al la biblioteko de UEA, unuavice al ĉiuj kiuj kontribuis por ĝi — jen per sia laboro, jen per sia malavara donacado. La fruktoj, kiujn ni nun rikoltas, estas do plej efika danko al la solidara kontribuo por nia komuna afero.*

(Bibliografia Servo.)

## Andreo Ĉe en Estonujo

La Lerneja administracio de Tartu intencis aranĝi kurson de Esperanto por geinstruistoj dum ĉiujaraj somerkursoj (1928). Laŭ rekomendo de Esperanto Instituto de Estonujo, la kurson devis gvidi S-ro A. Saul. Sed intertempe Esperanto-Asocio de Estonujo invitis S-ron A. Ĉe el Svedlando. La lerneja administracio invitis S-ron Ĉe de sia flanko. Komence aliĝis 40 personoj. La kurso pligrandiĝis, je konto de la kursoj de naciaj lingvoj, ĉefe germana, tiel ke finis la kurson 68 personoj. Ekzameniĝis 30 personoj, el kiuj 19 kun laŭdinda rezulto, 10 kun bona nur unu kontentige.

Samtempe S-ro Ĉe gvidis porpublikan kurson, kiun partoprenis interalie la policprefekto, la poŝtestro, juĝisto el duagrada juĝejo.

La geinstruistoj aranĝis adiaŭan tevesperon, dum kiu paroladis multaj finintoj de la kurso kaj S-ro Uiga, estro de la distrikta lerneja administracio, interalie diris: « Ni estas trompitaj. Ni venis nur por vidi la metodon, sed ni estis tiom interesitaj pri la afero, ke jam ne povis foresti eĉ unu lecionon kaj nevole lernis la lingvon. » La gekursanoj donacis al S-ro A. Ĉe belan ledan adreson kun arĝenta blazono de Tartu.

Dum sia restado en Tartu, S-ro Ĉe faris vizitojn al lokaj eminentuloj, paroladis en lernejoj; la 4. IX li vizitis la limurbon Valk, kie li paroladis antaŭ 200 geinstruistoj kaj gelernantoj. Ĉio ĉi tio bone propagandis Esperanton vekante ĉie intereson por ĝi.

Vidinte sukcesojn de la kursoj de S-ro Ĉe, Tartua Popola Universitato decidis enkonduki en sian programon Esperanton. Funkciis du kursoj: komenca, gvidata de s-ano H. Seppik kaj supera gvidata de A. Saul.

La 10. IX S-ro A. Ĉe revenis al Tallinn por gvidi ĉi tie publikan kurson, kiun partoprenis 110 personoj. La kurson gaste vizitis hungara legacia konsilanto, S-ro F. Taróczy, urba lerneja konsilanto por elementaj lernejoj S-ro Chr. Bruller, konsilanto por mezlernejoj S-ro J. Grünthal.

Ĉe fino de la kurso E.I.E. ree aranĝis ekzamenon kiun ĉeestis ankaŭ gelernantoj de la lasta klaso de geinstruista seminario kaj honorgastoj: hungara legacia konsilanto S-ro F. Taróczy, vicministro por instruado S-ro G- Ney, urba lerneja konsilanto J. Grünthal kaj direktoro de franca liceo en Tallinn S-ro Vilemson. La ekzamenkomisionon unuafoje partoprenis oficiala reprezentanto de Klerministerio, direktoro de lerneja fako, S-ro G. Ollok. Ekzameniĝis 51 gekursanoj en aĝo de 12-60 jaroj kaj sukcesis bonege, farinte tre efikan impreson je ĉeestintoj. La ambaŭ urbaj lernejaj konsilantoj estis tiom ravitaj de ĉio vidita kaj aŭdita, ke petis S-ron Ĉe doni provlecionojn en geinstruista seminario kaj al geinstuistoj de komenc- kaj mezlernejoj. Lernejo konsilanto S-ro Brüller eĉ petis S-ron Ĉe skribi kiam li refoje havos tempon por viziti Estonujon, promesante tiam klopodi pri aranĝo de kurso por geinstruistoj oficiale, flanke de Tallinna urba lerneja administracio.

Dum la adiaŭa tevespero, la gelernintoj de S-ro Ĉe donacis al li ledan paperujon kaj monujon kun arta estona desegnaĵo. Krome kiel ŝerca aldono estis donacitaj al li marcipana koro kaj ĉokolada ŝlosilo, ornamita per granda ruĝa rubando « pli gravan objekton ol la ŝlosilo de la gramatiko, kiun li jam posedas, la videblan ŝlosilon de la koroj, ĉar ĝi estas, estis kaj estos la vera sekreto de la sukceso » — kiel diris la transdoninta sinjorino.

S-ro Ĉe ankaŭ instruis anstataŭ sam-ino E. Lübek la lernantinojn en la 2a elementa lernejo kaj estis ravita de ilia scio. S-ro Ĉe petis aparte noti meritojn de S-ino Lübek kaj lernemon de la lernantinoj.

Krome, dum sia restado en Tallinn, S-ro Ĉe faris vizitojn al diversaj eminentuloj, en Klerministerion, Urban Lernejan Administracion, k.t.p. ĉie pruvante praktikan utilecon de Esperanto. Ne mankis ankaŭ paroladoj kun lumbidoj pri Budapest, urbo de la XXI Universala Kongreso, faritaj en kelkaj lernejoj.

La 13, X, S-ro Ĉe forvojaĝis al Svedlando. Akompani lin en havenon kolektiĝis ĉirkaŭ 100 gesamideanoj. Dum la tuta tempo, ke S-ro Ĉe restadis en Estonujo, la gazetaro raportis pri li kaj liaj kursoj, interesigante tiamaniere la vastan publikon pri Esperanto.

Nun li estas for. Al ni restis belaj rememoroj, novaj gesamideanoj, aliĝintaj al societoj kaj zorgo pri novaj kursoj. En diversaj lokoj oni bezonas kursgvidantojn; ili ne mankas, sed mankas al ili tempo veturi de loko al lokoj.

*M. Grigorjev*
*propagandestro de E. A. E.*

## Esperantista Vivo

*Fianĉiĝo.*

*Fianĉiĝo.* — S-ro Trajĉo Dimitrov kun F-ino Penka Alekova en Petriĉ, Bulgar.

*Edziĝoj.* — S-ro Dragutin Došek, Delegito de UEA en Bjelovar S.H.S., kun F-ino Marija Petriĉ. 27. I. 29.

— F-ino Vanda Asquini, profesorino, Anino de UEA en Trieste, un S-ro Romeo Seiblecher, Ano de UEA. 12. I. 29.

— S-ro Jules Georis, Ano de UEA 31330 en Bruselo kun F-ino Madeleine Janssen en Tirlemont, 9 Marto 1929.

**Oni laŭdas !**

* S-ro D-ro *J. C. F. Heinsius*, Ano de UEA 32844 kore dankas al S-ro H. Moy Thomas, ĉefdelegito en Londono kaj S-ron B. Schmidt, ĉefdelegito en New York pro donitaj informoj.

* S-ro *Bohumil Paleĉek*, Ano de UEA n-ro 19574 kore dankas al S-ro Paul Blaise, komerca D en Londono pro helpo en internacia komerca rilato.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

Funebro vualis la Germanan Kongreson en Frankfurt am Main, okazinta dum pasko. La morto de la Prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio, D-ro Kliemke peze sentiĝis. Sincera amiko kaj arda defendanto de nia afero forlasis la teron. D-ro Kliemke mortis sekve de operacio la 20 an de Februaro 1929, atinginte la 2an de januaro, 59 jarojn.

De simpla deveno pri kio li estis fiera, la mortinto studis juron kaj okupis dum kelkaj jaroj ŝtatan oficon (juĝeja asesoro). De 1905 li okupis pozicion ĉe la Deutsche Bank, unu el la grandaj bankentreprenoj germanaj. La Deutsche Bank fondis la Orientafrikan Fervojan Societon en la kolonio Orienta Afriko. Dro Kliemke fariĝis komitatano kaj Direktoro de tiu-ĉi entrepreno ĝis 1923. Gravajn servojn li plenumis en tiu entrepreno. Dum multaj jaroj li vojaĝis en Orienta Afriko. Eksterordinara lingva scio (li povis paroli kun la indiĝenoj en ilia lingvo), faciligis al li la taskon. Farinte vojaĝon en Persujo li ekinteresiĝis pri la Bahai-movado, al kiu li restis fidela ĝis la morto.



D-RO KLIEMKE.

Sub la nomo Heinrich Nienkamp li publikigis du legindajn verkojn en germana lingvo: Fürsten ohne Krone (Princoj sen krono) kaj « Kultur und Sprache » (Kulturo kaj Lingvo) kiuj en plej bona formo varbis por nia afero. D-ro Kliemke estis tre ligita al Esperanto kaj helpis per konsiloj kaj agoj. La Germana Esperanto-Asocio elektis lin sia prezidanto. Krom ano de la Bahai-movado li partoprenis ankaŭ la porpacan celadon. La Berlina distrikto de la Germana Societo por Paco elektis D-ron Kliemke kiel prezidanton.

Akcidento en la subtera fervojo kaŭzis al li plurmonatan malsanon ĉe la kruro. Ankoraŭ ne resanigite, li lametis de loko al loko helpante, konsilante al la laborantoj por la idealoj al kiuj li sin donis. Funebras pri li familio, edzino kaj 4 gefiloj kaj kvar nepoj, neforgesante la homoj kiuj kontaktiĝis kun li.

S-RO VLADIMIR GERNET, mortis la 7-an de februaro pro interna tumoro, lia enterigo estis je la regna kosto, pro liaj sciencaj meritoj. Li esperantistiĝis 1894 en Odessa, kie li estis privata instruisto. Lia traduko de « Fantomoj » de Korolenko aperis 1895. Dum tri jaroj 1896-98 li mone subtenis tiaman centran organon « Lingvo Internacia » eldonita en Upsala. Ano de la Lingva Komitato de 1905 ĝis 1910. (Laŭ Sennaciulo N-ro 230).

S-RO PROF. I. DUDKOVIĈ, Ano de UEA 20048 en Zagreb, 21. 12. 1928.

S-RO GUSTAV HÖHN, Ano de UEA 20600 en Zürich, fervora propagandisto. 25 jara. 18 Marto 1929.

S-RO EMILE BEUVE, instruisto, 47 jaraĝa, Ano de UEA 13780, franca pioniro de nia movado en Troyes (Aube).

S-RO D. A. KLAĜIN, Ano de UEA N-ro 4930, sekretario de la Esp. Societo « Harmonio » en Novjorko, subite mortis la 16an de Februaro dum maskobalo de la est. societo Harmonio. La movado en Novjorko perdis lertan instruiston kaj fervoran propagandiston. Li naskiĝis en Hercegovino.

D-RO R. COHEN, advokato, Hamburg, 66 jara, Ano de la Unua esp. grupo de Hamburg-Altona, dum kelkaj jaroj ĝia prezidanto. Ano de UEA 23913. 28. II. 29.

S-RO ALBIN ZACHRISSON, gimnazia instruisto en Karlstadt, Sved., 25. I. 29. Prezidis Svedan Federacion. 1909 eldonis lernolibron. Ano de UEA 32437.

---

GE-SROJ MAURICE BOEREN, VD de UEA en Antverpeno havis la malfeliĉon perdi Filineton Gaby. 14. III. 29.

S-RO GIOVANNI FERRARIS, D de UEA en Alessandria, priploras la morton de amata patrino, 6. III. 29.

S-RO DIMITR IVANOV, VD de UEA en Ruse (Rusĉuk), Bulgario, priploras la morton de sia patro. 26. 12. 1928.

*Sinceran kunsenton!*

# Esperantista Parolejo

### Oni petas

En ĉiu urbo ekzistas ia muzeo aŭ muzeoj, ne nur de pentraĵoj sed ankaŭ de naturscienco, zoologio, hejma historio, artmetio, memoraĵoj k.t.p. Ĉiu muzeo eldonas presaĵojn (Gvidlibrojn, programojn, poŝtkartojn, jubileojn aŭ historiajn dokumentojn). Nenie oni kolektas tiujn-ĉi presaĵojn kaj do ili estas kolektindaj. Mi nun volas kolekti ilin por fondi muzeon de muzeaj presaĵoj. Kiu povas helpi? La esperantistoj de la tuta mondo! — Kaj kiamaniere? Iru al via muzeo kaj petu tiajn presaĵojn, sendu ilin al mi por ke mi povu sciigi la sciencan mondon, ke per Esperanto ebliĝis la tre dezirinda kolekto.

*Profesoro D-ro A. Schramm, Leipzig, Südstrasse 72.*
(Ano de la Kvaro por la Kvara = la Loka kongresa komitato de la IVa en Dresden).

### Oni proponas

La jarlibro aperu en du volumoj, nome unua parto kiu enhavas la ĝeneralan parton kaj dua parto kiu enhavas la adresarojn. Al la unua parto estu aldonata kalendaro kiel skizita sur la dorsa flanko de ĉi tiu folio.

La kalendara parto estus tre praktika por ĉiutaga uzado, dume la ĝisnuna jarlibro estas tro ampleksa por enpoŝigo. Certe la kalendara parto estus ankaŭ aĉetota kaj uzota de multaj esperantistoj, kiuj ne estas UEA-anoj. Ĝi do estus ankaŭ varbilo. Oni povus enmeti kelkajn paĝojn perforitajn (Spaco por notoj, mendilo k.t.p.)

*F. Hirzel, DM de UEA, Zürich.*

(Respondo de la Direktoro). — Ni represas supran proponon ĉar ĝi estas farata jam ofte. Ni mem partoprenas la deziron esprimitan nome aranĝi du jarlibrojn unu kun Ĝenerala Parto kun variaj informoj ĉiaspecaj, kaj dua nur-esperanta facile uzebla kaj kunportebla. Kontraŭstaras al la efektivigo la eterna financa problemo kaj la fizika neebleco por la kompilintoj prezenti je tempo taŭga la laboron. Sed la propono estas unu el tiuj kiujn ni efektivigos tuj kiam pliboniĝos premisoj.

### Internacia Ligo de Patrinoj kaj Edukistinoj

### POR LA PACO

*Al la Paco per l'Amo.*

Celo de la Ligo:

Igi la *militon* neebla forigante *malamon*.

La Patrinoj aliĝantaj al la Ligo promesas enradikigi en la spiriton de siaj infanoj:

La Amon
al la Familio
al la Patrujo
al la Homaro

La Patrinoj devas eduki la infaneton ami ĉiujn membrojn de sia familio.

La Patrinoj devas poste inspiri al la gejunuloj fratajn sentojn por ĉiuj homoj de sia gento kaj de sia lingvo.

La Patrinoj devas fine konvinki ĉiujn cirkaŭ si pri la neceseco ami ĉiujn homojn el iu ajn nacio.

Ili tiel kunlaboros diskonigi tiun belan kondutmaksimon de Montesquieu:

« Se mi scius ion por mi utilan kaj malutilan por mia familio, mi ĝin forĵetus el mia spirito.

« Se mi scius ion utilan por mia familio kaj malutilan por mia patrujo, mi penus ĝin forgesi.

« Se mi scius ion utilan por mia patrujo kaj malutilan por Eŭropo kaj la homaro, mi ĝin rigardus kiel krimon. »

Fine, la Patrinoj, per sia ĉiutaga ekzemplo, devas pruvi ke la amo sin montranta per oferoj konsentitaj al la konkordo kaj la paco, povas sola venki la egoismon, fonton de ĉiuj malpacoj kaj doloroj de ili naskitaj.

Ĝenerala Sekretariino por Franclando: S-ino Eidenschenk-Patin, eks-anino de la Supera Konsilantaro de la Publika Instruado, Kavalirino de la Honora Legio O.I. Berny-Rivière, par Vic-sur-Aisne (Aisne-Franclando).

Sekretariino por Fremdlando: S-ino H. Kriegk, 38, rue Laharpe, Le Bouscat-Bordeaux (Franclando).

Kasistino: S-ino J. Forsans, 7, rue Croizillac, Bordeaux (Franclando) poŝtĉeka konto N° 336.93, Bordeaux.

# En kelkaj linioj...

*** En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la akcia Societo « Centra Esperanto Librejo » en Hago (Nederlando), la bilanco, perda kaj gajna konto estis aprobitaj kaj la dividendo fiksita je 6 ½ % (antaŭan jaron 6 %). Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. L. Bruijn.

*** Okaze de nia XXa Universala Kongreso en Antverpeno, S-ro G. Saggiori, Delegito de UEA en Padova, filmis per « Pathé Baby » aparato plej interesajn aspektojn de la Kongreso, t.e. Akceptejon, amasiĝon en la Urba Parko kaj promenadon tra la Urbo, viziton al Haveno kaj vidindaĵojn en Antverpeno. En dua parto de la filmo aperas postkongresa ekskurso tra Belgujo; i.a. promenadoj kaj aspektoj esperantaj en Bruselo, Bruĝo, Zeebrugge, Lovanio, Ostende. La dirita filmo estas longa ĉ. 90 m. (kiel 250 m. de normala filmo), kun pli ol 60 klarigoj en Esperanto. Grupoj kaj samideanoj kiuj posedas « Pathé Baby » projekci-aparaton nepre devas mendi ĉ-tiun filmon por revivi antaŭ la ekrano belegajn pasintajn tagojn.

La mendoj estas riceveblaj ĉe S-ro Saggiori; kunsendu preskoston, kiu estas 50 sv. fr. inklusive sendkosto por Eŭropaj Ŝtatoj. Necese kun la mendo klarigi ĉu oni posedas projekci-aparaton tipo DK (por filmoj ĝis 20 m.) ĉu tipo Super (por filmoj ĝis 100 m.). Adreso: Corso V.E. 6, Padova, Italujo.

*** S-ro Ivan H. Krestanoff, L.K., nun estas en Sofia, 26 ul. Asparuĥ (Bulgar.) kie li oficas kiel lektoro de franca kaj germana lingvoj.

*** La unua eldono de la broŝuro pri sankta Venceslao en E jam elĉerpiĝis. La neatendita intereso de esperantistaro pri tiu ĉi informa libreto instigis la Komitaton por S. Venceslao festoj en Praha, prepari novan eldonon de tiu ĉi informilo. Samideanoj, kiuj ne jam ricevis la menditan broŝuron, bonvolu afable pacienciĝi ĝis la apero de la nova eldono! Esperanta fako de la Komitato por s. Venceslaofestoj, Praha III, Josefska 8, dankas per tio ĉi elkore al ĉiuj samideanoj, kiuj sendis gratulojn.

*** Kiu volas ankoraŭ ricevi el la esperantaj prospektoj, kalendaretoj kaj afiŝoj de la *Foiro de Budapest*, petu per simpla poŝtkarto de la foiroficejo, Budapest, V., Alkomany-utca 8. La afiŝo montras vagonaron iranta al Budapest, do estas uzebla ankaŭ por anonci kongreskaravanojn. Havebla ankaŭ en 12 aliaj lingvoj! Kiuj ne povas partopreni la kongreson en augusto, havas okazon viziti dum la foiro la kongresurbon ricevante *grandajn vojaĝrabatojn* ankaŭ ĉe la najbaraj fervojoj. Estos speciala esperantista gvidado kaj kunveno. Interesiĝantoj petu detalajn informojn de la foiroficejo, esperanto-fako.

# REKLAMO

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Amsterdam.* — S-ro N.A. Zilver, Damrak 95, PM, ekskluzive mezeŭropajn, malakceptas bagatelajojn.

*Arad* (Ruman.). Julio Eiser, oficisto, str. G. Alexandrescu 16, Pm. k. Ĉ.l. laŭ katalogo Michel, aŭ popece Sendas rumanajn k. najbarlandajn.

*Barcelona* (Hispanujo. — S-ro Josefo Angles Prous, Canalejas 21, principala, L., kun fraŭlino loĝanta en Hollywood Kalifornio.

*Budapest X* (Hungar.). — S-ro I. K. Kovárcz, Villan u. 27, L., PI. k.ĉ.l.

*Daugavpils* (Latvio). — S-ro Lidaka, Jatnieku pulka ŝtaba, PI., L., k.ĉ.l.

*Debreczen* (Hungar.). — S-ro Janos Bari, policisto, Varga u. 28. L., PI., k.ĉ.l.

*Bucuresti 2.* — Constantin Beu, sos. Jianu 18 c/o Leonida, deziras korespondi pri religiaj demandoj.

*Bucuresti 1.* — Titus Hertzug, elektro-teknikisto, Str. Regala 12, deziras korespondi k.vĈ.l. precipe kun azianoj kaj amerikanoj pri elektroteknikaj demandoj. P.I. kun nordeuropanoj.

*Buschullersdorf 84* (Ĉehoslovakio). — S-ro Walter Effenberger, PM ankaŭ tutajoj, PI bfl. k.ĉ.l.

*Bodenbach* 1Ĉehoslovakio) — S-ro Alfred Heinrich. L, PI, PM mineralojn k.ĉ.l.

*Brüx* (Ĉehoslovakio). — S-ro Josef Beller Teplitzerstrasse 37, PI, L, k.ĉ.l. PM kun seriozaj kolektantoj.

*Dolni-Kounice na Moravé 525.* (Ĉehoslovakio). — S-ro Karel Ĉervinka, Del. de UEA, PI., L., k.Ĉ.l. por loka rondeto

*Dommelen* 80 *ĉe Valkenswaard* (Nederlando). — S-ro Anton Staals, PK, PI, L pri ĉiuj temoj. PM Certe kaj baldaŭ respondos.

*Gajärvi* (Finnlando). — S-ro Arvi Meronen, PI.

*Gajärvi* (Finnlando). — F-ino Elli Paavilainen, PI.

*Gajärvi* (Finnlando). — F-ino Laura Häkli, PI.

*Gajärvi* (Finnlando). — F-ino Annan Rikström, Instruistino, L pri ciganoj.

*Gateshead on Tyne* (Britujo) S-ro Thomas Pattinson, 20, Grasmere Street L., PI., jurnaloj, elĉerpajoj.

*Glasgow* (Skotlando). — S-ro John M. Baxter, Glenshee, Stepps., Interŝanĝas anglajn gazetojn monatajn, kiel ekzemple Strand, London, Royal, k. t. p. kontraŭ similaj gazetoj germanaj.

*Görlitz* (German.). — F-ino Lotte Götze, Schillerstrasse 23, PI k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Görlitz* (German.). — S-ro Gerhard Klau, Bismarckstrasse 27, PI bfl., L., k.ĉ.l. Ĉaim respondos.

*Graasten* (Danlando). — S-ro Hermann Jensen, 19 jara, Elleygade, PI., k.ĉ.l.

*Haiger* (Germ. Nassau). — S-ro Erwin Brandt, Delegito de UEA, Hofacker 4-i PI unufoje bfl kun eksterlandanoj. Respondas dum unu monato.

*Helsinki* (Finnlando). — S-ro Joel Vilkki, Museokatu 29, L. pri Novial.

*Hirschberg in Schlesien* (Germ.). — S-ro D. Franz, Warmbrunnerstrasse 27, PI., L., k.ĉ.l. Fot-ajoj kaj korespondado kun junaj fraŭlinoj ĉiam dezirata. Ĉiam respondos.

*Hradec-Králové* (Ĉehoslovakio). — S-ro Frantisek Resler, studento Boromeum 356, PM., k.ĉ.l. Certe respondas.

*Hradec Králové* (Ĉehoslovakio). — S-ro Zdenko Vesely,Velké námestí 22, L., PK., PI. precipe kun Japanoj.

*Joensuu* (Suomi). — F-ino Signe Paloheimo, Metsänhoitolautakunta.

*Joensuu* (Suomi). — F-ino Ljuba Grigorjew, Niskakatu 8.

*Konechlumi u Jiĉina No. 1* (Ĉehoslovakio). — S-ro Josef Vitek, PM. ankaŭ jubileajn, PI., L., /.ĉ.l., escepte Germanujo.

*Kortrijk* (Belgujo). — S-ro Raoul Vanfleteren, Veemarkt 84, juvelisto L kun juvelistoj ĉ. l. Korespondas en Esperanto, flandre, france kaj angle.

*Kortrijk* (Belgujo). — S-ro Karel Nys, Vaartstraat 45, deziras interŝanĝi P.I. : afrankitaj per jubileaj P.M. — P.M. kun ĉ. landoj. Respondo nepre kaj ĉiam.

*Kortrijk* (Belgujo. — S-ro Henri Von Roye, 43 Rijsselstr. Interŝanĝas P.I. bfl., k.ĉ.l., ĉiam respondas.

*Kyoto* (Japanio). — S-ro D-ro Junichi Nakagawa, Minamigoshocho 7, Okazaki, PM kun Fidindaj filatelistoj.

*Limhamn apud Malmö* (Sved.). — S-ro Bror Lundström, Idrottsgatan 32, L., PI., PK k.ĉ.l. de Eŭropo. Nepre respondos.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro Oskar Lindberg, 14 Engelholmsgatan, PI.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro S. A. Svensson, Altonagatan 3, L., PI.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro Albert Cronquist, Rosenlund 31, PI.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro Sture Ingvarsson, Hakanstorpsvâg 26, PI k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro Anton Lindberg, Sjöbogatan 7, L., Pi., Ĉiam respondos.

*Malmö* (Svedlando). — S-ro Alfred Persson, Ystadsgatan 15, L., Pi., Fot-ajoj, k.ĉ.l. Respondos.

*Markneukirchen* (German., Sachsen). — S-ro Karl Sommer, Stadtbank, Pi., k.ĉ.l. Ĉiam respondos.

*Mainz am Rhein* (German). — S-ro Peter Becker, Delegito de UEA, Augustinerstrasse 58, PM. Certe respondos.

*Mainz am Rhein* (German.). — S-ri Chr. Schilling, Uferstrasse, PM.

*Mexico D. F.* — S-ino Ana Maria Martinez, Apartado 2482, PM k.ĉ.l. Certe respondas.

*Narva* (Estonio). — S-ro Eduard Hermann, Kreenhom 31-6, PI., k.ĉ.l.

*Olomouc* (Ĉehoslovakio, Silezio). — S-ro Georgo Neklapil, L., PI., ankaŭ en germana lingvo, Respondo certigata.

*Oviedo* (Hispanujo). — S-ro Luis Garcia Fernandez, Diputacion provincial serĉ/as korespondantojn por 50 lerantoj. Certe respodos.

*Panevezys* (Litov.). — Grupo da poŝtoficistoj PI., kun Greklando, Bulgario, Turkujo, Persujo, Indujo, Siamo, Ĉinio, Japanio, Norvegio, Svisujo, Francujo, Anglujo, Italio, Portugalio, Aŭstralio, Afriko, Ameriko. Skribu laŭ adreso: S-ro J. Skersinskas, Panevezys, Lithuanie.

*Rimavska Sobota* (Ĉehoslovakio). — S-ro Kral Vaclav, oficisto, Zeleznici 25, PM.

*Rovné* (Ĉehoslovakio, p. Dobré u Dobrusky). — S-ro Jozef Prouza, PI., Fot-ajo k.ĉl. tuj kaj certe respondos.

*Stara Zagora* (Bulgar.). — S-ro Nesim J. Avramov, str. D. Asenov 72, PI., fot ajoj kun abstinentoj ĉiulandaj. anoj de I.O.G.T.

*Stara Zagora* (Bulgar.). — S-ro Kosta Spasov, str. Br. Jekovi 71, PI. fot ajoj h. ĉiulandaj abstinentoj anoj de I. O. G. T.

*Sönderborg* (Danlando). — S-ro O. Madsen, 19 jara, Finsensgade 17, Pi., k.ĉ.l

*Voldi* (Estonio). — S-ro A. Muska, Saadjärvi 6 kl. Algkool, PI, (rekompencas ankaŭ per PM.) kreskajojn, mineralojn. Tuj kaj certe respondos.

*Trebic-Horka* (Ĉ.S.R., Moravio). — S-ro Jan Hauer, studento, Hanelova 107, PI., Ĉiam respondas.

*Weissenberg* (German. Sachsen). — S-ro Walter Lukas, Kirchgasse 120a PI bfl. K.ĉ.l. Ĉiam respondos.

*Wiebelskirchen* (Saar). — S-ro Walter Schild, Ziehwaldstrasse 18, PI, bfl, k.ĉ.l. Certe respondos.

*Zehun ap. Podebrady* (Ĉehoslovakujo). — S-ro J. U. C. Jaroslav Menŝik, Studento de juro, PM.

# Petoj kaj Proponoj

## INTERNACIA KOMERCO

*Atentu.*— Mi interŝanĝas profesie, stampitajn neskribitajn P.I. bfl., kun ekstereŭropanoj k.ĉ.l. escepte Aŭstrio, Germanujo helpmonon ne plu validajn bankbiletojn; Rekompense mi sendas belegajn PI maloftajn PM., helpmonon. Josef Ulm, komercisto, Ried im Innkreis, Aŭstrio.

*Eklezio* de la liberpensantoj. Programon sendas senpage. Lüerssen, Essenerstrasse 4, Gelsenkirchen, Germanujo.

*Gramofondiskoj.* — Novaj gramofondiskoj en Esperanto eble la plej bonaj ĝis nun fabrikitaj. Aranĝitaj de Profesoro Findlay kaj eldonitaj de la Gregg Publishing Co. Ltd. Ne tro multekostaj. Petu senpagan prospekton ĉe la solaj agentoj, British Esperanto-Association 142 High Holborn, London W.C. 1. Anglujo.

*Libertempojn* malmulte kostajn internaciajn en Belgujo kaj Francujo dum julio aranĝas la Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn London W. C. 1. Por sempagaj detaloj skribu tuj al tiu adreso.

*Monon perlabori* per Esperanto povas ĉiu korespondanto de Continental-Vojaĝoficejo de samideano H. J. Hoen, Postfach 255 Köln am Rhein. Detalan prospekton mi dissendas al petontoj nur post ricevo de respondkupono.

*Preĝo sub la Verda Standardo,* verkita de D-ro L. L. Zamenhof de li deklamita dum la unua kongreso en Bulonjo 1905, komponita de D-ro C. R. Müller el Düsseldorf, kantita okaze de la protestanta diservo je la 20a Kongreso en Antverpeno, aperas ĝustatempe por la sepdeka naskiĝtago de D-ro Zamenhof. Je ĉiu festajo oni devas aŭdi ĝin. Prezo 1.20 RM aŭ egalvaloro Antaŭmendojn akceptas: Maria Elkan, Duisburgerstrasse 17, Düsseldorf, German.

*Respondo garantiata.* — S-ro Alois Fink, Del. de UEA, polesny, Novy Bydzov, Ĉehoslov., deziras interŝanĝi PI, PM, k.ĉ.l. PM nombron kontraŭ nombro pli valorajn laŭ katalogo Michel aŭ Yvert.

Senpage mi sendas al ĉiu petanto unu numeron de Esperanta Biblioteko « Nova Kulturo ». Skribu al: Sava Kalimenov, Sevlievo, Bulgar.

*Ŝtrump-fadenoj.* — S-ro K. Guthke, St. Eriksgatan 11, Stockholm, Svedlando, korespondas kun vendistojde ŝtrumpaj fadenoj aŭ trikado de ŝtrumpoj.



# Vizitu Canterbury dum pentekosto

## 20a Brita Esperantista Kongreso.

*(La 20a Brita Esperantista Kongreso okazos en Canterbury dum Pentekosto, 1929. Pro la unikaj interesaĵoj de la urbo, kaj pro ĝia proksimeco al la suda marbordo, oni esperas, ke multaj alilanduloj ĉeestos la kongreson.)*

Jen la mallarĝa ĉefstrato, la plej mirinda antikva ĉefstrato, mi opinias, kiu ekzistas. Eble eĉ pli mirinda ol « The Rows » en Chester. Estas ravaj surprizoj la tutan longecon de ĝi, — la malnova tura enirejo, la strangŝajnaj pintfasadoj, la kliniĝantaj domoj, la senmova rivereto superpendata de antikvaj fenestroj de la « Teksistoj », kiuj povus esti entute transportitaj de Leyden aŭ Delft.

Oni povas aĉeti viandon en dek-sesjarcenta butiko, kaj preni teon en domo antaŭe la hejmo de l'poeto Marlowe. Kinemejo konstruiĝis sub antikva konstruaĵo kun glore ĉizita nigra trabo, kiu malsupren rigardas al bildoj de bovdresistoj.

Estas antikva konstruaĵo aĝmatura, kie vi povas garaĝi la aŭtomobilon kaj kie petrolpumpiloj jam instaliĝis. La malnova turo de la urba enirejo surhavas sur la muroj afiŝojn anoncantajn per lastmodaj reflektigaj literoj, ke estas « unudirekta trafiko » por pilgrimantoj en la urbon. Aŭtobusoj kaj aŭtofiakroj tiras siajn pezajn korpojn tra la mallarĝaj stratoj.

Trafikdirekta policano (helpate de blankaj linioj) staras kelkajn jardojn for de la loko elektita de Aŭgustino en 597 por la angula ŝtono de nia kristana civilizacio.

La pilgrimantoj venas al la sanktejo en aŭtovagonoj, kaj postulas « elegantajn temanĝojn » sespladajn vespermanĝojn, ejojn por lasi la aŭtomobilojn petrolpumpilojn, hotelojn kaj bildpoŝtkartojn. La Canterbury de la antikva epoko estas atakata de la animo de 1928.

Lia Moŝto la Urbestro, S-ro G.R. Barrett, diris al mi, ke la demando pri troeco de trafiko estis granda problemo, sed ke oni nun konsideras pri « preteriraj vojoj ». Laŭ parolo figura, S-ro Barrett kaj lia konsilantaro ĉizis sur sian ŝildon « Canterbury apartenas al ĉiuj Epokoj ». Ili mem estas nur pilgrimantoj — manpleno da lojalaj urbanoj gardantaj indan trezoron de la ĥaosaj fortoj de modernaj tempoj.

La animo de Canterbury — kion ĝi diras al la pilgrimantoj de tiu ĉi trorapidanta tempo?

La noblaj grizaj linioj de la Katedralo suprenigas la okulojn ĝis la loko kie la pintoj etendiĝas al blua ĉielo.

La animo de la urbo, kiu venkis la centjarojn, denove venkos. Oni povas rigardi la petrolpumpilojn, la garaĝojn kaj la busojn, sentime. Ili nur estas simptomo de la nuna epoko, kiel estis la diliĝenco kaj la fervojo siatempe, kaj tiu ĉi antikva urbo absorbos ilin tiel, kiel ĝi jam absorbis iliajn antaŭaĵojn, ĉar Canterbury apartenas al ĉiuj Epokoj.

(Trad. el « The Daily New » 8.11.28)

Skribu al : A. G. Tuckers, 8, St. Lawrence Villas, Canterbury.

# ESPERANTO

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj Koresponda anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Fr. Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.

Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1.8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Fr.k., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv.

# KOMBINITA BILETARO

## *de la Kongresa Servo de UEA por la XXIa Kongreso*

La kombinita biletaro de la Kongresa servo de UEA entenas:

1. La kongreskotizon.

2. Kotizon por partopreno de la antaŭkongreso en Vieno, inaŭguro de la Internacia Esperanto-Muzeo k.t.p. Tiu-ĉi kotizo rajtigas samtempe je rabato individua de 25 % ĉe la Austria Ŝtata Fervorjaro, 50 % rabato ĉe Danuba Ŝipveturo (de Linz ĝis Budapeŝto) senpaga vizo aŭstria, ricevo de gvidlibro en Esperanto.

3. Septaga restado en Budapeŝto kun plena pensiono. Ĉambro en Hotelo Continental moderna kaj bone zorgata hotelo. Fluanta akvo en ĉiuj ĉambroj, unuakvalita kuirado. La manĝoj konsistas el:




*Matenmanĝo:* Laŭ elekto, kafo, teo aŭ ĉokolado kun pano, mielo, butero.
*Tagmanĝo:* Antaŭmanĝo, supo, viando, legomo laŭsezona, deserto. (Sen trinkaĵo).
*Vespermanĝo:* Antaŭmanĝo, viando, legomo, deserto (fruktoj). Ĉio riĉe servata.




Krom tio ĉiu gasto rajtas je unu bano dum la restado. — Trinkmono estas enkalkulita — Servado sub kontrolo de la Kongresa Servo — Plendoj atentotaj kaj tuj egaligotaj.—

4. Por faciligi ĉiel al nia membraro la viziton de la kongreso ni malfermas konton al ĉiu kiu tion deziras kaj pagas la ŝparitan monon laŭdezire en Budapeŝto ĉe la akceptejo. Oni povas pagi al ni per niaj poŝtĉekoj kaj ni ankaŭ peradas monon al la Loka Kongresa Komitato senkoste kaj sen risko, rapide kaj zorge.

Ni akceptas ĉiun borseblan monbileton laŭ taga kurzo, ĉekojn en ĉiuj monoj kaj sur ĉiuj bankoj sen depreno por enkasigo. Plej simple estas sendo de mono per poŝtmandato internacia kaj per al niaj poŝtĉekoj. Ni akceptas plie British Postal Orders kaj francajn Bon Postal.

*Poŝtĉekkontoj:*

Poŝtĉekkonto 79236 Praha — Poŝtĉekkonto 90850 Frankfurt am Main — Poŝtĉekkonto 190576 Warszawa — Poŝtĉekkonto Genève I. 2310 — Conti Correnti Postali Milano 3-327 — Poŝta Sparkaso Wien: konto 105 439

Compte de Chèques postaux Lyon 221 76 — Compte de Chèques postaux Bruxelles 1842.00 — Poŝtĉekkonto S. H. S. Zagreb: 40.759 — Postgiro Stockholm Konto: 4138

Nia banko estas: *Société de Banque Suisse. — Schweizerischer Bankverein, GENEVE.*

**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, (Kongresa Servo)**, 12, Boulevard du Théâtre, GENEVE

PRESEJO A. GRANCHAMP ANNEMASSE.